**Abonprezo por jaro: 9·–, duonjaro: 5·–, unu ekz.: 1·– svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**
Kolektiva abono la duonon. Por kurzsuferaj landoj favoraj prezoj. Peru detalajn informojn.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.



# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.
**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn
**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
**ĈEĤOSLOVAKIO:** Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio — **Praha XIX** 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 9.602.
**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.
**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a
**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
**NEDERLANDO:** Internacia Cseh Instituto **Haga** Riouwstraat 172. Poŝtkonto Nr. 162.626.
**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, S-ro John Johanssen, **Hamar**
**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503
**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Hatter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen**
**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. 1 svisa franko egalas 1.72 zloty. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu.

Favorprezoj por landoj neorvalutaj!

# MILITO!

Granda rabato por AELA-anoj!

tamburas per grandaj literoj la fruntartikoloj de la monda gazetaro.

**Milito**

okupas la cerbon de ĉiuj homoj, interesiĝantaj pri la propra kaj pri la sorto de la mondo.

**milito**

tamen neniam solvos la konfliktojn inter la popoloj.

**KIEL SOLVI LA PROBLEMOJN?**

Jen, pri kio instruas vin la scienca, tamen romanece interesa verko

**INTERPOPOLA KONDUTO**

Ĝi prezentas la historian evoluon de tiu problemo, ĝi prezentas la moralon, kiu direktas la gravegajn por la mondpaco problemojn de la

**interpopola konduto**

kaj tiun pritrakton vi trovos en la karese facilstila verko de

**EDMOND PRIVAT**

kies de longaj jaroj unua originala verko estas tiu ĉi scienca studo.

Post la multaj primilitaj artikoloj refreŝigе kaj kuraĝige efikos vin la science pruvitaj tezoj, ke la homaro malgraŭ ĉio marŝas al la evolugrado, kie

**INTERPOPOLA KONDUTO NE REZULTOS MILITON**

Jen pro kio legos per duobla intereso ĉiu Esperantisto tiun ĉi ŝajne ĝuste en tiu ĉi momento tiom dolore neaktualan libron kaj konvinkiĝos, ke la sopiro al

**PACO**

vivas en la animo de ĉiu homo.

La verkon eldonis Literatura Mondo kaj ĝi estas la unua el la scienca-arta serio de AELA 1935.

Prezo svfr. 3.— broŝurita, svfr. 4.50 simple bindita kaj 5.— sur luksa papero, en ledimita bindo. Plus 10%

---

J U S A P E R I S

# Plena Gramatiko de Esperanto

**(Vorto kaj frazo)**

Verkis: K. Kalocsay kaj G. Waringhien

Favorprezoj por landoj neorvalutaj!

Granda rabato por AELA-anoj!

Grandformata verko sur 370 dense presitaj paĝoj kun plej detala gramatiko de Esperanto.

ĈEFAJ ĈAPITROJ:

| | |
|---|---|
| Fonetiko | 12 paĝoj |
| Vortfarado | 122 paĝoj |
| Morfologio kaj Sintetio | 68 paĝoj |
| Vortsintakso | 20 paĝoj |
| Frazsintakso | 57 paĝoj |
| Vortordo | 5 paĝoj |
| Interpunkcio | 7 paĝoj |
| Indekso | 18 paĝoj |

prezentas al vi ian bildon pri la detaleco de la unua scienca gramatiko de Esperanto.

La detalega indekso tre faciligas la trovon de la respondoj je ĉiuj gramatikaj demandoj kaj duboj. Tiuj respondoj estas riĉe ilustrataj plejparte per Zamenhofaj ekzemploj. La impona verko kostas bindita svfr. 9.50, broŝurita svfr. 8.— plus 10% por sendkostoj. Kelkaj ekzempleroj presitaj sur luksa papero kaj binditaj en imitita ledo kostas svfr. 10.50 plus senkostoj 10%.

Ĉi tiu verko estas la unua el la tri verkoj de la lingvoserio de AELA 1935. Novaj membroj por ĉiuj tri verkoj (kun entute 1200 norm-paĝoj) pagas kotizon de nur 10.— svisaj frankoj broŝurite kaj afrankite.

Eldonas Literatura Mondo, Bpest, Hungarujo, IX. Mester u. 53

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.

# LA MIGRANTA KONGRESO

**Intervjuo kun Julio Baghy**

En la aŭtuna sunradiaro dancas oraj polveroj. La vento kirlas ilin. Konfuzo. La vento tiras nigran nubon antaŭ la sunon. Malhelo. Griza, pli ol griza, nigra aŭtuno dum kelkaj minutoj. La vento ekbruas kaj forordonas la nubon. La suno reekbrilas. En la aŭtuna sunradiaro dancas oraj polveroj. Ili kredas, ke estas printempo. Printempo en aŭtuno. Mi iras. Printempo en aŭtuno. Julio Baghy! Ho, Julio!... Aŭgusto! Kongreso en Italujo. Nun estas preskaŭ oktobro. Kaj printempo en la aŭtuno. Mi iras al Julio Baghy por intervjui lin pri la aŭgusta kongreso en Italujo.

Mi alvenas, salutas, sidiĝas, demandas. Kaj Julio Baghy respondas. Li parolas milde. Julio Baghy hodiaŭ estas milda, iomete amara. Jen la intervjuo.

*Kiajn impresojn vi havas pri la 26-a Universala Kongreso?*

Kara kolego, la nunjara kongreso tiom diferencis de la antaŭaj, ke la plej objektiva opinio povus ŝajni akuzo. En mia respondo mi dezirus eviti eĉ la riproĉŝajnon. Riproĉi estus tre maljuste al la heroe plenumita laboro de tiuj italaj gesamideanoj, kiuj faris ĉion eblan laŭ sugestoj de UEA por brile sukcesigi eksperimenton, destintan doni novajn *praktikajn* celdifinojn kaj novan formon al niaj estontaj kongresoj. La eksperimento ne sukcesis, sed la akirita sperto kompensas nin por la fiasko.

*Pri kia sperto vi aludas?*

Al movado, kies celdifinoj koncernas spiritan pliproksimiĝon, demonstracion de interpopola lingva kompreno, interkonatiĝon de diversaj kulturoj, vojserĉon al harmonia kunlaboro intergenta, oni donis »*turisman karakteron*«. Turismo estas ja bela sporto kaj ĝi povas esti adaptata, sed ne kiel »kerno« de lingva movado. Unue oni kongresu kaj poste laŭ plaĉo oni rondvojaĝu! Oni donu al la esperantistoj esperantismon kaj al la turistoj turismon, sed ne al kongresemaj esperantistoj nur turismon kaj al neesperantistaj turistoj ion malklaran pri esperantismo.

*Kiu kulpas laŭ via opinio?*

Persone neniu. La malfavoraj cirkonstancoj, la financa krizo de UEA, la streĉa politika atmosfero, precipe en Eŭropo, preskaŭ devigis la gvidantojn serĉi novajn vojojn kaj tiamaniere la oportunismo, komerca praktikismo iom post iom okupis la lokon de tiuj principoj, kiuj donis etikan bazon al la movado. Pro oportunismo kaj komerca praktikismo oni forgesas, ke Esperanto estas lingvo kaj ĝia movado estas ĉefe kulturmovado. Esperanto, kiel lingvo, povas servi por ia ajn celo, sed ĝia oficiala kaj neŭtrala movado devas havi firmajn principojn: »Per Esperanto por la Kulturo kaj per la Kulturo por la tuta Homaro«. La unuaj kongresoj fidele respegulis tiujn ĉi gvidprincipojn.

*Kian rolon havis la literaturo dum la lasta kongreso?*

Se vi aludas pri la prezentado de la »Kurioza okazaĵo«, verkita de *Goldoni*, mi povas esti nur danka al tiu malgranda diletanta trupo, kies membroj vere entuziasme plenumis sian taskon. Pro malfavoraj cirkonstancoj la teatra prezentado okazis en kadro modesta, sed ĝenerale la publiko estis kontenta pri ĝi. Se vi aludas pri la »Literatura Vespero« mi devas konfesi, ke ĝia efektivigo estis apenaŭ ebla pro manko de rolantoj. Estas sciate, ke la »Literatura Vespero« havas specialan celon dum la kongreso: konatigi persone la verkistojn kaj popularigi la originalan literaturon. Bedaŭrinde niaj verkistoj kaj poetoj nur malmultnombre povis viziti tiun ĉi kongreson. Estus dezirinde, ke dum la estontaj kongresoj oni dediĉu pli da atento kaj oferu pli da mono por la literaturaj programpunktoj. La sperto montras, ke tiaj aranĝoj ne sole interesas la kongresanojn, sed ankaŭ tre bone akcelas ilian lingvan progreson.

*Kia estus la ideala kongreso de Esperanto laŭ via opinio?*

Tia kongreso, kiu donus unusemajnan iluziplenan vivon en Esperantujo. Kongreso, kiu estus aranĝita ekskluzive por esperantistoj, por la solvo de internaj problemoj, por la impona demonstracio pri vivanta lingvo kultura. Kongreso kun laborprogramo, kiun preparis la regionaj aŭ landaj kongresoj. Kongreso kun oficialaj delegitoj, komisiitaj speciale okupi sin pri la laborprogramo. Kongreso, kies amuzaj kaj literaturaj aranĝoj fidele respegulas la seriozecon de la



KONGRESBILDOJ (foto: *Kutscher*): *Maldekstre:* samideanino, itala kaj nigra policistoj. *Meze supre:* Oazo Suk El Gami; esp-istoj sur kameloj. *Meze malsupre:* Romo; esp-istoj-kuracistoj vizitas la Sanatorion de Tuberkulozuloj. *Dekstre:* Colosseum; Lidja, Ludoviko, Wanda, Adam Zamenhofoj.

# Fantazia Rakonto pri la Roma Kongreso

1) Dimanĉe do, la duan de Aŭgusto
mil naŭcent tridek kvin, Milano
vidis min, je la tria posttagmeze,
descendi de aeroplano.

2) Mi tuj vizitis tiun metropolon:
kuriozaĵoj estas tri,
same kolosaj; jen: du stacidomoj
kaj unu ambulatori'.

3) Per la unua stacidom' vojaĝas
oni al tuta mondo; per
la dua nur du lokoj alireblas:
aŭ Paradizo, aŭ Infer'.

4) (Aŭgur' enigma!) Unu stacidomon
subtila, flamgotika stil'
distingas; dua elokvente montras
la malbelecon de l' util'.

5) Dum mi flankumis en la internaĵo
de tiu ŝtona Levjatan',
mi trafis sur paradon da migrantoj:
estis la franca karavan'.

6) Ili posedis sian propran trajnon;
ĉar mi el tiu *happy few*
ne estis, mi forlasis ilin; tamen
ne sen Petit-a intervju':

7) »*Ĉio' marŝas' bone'*, deklaris tiu;
*ĉu vi enskribiĝis' kiel'
krozant'? Pleniĝas jam la ŝip', kaj restas
nur ses hamakoj en la kel'*,

8) *po naŭcent frankoj!*« Mi rifuĝis haste
en la »rapidissimon«, kaj
post kvar horetoj da malrapideco
mi min retrovas sur la kaj'

9) de la Firenza stacidom'. Mi kuras
al hoteleto; tie ĵus
tri dekoj da finninoj, laponinoj,
descendis el la aŭtobus',

10) kiu rektvoje el polusa cirklo
ĝis Italuj' por milda prez', en
dudekkvar tagoj alkondukis ilin,
sub la gvidad' de Hilda Dresen.

11) Tre certe mi eraras pri la nomo;
mi kredas, temis ja pri Helmi —
sed tiel loga estis tiu rimo,
ke cedis tuj al ĝia hel' mi.

12) Vere konfuzo estas tro facila.
Ho, Hilda, Helmi, Heldi, Hilma!
Pardonu, se mi miksas viajn nomojn,
kvazaŭ en bildkonfuzo filma!

13) Ni kune do tagmanĝis, kaj senhalte
kuris al Via delle Terme,
kie el Somer-Universitatoj
la dek-unua kuŝis ferme.

14) Ni tuj malfermas ĝin, kaj ekprelegas
Julio Baghy pri l' Infero.
Brila sukceso: ĉio akordiĝis;
fajreca estis l' atmosfero,

15) Baghy grimacis, kiel bruldamnito,
kaj post li sidis tri figuroj
pintbarbaj, karb-okulaj, akradentaj,
kun nigra fel', kun krustaj kruroj.

16) *Revekas timon eĉ memoro nura...*
Ho, kiel freŝa, senkompara,
l' akvomelono, kiun mi elsuĉis
en la bazaro tuj najbara!

---

movado. Mi estas konvinkita, ke tia kongreso vekus respekton en la neesperantista publiko kaj instigus al pli vigla laboro la esperantistojn mem.

Ne pensu, kara kolego, ke tio ĉi estas neatingebla revo. Oni reorganizis la administracion. Nun oni devus revizii la labormetodon. Pro oportunismo oni ne forpelu la Zamenhofan spiriton, kiu estas ja nek kontraŭreligia, nek kontraŭnacia. Oni starigu harmonian proporcion inter ideismo kaj praktikismo! Oni zorgu pri edukado de bonaj instruistoj, dediĉu pli da atento al la literaturoj originala kaj tradukita. La centro de la neŭtrala movado ne nur petu ĉiujare proponojn, sed ankaŭ priaŭskultu ilin. La komitato de UEA aranĝu enketojn pri gravaj problemoj en sia presorgano. La direktoro, kies administracian talenton mi alte taksas, devus konsideri, de kulturmovado bezonas por prosperi ne nur kontorlibrojn, diversko'orajn slipojn, sed ĉefe agantojn, kiuj instruas, edukas, propagandas, organizas, verkas, eldonas librojn kaj klopodas varbi, kunteni tiujn adeptojn kiuj subtenas per siaj laboro kaj mono la oficialan movadon. Nun regas la rigida statuto kaj ĝi ne permesas la aliĝon de multmembra societo nederlanda kaj ĝi rifuzas la milmembran kaj altnivelan Estonan Asocion Esperantistan. Mi timas, ke la rigida statuto tiamaniere faros malutilajn servojn. Mi havas la impreson, ke la vojo, nun irata de UEA, kondukos al vanaj fortostreĉoj, se ĝia komitato ĝustatempe ne serĉos kontakton al la esperantista popolo kaj se la komitatanoj ne konsideros serioze la plej gravajn kaj facile plenumeblajn dezirojn de tiuj, kiuj ne nur administras, sed ankaŭ kreas, evoluigas la movadon.

Mi volas kredi, ke la sperto dum la 26-a kongreso servos kiel vere praktika instruo. Ni esperu, ke dum la Viena kongreso ni ĉiuj havos agrablan surprizon: sendeficitan bilancon kaj vere Esperantan kultursemajnon. Nu, sed mi jam sufiĉe multe parolis. Nun, diru, kion vi opinias pri la afero?

Jen kiel mi iĝis intervjuito. Kaj jen mia respondo: Mi estas eble konservativulo, sed mi sentas kaj resopiras la atmosferon de la unuaj kongresoj, kiujn mi ne partoprenis. Mi ja legis ĉe Privat: »Benite venis jam vespero. Sur la stratoj ekmallumis... La teatro de l' urbeto jam pleniĝis... De partero al balkono zumadis Esperanto...« Kaj en miaj oreloj ĉiam resonoras la neforgeseblaj vortoj: »Tra la aero flugas misteraj fantomoj; la okuloj ilin ne vidas, sed la animo ilin sentas...« Mi resopiras tiujn fantomajn sonojn kaj se kongreso ne resonigas ilin, tiu ja ne estas por ni kongreso. Per tute mallonga frazo: Julio Baghy, vi estas prava! Notis: *F. Szilágyi.*

17) Akcept' en la Urbdomo. Praheroldoj
kamizolitaj trumpas. Pigra,
eniras ĉemizbava vic-urbestro
(lia ĉemizo estis nigra),

18) kiu direktas al ni paroladon
en la lingvo de Dannunzio;
Canuto ĝin tradukas kaj respondas —
finita jen la komedio.

19) Por fermi tiun belan kongrestagon,
Galluzzo-n aŭtobusis ni,
kie la kongresanojn oni riĉe
regalis per makaroni'.

20) Sekvintan tagon ni pasigis dorme
en speciala vagonar';
jes, speciala pro la klientaro,
sed certe ne pro l' kulinar'.

21) Knaradis radoj, kantis kamaradoj
en vere sorĉa harmoni' —
kaj por kompensi tiu penojn, oni
nin paŝtis per makaroni'.

22) Pri Rom', amikoj, mi ne multon diros:
Malfermo en la Aŭguste',
UEA,[1]) Komedio, Koloseo,
Internacia Balo, he!

23) kiom do gravis tiuj bagateloj
kompare kun la italin',
gracilaj kruroj, molkaresa karno —
kiun mi perdis en Berlin'

24) kaj jus retrovis en la Urb' Eterna!
Kvar tagoj en la Paradiz',
ĉu tro? — Ni faru strekon do sur Romon:
ŝatinda estas la konciz'.

25) Nur la prelegon de Grenkampo Salo,
pri la »Frateca Viv'«, mi volis
aŭskulti: ve! Ĝi ne okazis, tial
ke, krom la orator', mi solis.

26) Kaj nun, al Nàpoli! Mi ŝin forkisis
kun korŝira melankoli'...
La trajn-kelnero por min kuraĝigi
min ŝtopis per makaroni',

27) sed vane! Vidi Nàpoli'n, kaj morti —
morti de jusa am-disiĝ'!
Tiaj aferoj nur al mi okazas!
»*Over our grief we ought to bridge!*«

28) kiel admonis min Goldsmith, kun kiu
al Pompej-urbo mi pilgrimis
(pli bone mi komprenis liajn dirojn,
kiam li angle sin esprimis).

29) Pompejon do ni vidis: ruinaro,
plej taŭga por la fotografo.
Ĉie la kongresanoj sin elmetis
riskeme al la kamer-trafo.

30) La reĝa Konsilisto Steiner pozis
kiel Jupitro Kapitola,
kaj sur altaro via, ho Venuso!
sidaĉis — prohpudor! — Loyola[2]).

[1]) Al kompostisto mi direktas la petegon,
ke ĉi tiun komon li ne ŝanĝu en ligstrekon!

[2]) Tiu samlanda dika mia kamarado
specialiĝis sin en la akuŝigado.

(Villajoyosa, Septembro 1935.)

31) Sercul' indikis al ni kuriozaĵon,
kio nomiĝis »lupanaro«,
kaj tien tuj ĵetegas sin do nia,
avida kiel lup', anaro.

32) Sed ni revenis seniluziiĝe:
ne havis Romanar' humoron,
la ĉarmojn ili taksis laŭ la pezo,
kaj laŭ la ulno la amoron

33) (komprenu, kiu spritan menson havas!).
Poste ni grimpis al Vesuvo,
kun seka lango kaj malseka lumbo,
ĝis la terura vasta kuvo,

34) kie la lafo gelatene bolas
kaj ofte puŝas ŝmacajn ruktojn,
dum forgeseme sur la montdeklivoj
homoj kultivas vivofruktojn.

35) De supre, la pejzaĝo estas rava,
asertis al ni la gvidulo;
ni kredis lin, pro la turista digno:
sed ĉion kovris la nebulo.

36) Nu, la morgaŭan tagon ni ŝipiris
al Capri. Capri, mirpejzaĝo!
La maraj dioj vin priloĝas, nimfoj
nudbanas sin sur via plaĝo!

37) Kaj supre, sur herber' de via monto,
oni rakontas, ke l' vesper'
vidas trapasi inter la ruinoj
la gloran ombron de Tiber'!

38) Nek nimfojn mi renkontis, nek Tiberon,
en la altpenda vilaĝet',
nur anglojn, kies komfortec' atestis
pri l' ekvilibro de l' budĝet'.

39) La mia, ve! terure deficitis,
kaj tial ne krozadis mi:
sur la revena voj', mi nur salutis
kun nedirebla nostalgi',

40) vian gracilan, fajnan silueton,
ho bela ŝipo de l' kongreso!
mi tiam ne eksciis, kiel trompas
nin ofte l' unua impreso...)

41) Kaj tiel do finiĝis la kongreso,
en simpatia atmosfer';
efektiviĝis la aŭguro; kvankam
ĝi komenciĝis per l' Infer',

42) ĝi nin kondukis ĝis la paradizo
de la Capri-a izolej,
kiun el ĉiuj famaj italaĵoj
mi amis kaj admiris plej.

43) Kaj nun, en mia hejmo, kie akvon
mi trinkas ĉe la seka pan',
mi nun revidas tiun belan kuron
tra Italuj', en akompan'

44) de tiom da ĝentilaj, plaĉaj homoj;
sed vin precipe, ho mevin'!
revidas mi en via bela robo...
ĉu iam mi retrovos vin?

45) Kaj tiam por forpeli, la deprimon,
min savi el la atoni' —
en granda poto pie mi pretigas
pladegon da makaroni'...

*Georges E. Maŭra.*

# ARBARBIENETO

— Hendrik Adamson —

Nubulineto ne emis doni pluvon. Ŝi jetis, kvazaŭ senintence, de la fingropintoj, kelkajn gutetojn, nudigis foje siajn dentojn kaj mallaŭte ridkveradis, sed tio estis la tuto. Jam malpli proksime inter arbustaro vidiĝis ŝia buntastria jupo kaj ree fosadis en la ĉielo la suno sangoŝveliginta sian kupran sulkon.

Etulineto Loki, kiu ĝuis la plezuron remadi en la sablo nudpostaje, apenaŭ interrompis por unu momento sian okupon kaj la maljuna avo en la remizo demandis foje: »Ĉu ree la kato de supre aspergas?« — al kio respondo ne riceviĝis. Escepte de la plej maljuna kaj la plej juna, la tuta bieneto estis en Tagamaa ĉe herborikolto, ankaŭ la terpom-murdantinoj ĝis la lasta homo, ĉar oni kalkulis je la lastaj tagoj favoraj por sekig-laboroj: la veterprofeto sciis antaŭdiri, ke la longan sekegon sekvos egale longa pluvado.

La maljuna avo konstruis en la remizo perpetuum mobile. Konstruis plejparte enpense, ĉar por la efektiva laboro mankis kaj vidpovo kaj manmovo. Kvankam dum tuta sia vivo li jam multe rompadis sian kapon pri tiu ĉi malbenita problemo, tamen li ne opiniis ĝin nesolvebla. Se oni nur povus eksperimentadi, se oni nur tion povus, certe ja iamaniere . . . Malcerta ŝajnis nur la ekstera aspekto, dum la problemo de eterna movado estis nekompareble plisimpla kaj jam delonge solvita. La ekstera aspekto — kiajn fantomajn metamorfozojn oni deliris pri ĝi, kiujn oni neniam povis efektivigi, — oni bezonas nur ellabori, ion-alian pliperfektigi, ion aldoni, ion forpreni — kaj estus efektiviĝinta la delonga revo, la plej bona ideo de la tuta vivo, la ĉefverko . . . Sed kion fari, se per fermitaj okuloj oni vidas klare, sed okulmalferme oni apenaŭ divenas; kiam la mano ne konsentas esti direktata de la penso, sed agadas propravole. Kion nun? Nun nenio estas plu farebla, se oni eĉ tiam ne povis, kiam la okuloj vidpovis kaj la manoj ne tremis. Nun mankas forto eĉ kraĉi trans la barbon, kiel oni povus fari ion plian.

Tiel sidadas li en la remizo, tiel meditadas plue malantaŭen tagojn kaj ree tagojn, noktojn kaj ankoraŭ noktojn, kiuj alvenas Dio scias por kio, foriras Dio scias kien . . .

Sidadas la avo en la remizo kaj meditadas, remadas Loki en varmega sablo kaj ĝuadas, fosadas la suno la kupran sulkon kaj ardas.

La brutejo enhavas buŝojn remaĉantajn, la ŝedo hundojn dormetantajn la subtegmento hirundojn ĉirpadantajn . . . Libeloj krozadas briletante per ŝiaj graciaj korpoj kun susuro super la lageto plena je akoroj, tabanoj rondflugadas tie kaj tie ĉirkaŭ varmsangulo, senhonte malpliigante la vastecon de l' flugcirklo, vespoj en- kaj eliĝas tra truoj en la murtraboj de malnova ruiniĝinta grenejo kaj malproksime alte-altage en la ĉiebluo flugpendas preskaŭ senmove la akcipitro, tute kovrebla per la ungonigro de malgranda fingro.

Tio estas la meztaga ardego, respektata ankaŭ de Loki. Ne alie ŝi, levinte la ĉemizeton ĝis la kolo, direktiĝus al la akorlageto. Sed la lageto efektive estas nur ia mito kaj ŝprucigas tra piedfingroj kotostriojn, kiujn forlavi apenaŭ oni trovas guteton; eĉ ĉiu forruliĝas tra la fingroj, tiel ke pli praktike estas ne lavi, sed lasi sekiĝi kaj poste defroti. Atende Loki volas sidiĝi sur ŝtono, sed ties temperaturo tiom diferencas de tiu de la altuŝanta korpoparto, ke apenaŭ ne aŭdiĝas susuro kaj ne fariĝas brulodoro.

Permeso kaj libero ĉie: al koko kun ĝia familio malordigi la bedojn, al Loki remadi en sablo kaj vadi en koto, al la avo en la remizo remaĉadi la tempojn pasintajn . . . Ĉie sterniĝas blueta sekegfumeto kaj flariĝas odoro de torfobrulado; la sunrondetoj en la ombroj de la arboj apenaŭ moviĝadas.

La maljuna avo vekiĝis. Paro da nudaj piedoj klake tretadas ĉe la sojlo de l' remizo, mano palpserĉas la anson kaj faras unu-du malfortajn ektirojn. La avo hezitas, pripensadas, ĉu stariĝi aŭ ne. Jam aŭdiĝas ploraĉo: »Enlasu!«

Ekpuŝo de interne enlasas en la remizon brakplenon da somera tagmezo kaj baraktantajn en polvokovrita ĉemizeto manetojn kaj piedetojn, el kiuj la unuaj tuj malordigas la barbon de la avo, kvazaŭ turnovento traflugus sekalkampon.

Ŝajnas, kvazaŭ du paroj da butonoj reciproke traiĝus tra butontruoj. Du plumbaj butonoj tra butontruoj borderitaj per blanka fadeno renkonte al du brilantaj vitraj butonoj aĵuritaj per nigro.

»Avĉjo, avĉjo, kial vi ne eliras? En la varmega sablo estas tiel bone.«

»En la varmega sablo? Kion mi tie faru?«

»Vi sidos kaj remados. Ni estos du ŝipoj: mi malgranda kaj vi granda.«

»Vi mem estu, laŭ via plaĉo, eĉ dudek ŝipoj, sed min lasu trankvila.«

»Ne, aŭdu: vi eĉ ne bezonos remadi. Ankru kaj mi alpuŝiĝos kaj vin renversos.«

»Ne babilaĉu! Tre mi bezonas, ke vi min renversu.«

»Sed aŭdu! Mi eĉ ne renversos. Estu roko kaj mi sur vi frakasiĝos.«

»Ĉu vi freneziĝis, bubino, aŭ kio estas al vi hodiaŭ? Mi estu ŝipo, mi ankru, mi estu roko . . . Kiajn stultaĵojn vi parolaĉas!«

»Alimaniere mi ne povos ludi.«

»Ne povos, ne povos. Ĉu kromaj ludoj plu ne ekzistas!«

»Sed estas neeldireble bonege remadi en la sablo.«

»Nu, do remadu, diablo vin prenu!«

»Malbona avaĉo, blinda avaĉo, diabla avaĉo, laktoŝmirita ventro, kaĉokovrita vango, kotmalpura fingro...«

La etulino dancadas post la sojlo de la remizo

la militodancon de indianoj. Kiam la avo prenas la bastonon kaj volas ŝin puni, la etulino transsaltas la barilon kaj daŭrigas de respektvidiga distanco sian titoladon al la avo, kiu siavice tre sovaĝiĝas kaj ne estas pli elektema en respondado.

Tie — haltu, ĉu ne estis io simila al ŝtono, kio frapis al la muro de la remizo? La maljuna avo retiras sin en la remizon, fermas la pordon kaj tremante pro kolero falsidiĝas sur ligna benko. Post la pordo ree komenciĝas: »Blinda avaĉo, malbona avaĉo . . .« La kapo de la avo kovadas di ersajn terurajn venĝoplanojn. Lia kontraŭulo jam estas laŭ ĉiuj al li konataj manieroj bruligita, senhaŭtigita, fritita, kuirita, disŝirita, dissegita kaj multaj aliaj kruelaĵoj estas al ŝi faritaj, kiam ekstere subite ekregas silento. »Ŝi foriris,« ĝemetas la avo kaj denove sin donas al sia sencela, senplana meditado. Li ne atentas la suspektigan susuradon super la kapo kaj pensadas, kvazaŭ li verŝadus el malplena kuvo en senenhavan.

De supre oni aspergaŝ: gutadas al la kapo varma fluidaĵo. Dankon pro varma pluveto! Akvumon al kampeto, tiam la kampo donas paneton . . .

Sed la pluvo estas suspektiga, eĉ pli ol suspektiga. Tion trovas ankaŭ la avo, pene levas sin de sia sidloko kaj eliras. Vere: tie kaŭras sur tegmento de la remizo la pluvsorĉistino, la knabino de diablo kaj lasas fluadi. Se oni batalas, oni ne elektemu pri rimedoj.

»Hej, atendu! Nun mi vin kaptis!«

»Ĉi tie vi min ne atingos.«

»De tie vi ne forkuros de mi!«

»Ha, ĉu vere ne? Ne, vi diras? Ne? Jen.«

Hopla! ŝi malsuprenflugas, renversas la avon kaj malaperas sub susurado de arbustoj en la direkto de la paŝtejo. Ĝemadante la avo sidiĝas: »Ŝi la diablon enhavas. Fi, fi, fi, lupa manĝaĵo! Fi, monstro, fi!« Kaj ĝemegante kaj spiregante malaperas la avo en la remizo. Baldaŭ la sismografo de muŝoj dormetantaj sur la muroj de remizo montras ne malfortan tertremadon.

La avo dormas.

*

La luno ridetis kun iom stulta mieno tra la foliaro, kvazaŭ bubaĉo, kiu per dento senŝeligadas la alnojn. La ĉielo estis volvita en grizan pakpaperon, tra kiu la bubaĉo ŝirpuŝis sian larĝorelan simivizaĝon. Sur tiu ĉi fiaĉa paliĝinta fono oni povis rekoni nur la konturojn de supropintoj de la malhela arbaro. Franĝoranda ĉifonsimila nebulo ŝvebis super la plej sekretaj kaveloj de nudigitaj herbejoj.

De la ĵusfaritaj fojnostakoj eliĝis malgaja velkodoro. Sur la montetoj apudarbaraj briletis gajaj fajroj. Ĉe la fajroj, en la aero koagliĝinta pro silento, pendis parolbruoj, kantopecoj, ridĉifonoj, krietgutetoj. Originalaj interseksaj interrilatoj disvolviĝas tie ĉi en la sino de la naturo.

La homoj de Arbarbieneto revenis de herborikolto.

La maljuna avo kaj Loki intertempe jam delonge repaciĝis, eĉ antaŭ ol la paŝtistino povis reveni el Proksimherbejo, por forpeli la tagmezan dormon de la brutaro. Proksimherbejo estis herbejeto proksima al la domo, kiun ordinare devis prizorgadi iu el tiuj, kiuj ne havis tempon iri al Malproksimherbejo. — Super la lasta ĉirkaŭflugis antaŭe la akcipitro, havante iajn interrilatojn kun la koko skrapadanta inter la bedoj, sekve de kio la lasta perdis la kantemon por sufiĉe longa tempo. Kvankam la domanoj ne estis rekte respondecaj pro tia konduto de la koko, tamen ili instinkte sentis, ke estos tre malfacile por ili en la estiĝinta situacio resti tute eksterpartiaj kaj elektis en plena interkonsento la plej superan taktikon de filozofoj — la silentadon. Ĉar eksterordinare mortinta koko tute ne estas bagatelo, pri kiu oni povus pensi indiferente, se oni devos pri ĝi respondeci.

Herborikoltantoj alproksimiĝas »ansermarŝe« laŭlonge de la vojo. Precipan atenton meritas el ili du: junservisto kaj Tibu-Tips, kiel homoj de la nova tempo. La junservisto havas spiritkonstruon de filozofoj kaj estas tre kulturema. Li sola uzas la »solec-kabineton«, starigitan kaŭze de la postuloj de sanitarkomisio, kie li havas eblon studadi el deŝiritaj kalendarfolioj iom da scienco, sekve de kio li post la avo



Prof. Carl Milles, la fama sveda skulptisto.

estas la dua aŭtoritato en la bieneto en demandoj sciencaj.

Tibu-Tips estas la pasintjara paŝtistino, nunjara servistino. Ŝia plej ĉefa vivotasko ŝajnas esti: *konfidinde distingi sin de »infanaĉoj«*. Ĉagrena estas nur la cirkonstanco, ke neniu ŝin subtenas: la pli junaj ne agnoskas ŝian aŭtoritaton, la pli maljunaj ŝin ne protektas. Eĉ la junservisto, kiu estas, Dio scias, kiom pli maljuna, bonvolas kelkafoje elekti ŝin por celtabulo de siaj mokosagoj.

Cetera domanaro: mastro, mastrino, kaj aliaj, nu, — detaloj pri ili doniĝos poste dum la antaŭenpaŝo de la historio.

La labortaga vivo de la homoj en Arbarbieneto konsistas ĉefe el triobla »u«: laboru, manĝu, dormu. Ripozo estas lukso, oni havas malmulte da ripozo, malmulte da pensado, malmulte da parolado. Kaj por kio? Nur por klaĉadi, kverelaĉi, al kiu tio povus utili! Eĉ se la malbona vetero devigas la homojn sub komuna tegmento al senlaboro, el tio estiĝas nenio krom tedo, kaj en la plej proksima favora okazo oni kuregas trans la sojlon eksteren kaj kun ekscitego atakas la laboron.

Post la laboro »*manĝu*« estas la leĝo de Arbarbieneto. Somere oni ne ekbruligas lampon, ĉiu sen ĝi facile trovas sian buŝon. Oni hodiaŭ ne kuiris kaj tial oni manĝas malvarman kun malvarma temperamento. Kun modera brueto oni enbuŝigas la »kama-na nur proksime al fino, kiam la kulerplenoj malpligrandiĝis, la manĝado plivigliĝas, pliverviĝas, la buŝentiroj fariĝas mallongigitaj, sed oftaj. Mi kredas, ke ne malfacile estus notadi ilin por muziknotoj. Tiam klaketas la kuleroj: unu, alia, tria... La manĝado finiĝis, dankon. Kiu havas pipon, ekfumas; kiu ĝin ne havas, boras per la fingro inter la dentoj kaj ordigas la piedojn por ekstaro. Oni eĉ stariĝas kaj parenoiĝas kunpuŝiĝinte en mallumo per kapoj, sed neniu kuraĝas ekiri serĉi sian kuŝlokon, ĉar ne estas eldirita la vorto liberiga. Ĝi apartenas al la mastro.

Tiu ĵetas kvazaŭ hazarde: »Anna, ĉu la kokinoj estas ĉiuj sur la stango?« al kio la mastrino: »Verŝajne ĉiuj, en mallumo mi ne sufiĉe bone vidis.«

Du paroj da oreloj estas pintitaj, du ekspiroj aŭdiĝas: estas garantiita la trankvilo por hodiaŭ, kio ajn fariĝu morgaŭ.

»Iru do dormi, morgaŭ denove labortago, tiam...«

Oni komprenas sen ĝisdiro, kaj kiu scias, eble la dirinto eĉ ne scipovas laŭregule fini, tiel oni estas kutimiĝinta al parolado, per duonfrazoj.

Alvenas la nokto.

La maljuna avo kviete eniras sian remizon. Ne ŝatas li la proverbon: kune oportune, ope pli noble; al li plaĉas tie ĉi kaj tio sufiĉas. Tie ĉi estas bone estadi, kuŝadi, meditadi. La nokta silento obtuze sonas en la oreloj, ekstere triladas cikadoj, interne ĉirpadas ilia hejma duonfrato, — ĉio ĉi kune estigas tian hejmecon, ke io simila estas neimagebla.

## Deziro

— Leo Belmont —

Kaj kiam tombon iros mi,
Sur mia tomb' ne metu florojn,
Ĉar superflue en la polv
Tombeja putrus ili horojn

Kiu venenon multan trinkis,
Renkontis froston dum viv-flu',
Tiun post morto ne doloros,
Ke lin akceptas nuda tru'.

Vivantoj, kiuj servas al vi
Fidele, kiujn tie ĉi
Konstante per venen' vi nutras,
Havu la florojn — kaj ne mi...

Al tiuj, kiuj ĉesis vivi,
Jam ne necesas de vi flor',
Sciantaj taksi nur mortintojn
Per amo kaj estim' kaj plor'!

El la pola: *Halina Weinstein.*

---

La maljuna avo plezuras sur la kuŝejo el freŝa mola fojno kaj meditadas, kiel plaĉa estas la soleco, senĝeneco kaj la plezuro aŭskulti la triladon de someraj griloj, kiam en la muro, kontraŭ kiu li kuŝas vizaĝe, fariĝas aperturo, tra kiu englitas blanka figuro. La kuŝanto konsterniĝas. — Ĉu spirito? — Ĉu la Morto? Ankoraŭ lumetas la blanka ĉemizo de la fantomo en la ĉemura krepusko, sed la vidaĵo ne eligas eĉ la plej mallaŭtan sonon.

»Kiu vi estas? Kion vi volas?« ekkrias la avo, kvazaŭ liberiĝinte de la inkubo, dum tremoj skuas lian tutan korpon.

»Ili ne lasas min dormi.«

Do ne Morto ĝi estis. Ĝi estis Tibu-Tips, tiu juna maljunulino en Arbarbieneto.

»Ili ne lasas min dormi; ili min ĝenas.«

»Kiu?«

Kiu?! Ŝi mem ne scias. Iu eniras, kuŝiĝas ĉeflanke kaj tuj per la mano al la orlano, ĉu sufiĉas tempo demandi, kiu.

»Eble iu el la knabinoj.«

»Nu!«

Signifoplena, multedira *nu*, indigna, kontestema *nu*, kategoria kaj nekontraŭdirebla.

»Kaj kion nun?«

»Prenu min al vi! Ĉi tien ili ja . . .«

»Kuŝiĝu apud mi! Ja ĉi tien ili ne . . .«

La maljuna avo prikonsideras: kion nun . . . Lasi ŝin tie dormi dum la nokto. Sed la gastino eĉ ne pensas pri dormo. Ŝi estas maldormema, suspektige maldormema.

— Ŝi ja ne estas plu infano, kiel ili opinias. Ŝi komprenas jam ion-alian. Scias de kie kio riceviĝas. Kio al ili? ili penas nur ricevi sian plezuron kaj poste forkuros.

# Boazo dormanta

— Victor Hugo —

El la franca: *K. Kalocsay.*

Boazo sin kuŝigis, lacega de la penoj.
En la draŝej' tuttage li laborante staris,
Poste, en lok' kutima li liton por si faris;
Nun dormis ĉe l' buŝeloj, plenplenaj jam de grenoj.

Ĉi homo havis kampojn de greno kaj hordeo;
Kvankam li estis riĉa, li estis just-anima;
En lia muelilo l' akvo ne estis ŝlima,
Ne havis li inferon en fajro de l' forĝejo.

Al riveret' aprila l' arĝenta barb' similis.
Avaro aŭ malamo sur lia garb' ne stampis,
Kaj kiam spikumanta malriĉulin' trakampis,
»Lasu faladi spikojn intence« — li konsilis.

For de malrektaj vojoj ĉi homo marŝis, pure,
Vestita per sincera honesto, linoj blankaj.
Gren-sakoj liaj ĉiam, por homoj ĉio-mankaj,
Kvazaŭ publikaj fontoj, fluadis senmezure.

Boaz' estis parenco fidela, mastro bona.
Li estis malavara, sed ankaŭ ŝparon gardis.
Prefere ol junulon virinoj lin rigardis,
Ĉar juno estas bela, sed la maljun', impona!

Al fonto origina revenas maljunulo:
Li iras de l' ŝanĝemaj al la eternaj tagoj;
En la okuloj junaj vidiĝas flamaj sagoj,
Sed lumon oni vidas en maljunul-okulo.

*

Boaz', inter la siaj, dormadis do, senmova,
Ĉe stakoj de garbaro, kiuj similis rubojn.
En kuŝ' la rikoltistoj faris malhelajn grupojn.
Kaj tio ĉi okazis en tempo tre malnova.

Juĝist' en Izraelo estis la ĉef' popola;
La ter' sur kiu vagis la homoj, tendloĝantoj,
Timante la vidatajn plandspurojn de gigantoj,
Ankoraŭ de l' diluvo estis humide mola.

*

Kiel Jakob' dormadis kaj dormadis Judita,
Boazo okulferme sur foliaĵo kuŝis.
Kaj jen, la ĉiel-pordoj super li sin dispuŝis
Kaj super lia kapo descendis sonĝ' subita.

Jen lia sonĝ': li vidis, ke al li de l' ingveno
Elkreskas ĝisĉiele kverk-arbo, kiu portas
Homrason, ascendantan kiel longega ĉeno;
Kaj sube kantas reĝo kaj supre dio mortas.

Boazo al si flustris per sia voĉ' anima:
»Ho, kiel mi ja povus generi tian aron?
Ja, mi jam superpasis mian okdekan jaron,
Kaj filon mi ne havas; l' edzin', jam malproksima.

Ŝi, kun kiu mi dormis, Lo Di-Sinjoro Forta,
Delonge mian liton forlasis por la via,
Tute miksitaj estas ni unu al alia:
Ŝi estas duonviva, mi estas duonmorta.

Kiel generi genton? Neebla la espero,
Ke al mi povu idoj elĝermi de l' ingvenoj!
Por la junulo estas triumfaj la matenoj,
De l' nokt' la tag' eliras kiel de venk-konkero;

Aĝulo — tremas kiel betul' en vintra blovo.
Mi estas vidva, sola, min kovras nokta ombro.
Ho Dio, mi jam klinas l' animon al la tombo,
Kiel al akvo frunton la soifanta bovo.«

Tiel Boaz' parolis en sonĝo kaj ekstazo,
L' okulojn sonĝnebulajn turnis al Di' ne-krede;
La cedro ne eksentas rozon ĉe sia bazo,
Li same ne eksentis virinon ĉe-piede.

*

Ĉar dum li tie sonĝis, jen Ruth, moabidino,
Apud piedoj liaj, nudbrusta, sin etendis,
Kaj ian nekonatan radion ŝi atendis,
Se de l' vekiĝo venos subita ilumino.

Ne sciis li, ke tie ŝi kuŝas sen vualo,
Kaj Ruth nenion sciis pri voloj la ĉielaj,
Parfumo freŝa flugis el tufoj asfodelaj,
La flustroj de la nokto ekflirtis sur Galgalo.

La ombro estis nupta, solena, alte rava,
Sen dub' anĝeloj flugis sekrete tra la vento,
Ĉar oni vidis pasi tra l' nokto, por momento,
Ion bluantan, kiu aspektis flugil-hava.

Spirado de Boazo zumetis, sin miksinte
Al surda bru' surmuska de l' rivereta kuro;
Estis monato, kiam ekmildas la naturo,
Kaj la montetoj havas liliojn jam surpinte.

Ŝi revis kaj li dormis; kaj nigris la gazonoj,
Mallaŭte vibro-sonis sonorileto grega,
De l' firmamento falis ia bonec' grandega.
Trankvila hor': nun iras por trinki la leonoj.

Kuŝis en Jeridameth, en Ur ĉio en mut'.
La astroj flamis sur la profunda firmamento,
Lun-arko fajna, klara brilis en okcidento
Inter ĉi nokto-floroj; kaj sin demandis Ruth,

Sen mov', duonrigarde el sub kovril' mantela:
»Kia Di-rikoltanto de la somer' eterna
Faligis dum foriro, neglekte man-malferma,
Tiun falĉilon oran al tiu kampo stela?«

---

La maljuna avo konsentas: »Vere, ili forkuros.«
— Tiam iru serĉi ilin, tramigru ĉiujn juĝejojn. Sentu honton kaj suferadu sola, ĉu tion oni bezonas.

»Certe oni ne bezonas.«

»Kaj oni mokaĉas krom ĉio: »Bubaĉo, kie la patro?« — »La patro en arbaro kun vosto en posto.«

»Ja tiel ili diros.«

»Gis nun oni nur ŝercas, sed kiam la afero fariĝas serioza, ĉiuj vin evitas. Gis tiam oni aranĝas duopan dormadon kaj oni igas meti la manon ĉirkaŭ la kolon, sed kiam la afero . . . tiaspeca, tiam neniu vidis eĉ per okulanguleto, aŭdis eĉ per orelpinteto«

»Vere, tute vere.«

»Kaj se la homo pro sufero kaj honto malsaĝ-

iĝos; kiam li nun . . .«

»Nu jes, ja jes.«

». . . tiam aperos la leĝo kaj juĝo, tiam . . .«

»Karule!o, kiel do alie.«

La maljuna avo estas tiom malsaĝa, ke ne komprenas, kion la konversacio celadas. Li oscedadas, li volus dormi, por li ĉio ĉi estas ne pli ol nenidira eĥo el la malproksima estinteco, malproksima revaĵo de delonge-forgesita junaĝo . . .

Alvenis la sabloviro kaj batis la avon per sako al la kapo. Al la flustrado, kiu fariĝis ĉiam pli ekscitita kaj ardega, ne riceviĝis aproboj. Ĝi finiĝis per profunda ekspiro kaj en la malvastan ejon eniĝis silento, en kiu aŭdiĝis nur la brueto de duobla spirado.

*

Mateniĝis, kvazaŭ oni estus miksinta pogute freŝan lakton al akvo. Tra ĉiu fendo brilis serenaj strioj, puraj, travideblaj.

Iu tre ekzaltiĝinta matenkantisto fortimigis la dormon de la avo. La tago estiĝis malrapide, kvazaŭ malfermiĝus giganta palpebro herbokresk-malrapide, burĝonkrev-rapide; palpebro, de sub kio ĉio vivanta, kvazaŭ ununura okulo, rigardas la kosmon. La avo ektuŝis palpadante per la mano ion molan, kio ekmoviĝetis, kaj nun komencis jam lia okulo pli bone vidi, lia penso pli vigle labori. Apud li kuŝis disjetinte la manojn — piedojn peco da freŝ-delikata karno, kiun trakuretis mateniĝ-timetaj tremetoj de tempo al tempo, dum ekblovo de matenventeto. Dismetinte la hararon kvazaŭ noktonigran radiaron, ŝi ripozis buŝmalferme kun brila dentaro kaj ruĝvanga, kvazaŭ ŝi volus duoniĝi de la brusto ĝis malsupro kaj kapti ion grandan en sian sinon.

La maljunulo, peco da teriĝinta karno malgaje ridetis: nenio tie ĉi ekzistis por li, lia tempo forpasis.

Sed tiam li eksentis malfortiĝan maltrankvilon, kiu ekregis lian tutan korpon. De kie ĝi devenis, li mem ne komprenis. Almenaŭ en la memoro nenio simila konserviĝis. Tio estis io tute nova kaj samtempe terura. Ĉu liaj eluzitaj spirorganoj ne eltenis plu la freŝan matenaeron aŭ efikis tia vido de nuda korpo lin tamen treege?

Sed supozi la lastan en lia aĝo estis pli ol ridinde. Mankis ekzemploj, kiom ajn li ĉirkaŭpalpadis en sia memoro. Almenaŭ en la vivo preterpasinta liajn okulojn. En la biblio, alia afero. Tie estis la centjara Abrahamo, kiu en la maljunaĝo generis Isakon, tie la reĝa maljunulo, al kiu oni donis la sunamaninon Abisag por flankvarmigantino. Ha, ha, ha! Kaj la muelisto de Hilpla, kiu griziĝis tutkorpe kiel virkapro sendenta, sed malgraŭ tio sendadis ĉiujare servistinojn en la urbon al la akuŝistino — kion ĝi do signifus? — Iru for, satano, fi, fi, fi! . . .

»Ehej, homoj enmondaj, venu, rigardu la mirindaĵon! La avo kaj Tibu-Tips dormas ĝuste tiel, kiel decas nur al du veraj gemaljunuloj: unu laŭlonge, alia laŭlarĝe, ĉe unu flirtadas veloj, ĉe la alia . . .!«

Estis la maljunservisto, kiu ŝovis sian nazon tra la pordo en la remizon kaj tuj ekkriaĉis. La dormantoj desaltis de la kuŝejo kaj nenion povis kontraŭdiri. Kulpulo ĉiam trovas por si ekskuzon, dum senkulpulo plejofte estas mallerta por refuti la impertinentaĵon.

La avo kaj Tibu-Tips havis la mienon de pekuloj-mizeruloj kaj la maljunservisto ne estis el tiuj, kiuj emas konfesi pri sia mensogo. La situacio proponis sufiĉe da materialo por konversacio en proksimaj tagoj, kaj ĝi ne povis resti ne uzata. Liberigu ja ĉiu sin mem el sia embarasangulo, se li povas, li por tio ne donas sian helpon. Se ili sukcesos akuzi lin pri mensogo, kio grava de tio? se ne, lia muelejo havas por muelado pli ol necese.

Nu, la muelejo laboris kaj mueladis sakon post sako. Ja, li jam antaŭe rimarkis ion, atentis tion-alian, sed ne volis sen pruveblo eldiri, atendis la momenton, kiam ĉiu, vidante la aferon propraokule, mem povas konkludi. Neniu do kredus al li, se la propra okulo ne estus prijuĝanto.

»Alportu al la mizeruloj akvon: certe ili soifegas post ŝerco tiaspeca; unu malforta pro juneco, alia senpova pro maljuneco — kiu scias, eble ili eĉ surpiediĝi plu ne povos.«

*

La maljunservisto havis ankaŭ aliajn pli gravajn kaŭzojn kriaĉi pri la afero. Li mem provis amindumi Tibu-Tips — vane. Sendis al ŝi, pro boteleto da brando, junulon el la vilaĝo — same vane. Ankaŭ la avo estis por la maljunservisto kvazaŭ rubero en la okulo. Se troviĝis kelkafoje favora okazo alproprigi ion el la havaĵo de la mastro, ĉiam malhelpis la avo kaj la maljunservisto povis nenion krom turni la aferon je ŝerco.

Tiamaniere la maljunservisto celis sep muŝojn per unu bato kaj mobilizis sian tutan elokventecon por persvadi la aŭskultantaron.

Estiĝis partioj, kiel ĉiam en tiaspecaj aferoj. Oni pridemandis la unu, kiel ankaŭ la alian flankon, oni konsideradis, diskutis, disputis, pridecidis la aferon, oni ŝanĝis la opinion, oni reprenis la decidon kaj estis fine en tia konfuzo, ke oni entute nenion komprenis kaj mangestinte foriris.

Sed eĉ la kulpigitoj ne estis plu tiel certaj pri sia senkulpeco kiel komence! La maljunservisto esplordemandis ilin aparte kaj asertis al la avo, ke ekzistas okazoj, kiam tiurilate »la homo mem nenion plu memoras«, kaj al Tibu-Tips, ke »unuafoje ĉiam tiel okazas«.

Finiĝis per tio, ke la maljunservisto povis ridaĉi al si malice en la barbon: li persvadis ja ambaŭ partoprenantojn ĝis tri kvaronoj pri ilia kulpo.

Al la avo kaj Tibu-Tips venis tagoj malfacilaj. Malfacilaj interne, kiel ankaŭ ekstere. Interne boradis la kapojn senĉesa penso: kio fariĝos tiam, kiam . . .

Kaj ilia malamiko, kiun ili faris por si plej proksima konfidato, estis inĝenia en la trovo de malbonaŭguraj simptomoj.

Kelkafoje, kiam la fripono kun sia mensogado tre malproksimiĝis de la vero, lia reto preskaŭ disŝiriĝis, sed baldaŭ alfiksis la mensoganto kelkajn pli tenacajn fadenojn kaj kun plezuro ĝuis la baraktadon de siaj viktimoj.

La pensoj de la maljuna avo komencis iradi laŭ tute pli malsimpla maniero ol ĝis nun. Estis forgesita la problemo de eterna movado; ĝin anstataŭis malklaraj deliradoj pri renaskiĝo je nova homo. Oni iam antaŭdiris al li longajn vivojarojn, ĉu ili ne povos atingi la longon de du homvivoj? Ĉu ne okazis tiel jam en tempoj pasintaj. La penso plaĉis, la penso konvinkis, la penso alfiksiĝis, la penso fariĝis dogmo, antaŭ kiu paliĝis ĉio alia.

La Arbarbieneton li fordonis al la filo, sed nun, kiam okaze de sia renaskiĝo li volis instali duafoje la hejmon, necesis fari paŝojn, por ricevi la rajtojn al la bienetposedo. Tio estis des pli necese, ju pli lia ĉiama hejmkunulino Loki en la lastaj tempoj fariĝis impertinenta kaj parolaĉis pri aferoj, kiuj timekscitis la avon ĝis harstariĝo.

»Aŭdu, avo, kiam vizitos al Tibu-Tips cikonio,« ŝi demandis foje en tono de matura homo kaj supozinte ĉe la avo malbonajn intencojn, ŝi tuj aldonis paceme: »Mi ja ne... Paŝtistino Kila diris, ke mi demandu. Ŝia patrino jam havas.«

»Kion ŝi havas? Kion ŝi havas? Diru al mi... diru!«

»Jes, ŝi havas... pupeton. Mia patrino ankaŭ promesis ŝin viziti,« aldonis Loki de sekura distanco, observante vigle ĉiun movon de la avo. Tiam ŝi ekinsultis: »Virbovaĉo, virbovaĉo!« kaj malaperis sub susurado de arbustoj.

Sed la avo eĉ ne intencis ŝin persekuti. Li skuis nur la kapon kaj movis kelkfoje la buŝon, kvazaŭ li estus glutinta malbongustan medikamenton.

Poste li longe meditis.

*

Tra la arbaro sorbiĝis somernokta varma aertiro kun diversspecaj aromoj, kiam la avo remadis hejmen el sia malproksima vizito. Apogante sin al du bastonoj — tiel estis pli sekure — — li moviĝis kaj, rigardante de malproksime, apenaŭ oni povus decidi, ĉu ia nova monumento estas starigita en la arbaro aŭ mortemulo migras laŭ sia vojo, aspirante la rekordon de malrapidiro. Tamen, tiu homo-limako ne estis simpla mortemulo, sed nubego de fulmotondro, kiu malleviĝis al Arbarbieneto plena de minaca tempesto.

La patriarko de Arbarbieneto volis denove surtroniĝi kaj estis faranta tiucele siajn unuajn vizitojn. Komence al la bofilo, loĝanta trans la arbaro, poste kune kun li en la urbon, kie li donis al la bofilo rajtojn gvidi la juĝaferon ĝis la gajnoplena fino. Tion konsilis la bofilo, kaj li ja konis la aferon: li estis ja granda procesemulo, kiu procesis eĉ kun gesinjoroj kaj gajnis, kion signifus por li ia Toomas el Arbarbieneto, kiu malgajnis eĉ kun geservistoj pri salajro kaj devis, krom la salajro, pagi ankaŭ la juĝokostojn.

La avo estis tute kontenta kaj ne timis pri la rezulto: li *devas* ricevi la bieneton; Juhan el Maatalu kaj advokato el la urbo tion ja plurfoje asertis kaj pruvis eĉ per ekzemploj, ke en tute similaj okazoj bieno heredigita estis ricevita.

Nur unu lin ĉagrenis: ĉio ĉi elreligis lin el la antaŭa ordinara, kvieta vivo, kie ĉio estis tiel hejmeca, simpla, komprenebla kaj ĵetis ien en mondon malamikan, kie la aero estis ĉiam elektrizita, kie oni ĉiam devis esti singarda, por ne esti kroĉita per hoko, por ne fali en lupokavon.



Milles: Industrimonumento antaŭ la Teknika Instituto, Stockholm

Masiva baseno el bronzo patina.

# Panjo mortis...

— Tiberio Morariu —

Panjo mortis — anoncas lakona telegramo el Rumanujo. Nur du vortoj. Tamen ili enhavas tutan mondon. Unue la okuloj ne volas kredi la nigrajn literojn. La menso ne kapablas percepti. Ĉu vere ridas la sveda ĉielo? Ne. Larmotorento vualas la rigardon. La koro ne sufiĉe vastas por tiom da doloro. Superdoloro leviĝas malrapide supren kiel peze-nigra nebulego. Ĝi kovras eĉ la plej etan sunradion. Panjo mortis.

Panjo kara, ĉu vi vere forlasis nian sepdekjaran patron? Plej bona Panjo, okfoje trasuferinta la alvenon de viaj infanoj en ĉi tiun mondon, ĉu vi vere foriris de ni? Kiu sidos apud niaj litoj kiam ni estos malsanaj, malaperigante la limon inter tago kaj nokto. Kiu metos sian mildan manon sur niajn bolajn fruntojn. Kiu flikos ok parojn da ŝtrumpoj, kiu lavos niajn vestojn, kiu kuiros por ni. Kiu korektos niajn lernejajn taskojn, kiu preĝos por la sukceso de niajn klopodoj. Panjo kara, ĉu vi vere forlasis nin?

Panjo bona, vi prizorgis, tragvidis vian idetaron tra la mondmilito eksplodinta en 1914. Kiam la sorto ĵetis nian patron en Rumanujon, vian plej aĝan filon en italan militkaptejon kaj min sur fronton en tria lando. Vi preĝis por la foraj kaj laboris por la hejmaj kiel martiro. Panjo bona, kion ni faros se nun ekflamos eĉ pli terura milito interkontinenta. Mia kara, hungara patrino, edziniĝinte al rumano vi neglektis malsaĝajn politikajn konsiderojn starigintajn niajn naciojn hund-kate unu kontraŭ la alian. Kaj inspiris vian verdstelan filon de sudo edzinigi filinon de alta nordo. Panjo bona, ĉu vi scias, ke blankuloj pensas nur pri siaj patrinoj, sed ne pri tiuj de la negroj. Ke flavaj homoj estimegantaj siaj gepatrojn ne volas pensi pri tio ke ankaŭ la soldatoj en la kontraŭa tendaro havas patrinojn, familiojn. Panjo bona, ĉu vi scias ke sennaciaj procentegistoj, municioproduktistoj vendis siajn venenojn al ambaŭ tendaroj, kaj nun subaĉetas la ministrojn de diversaj landoj, por ke denove ekfuriozu hombuĉado kaj ilia duonmorta kapita'o aktiviĝu. Viviĝu la morteca materio de pulvo kaj gaso. Por senvivigi ne nur soldatojn, sed ankaŭ avinojn kaj patrinojn, eĉ suĉinfanojn. Por krei »heroojn«. Jes, Panjo bona. Se malsatanto mortigas trosatulon en la civila vivo, la ŝtato pendigas la murdiston, aŭ gilotinas, eble sidigas en elektran seĝon. Kial? Ĉar li mortigis nur unu personon. Sed kiam la ŝtatoj mem organizas amasmurdon sub la diplomatia ŝildo »milito«, tiam ni ricevas des pli da distingaj medaloj, ju pli da kontraŭuloj ni sukcesis ekstermi. Tiam mi iĝos des pli »heroa«, ju pli da mangrenadoj mi ĵetos al la kapoj de miaj homfratoj, ju pli malvarme mi povos rikani kiam la malamikaj »hundoj« ŝaumkraĉos siajn pulmojn kaj elturnos siajn okulojn, ĝis kiam... ankaŭ min sufokas la gaso. Panjo bona, kiu preĝos por niaj animoj dum la morgaŭa, hodiaŭa mondfrenezo.

Panjo, vi foriris, sed via beno estas kun ni. Vi ja donis vian patrinan benon por ĉiu nia paŝo en la paca batalado por la intergenta kompreno. Por la semado de verdaj amsteloj zamenhofaj. Panjo, via suferinta korpo ripozas en fora tero, sed via spirito estas ĉiam kun ni. Panjo, certe via animo kaŝis sin en svedan pendbetulon ombrantan la ripozejon de mia infano. Ĝi ludas en milda somera vento kun la oraj bukloj de nia etulino. Nia amfrukto, por ni pli bela ol la plej majstra anĝelbildo de Rembrandt. Panjo, via filo ne restis sola. Via korbono nun nestas en la koro de mia edzino, kies brako konsole ripozas sur mia ŝultro kaj kies larmoj unuiĝas kun la miaj. Panjo superbona, ripozu trankvile ĝis nia revido!

---

Ŝpininte la pensofadenon la avo jam proksimiĝis al la domo, kiam ekbrilis fajro de post arboj kaj aŭdiĝis fragmentoj de homa parolado. Certe, tie estis homoj iakaŭze nokte en la arbaro kaj bruligis fajron, aŭ por forpeli la kulojn, aŭ por ne allasi la dormon aŭ simple por ion fari. La avo palpserĉis en la poŝo, trovis sian pipaĉon kaj intencis proksimiĝi al la fajro, konversacii per kelke da vortoj, fari kelkajn fumtirojn el la pipo kaj poste daŭrigi la hejmeniradon.

Antaŭ ol li povis efektivigi tiun ĉi intencon, aŭdiĝis de malproksimete kantaĉado kaj tra la arbaro proksimiĝis paŝoj. La voĉoj ŝajnis esti konataj, eĉ la vortoj estis klare aŭdeblaj kaj konsternis la avon.

Oni kantis pri li kaj pri Tibu-Tips, oni kriaĉis la plej novan »baston-versajon« pri la »teriĝinto de Arbbieneto kaj pri ĉielkolombineto.« »Arbarbiena kolombin', pasintsomera paŝtintin', kiam ŝi iĝis servistin' frenez' tuj ekatakis ŝin.« Sekvis la svatado de la avo. »Pedikojn kombis kolombin', la av' al pastro portis ŝin.« La pastro ekscitite kontraŭstaras, sed la respondo estas: »se nin per vort' ne ligos vi, al pork' naskoton ĵetas ni.« Tiam »la pastr' konvinki lasis sin, kaŝiĝis pek' de kolombin'.« Kaj fine detala priskribo de la proceso kaj forpelo de Toomas el Arbarbieneto.

Ĝi estis ĉiaokaze ia frenezaĵo. Ĉu sorĉistoj estis la homoj, aŭ ili trinkis nekuiritajn kornikovojn, ke ili scipovis antaŭdiri. La avo nenion komprenis. Kiel povis malkaŝiĝi la afero tiel rapide, kiam eĉ al siaj plej proksimaj konfidatoj li ne sciigis ĉion?

La kantantoj ekiris kaj haltis proksime de la avo, por paroli ĝis la adiaŭo. La avo povis laŭ la voĉoj rekoni en unu la maljunserviston de Arbarbieneto, en alia la banejloĝanton de Maatalu, Pitspoogen-on, kriaĉulon kaj mokemulon.

Paro da samvaloraj uloj plugadis la finajn sulkojn, sed eĉ tiuj pecetoj atingis la orelojn de la avo.

*Pitspoogen:* »Nu, kaj ĉu estis io simila?«

*Maljunservisto:* »Kio tie estis? Nenio estis. Nur venĝi al la kolombin' mi sukcesis.«

*Pitspoogen:* »Kaj ĉu la aliaj konvinkiĝis?«

*Maljunservisto:* »Ne nur la aliaj. Eĉ ili mem.«

Pitspoogen eligas longan fajfon, la avo apogas sin al arbo, por ne terenfali. Domaĝe ne sufiĉas la lumo, por klare vidi la bildon, oni penu plivigligi la fantazion.

La avo kvazaŭ de supropinto estis skuita kaj ŝanceliĝadis tien-reen. Finfine li decidis efektivigi la jusan irplanon, kion li ankaŭ komencis. La rapido kompreneble estis plej malgranda.

# POEMOJ

— N. Ĉulitis —

### Decida paŝo

Malsupren iras mia vojo — al abismo.
Kaj kapreturno montras nur malplenon,
ĉar malserena estas nun la prismo,
kiu kolore montris vivarenon.

Demand' akriĝas antaŭ mi postula.
Ja kio plu? Per kia glav' giganta
dishaki nodon kaj per paŝ' herkula
sin savi de pereo ruze lanta?

Mistera voĉo logas — faru finon frato!...
Ne dubu plu, elektu vojon lastan.
Sufiĉas fine lukti kun la fato.
Ja venis hor' por fini tempon fastan!

### Konsolo

La tempopaso ĉion ja nivelas,
kaj forgesiĝas ĉiu kordolor'.
Se ĉiu sento nun en vi ribelas —
la tempo fluge ĉion plugos for.

Mi scias ja — tre longe vundo gutas,
sed — estingiĝas fine ĉiu flam';
degelas brulo, kaj la sent' ekmutas.
La lastan akton havas ĉiu dram'!

Ja vivu nur... La tagoj preterfluos,
forlavos ĉion, kio ardas nun.
Jen, — venos temp', kaj vi de nove ĝuos,
de nove ravos vin la ora lum' de l' sun'.

### Pluvetadas...

Pluvetadas...
Monotona melodio lama —
gutfrapado, hor' post hor' la sama.
Pluvetadas...
Lamas ankaŭ penso, kaj ekmutas.
Sole pluvo gutas, gutas, gutas...
Pluvetadas...

### La donkiĥoto

Iam —
sentima kaj brava,
kun la cela devizo surglava:
Pro Vero, Helo,
vi surpaŝis la kampon batalan,
pro Belo!
    Vian frunton junan kaj palan
    ne ombris ankoraŭ la griza nubo
    de l' Granda Dubo...

Nun —
ĝeme spiras laca brusto.
La batalglavon mordadas rusto.
La salivo
de l' vivo
kovras koron kiel ŝima rubokrusto.
    Treto de fera boto.
    Stumblo.
        Falo.
            Koto.
    Jen de la vivo la tuta doto
    por vi —
        Donkiĥoto!...

### Ridu...

Ridu nur!
Antaŭmetu la maskon de l' gajo.
Ridu, se eble —
rido kaŝos sangadon de l' kor'.
Gaju nur!
Se la vivo ne ŝajnas nur majo, —
gaju senĝene,
kaj pro gajo ĉesiĝos la plor'.

Ĝuu nur,
se de l' tuto ĝi estas nur ero, —
ĝuu laŭpove
la donacon de l' ĝoja moment'.
Drinku nur
kaj ne pensu pri homa mizero!
Drinku plenglute,
ke la vivon forblovu la vent'!

---

Bruas la arbaro. Nigraj figuroj kuradas tien-reen. Kraketas en la fajro sekaj branĉetoj, kaj flugadas alten la fajreroj. — Hej-hej! Ekklako, ekheno, hufofrapado.. Hi-hej! Noktaj ĉevalpaŝtistoj tie vetrajdas verŝajne.

»Bonan vesperon!«

Sur la ebenaĵo ŝajnis esti sufiĉe da homoj. Ili varmigis sin ĉe fajro, ili krietadis en arbaro, ili kuŝaĉis en veturiloj kaj ĉirkaŭrajdis sur ĉevaloj; ili konversaciis, ili ronkis, ili ludis, ili dancis: kiel al ĉiu plaĉis.

*Oni donacis al la avo malmulte da atento. Oni* donis al li lokon ĉe fajrujo; haroza hundo levis la kapon kaj ekbojis buŝplenon, kaj poste daŭrigis la grizkapa rakontanto sian historion:

»Sed kiam la reĝo vidis, ke lia militistaro ne povas kontraŭstari la allogojn de niaj virinoj, li tre koleriĝis, kastrigis siajn militistojn ekde la ĉefkomandanto ĝis la plej lasta azenpelanto kaj ekipis ilin per taŭrklaboj. Tiuj kastritoj tre multe nin ĝenis, tiel ke ni estis devigitaj eliri el Egiptujo kaj serĉi en la mondo al ni nian hejmon, havante ĉe ni nur niajn facilpiedajn ĉevalojn, kune kun kiuj ni ĝis nun serĉadas nian hejmolandon.«

La rakontanto eksilentis kaj fikse kaj persiste rigardis en la fajron, dum fajrokula knabino, sidanta apud li, ekkantis. Al ŝi aliĝis voĉo, alia... pluraj voĉoj, multe da voĉoj. Ĉi tie ĝojkris, tie lamentis, pli malproksime zumis, ie ehis, ĉialoke sonis kaj ondis la aero en multkolora rondodanco de tonoj.

Kiam la kanto finiĝis, la antaŭa rakontanto demandis la avon: »Kaj via rakonto? Kion vi alportis?« Kvazaŭ ĝuste tion li estus atendinta, komencis la avo sian historion. Sian historion kaj propran historion, pri si mem, efektivan, ne elpensitan. Ni ĝin jam scias, almenaŭ tiom, kiom estas necese. Tial ni prefere dolĉe dormetadu apud la ŝtono manapoge, vangsurmane kelkajn momentojn, ĝis finiĝos la historio de la avo.

»Tiel estas pri vi la aferoj,« diris ciganino sulkvizaĝa, »venu, mi aŭguros al vi knabineton-karuleton, virineton virtegan...« Kaj ne atendinte la konsenton de la avo, ŝi kaptis lian manon, eltiris el la fajro brulŝtipon fumantan kaj ĉe ties malforta lumo ekesploris sur la malglata manplato de la avo la liniojn de lia sortokarto. Ju pli ŝi enprofundiĝis en ilin, des pli malheliĝis ŝia bruna vizaĝo, des pli silentemiĝis ŝia parolemo. Fine, kvazaŭ vekiĝinte, ŝi diris: »Mi promesis pli ol mi povas. Karulino estas malproksime, nigraj zorgoj rampas, ŝteliras embuske al vi kaj sieĝadas vin.«

*La avo:* Kiam ili malaperos?

*La ciganino:* Mi ne scias: mi ne vidas tiel malproksimen.

*La avo:* Kien mi iros?

*La ciganino:* Nek tien, kien vi antaŭe intencis, nek tien, kien vi poste deziros, sed en trian lokon, kien vi neniam pensis iri.

*La avo:* Strange. Ĉu efektive ne tien mi iros, kien mi nun deziras. Ĉu vi vidas, kiam kaj kiel mi mortos.

*La ciganino:* Ne. Sed mi vidas iun, kovritan per verdaj branĉoj. Eble ĝi koncernas vin, eble ne, kiu scias.

Iom post iom malaperis la konversacio, kvazaŭ fajro, sur kiun oni ne metas plu lignajon, kaj super la maltrankvila kampadejo ekregis silento. La matenmeza suno kaj huado de paŝtisto vekis la avon. La ciganoj jam foriris.

Unu nura afero estis certa: necesis iri returne, reveni al Maatalu, malpermesi la vanan proceson kaj rekomenci la vivon antaŭan de maljuna homo. Ĉu estas eble? Nu, kial do ne — ĉio ĉi dependas ja de li mem.

Antaŭ ol vojiri, oni bezonis manĝi. Proksime de tie ĉi devis esti Kännutare. Gi estis en la najbareco de Arbarbieneto, pro kio la avo esperis sciiĝi tie pri la plej freŝaj hejmaj novaĵoj. Ne mia kulpo estas, ke li trompiĝis rilate al novaĵoj, kiel ankaŭ rilate al la manĝoricevo. En Kännutare neniu estis hejme krom la duonsurda maljunulino, kiu al ĉiuj demandoj de la avo aŭ tute silentis, aŭ respondis per interjekcioj. La avo rapide ekiris en la direkton de Maatalu, ĉar al Arbarbieneto li nun ne irus por ĉia ajn pago.

Laŭ la volo de l' sorto, la vizito de la avo en Kännutare ne forpasis tute senutile. Malsuprenirinte laŭ la vojo de brutaro al li renkontiĝis malhelpo, kiu konsistis en tio, ke du hundoj — unu blanka-flava, alia nigrebunta — lin atakis, poste oni forvokis la hundojn kaj la blondhara paŝtistknabino — Kännu Els — demandis kompateme: »Eble ili vin difektis?« Tre emociite pro tia kompatemo, la avo tute ne plendis pri siaj doloroj, sed vervege neadis, demandis pri la farto de la paŝtistino, ricevis duonon de kama-bulo knedita en kremo, amason da novaĵoj pri Arbarbieneto kaj povis senzorge daŭrigi sian vojaĝon, ĉar ŝajnis, ke oni hejme nenion scias pri la celo de liaj migradoj kaj tio estis bona.

Fumanta kun plezuro sian mallongan pipeton (kiu scias, de kie li nun ricevis fajron por ĝin ekbruligi), la avo ree ekvojis.

*

En Arbarbieneto tute ne estis ĉio en tiel bona ordo, kiel la avo konkludis laŭ la vortoj de la paŝtistino. Tie oni agadis kaj la sulkojn plugadis.

Unue estus menciinda el la plej gravaj okazaĵoj en Arbarbieneto la foriro de Tibu-Tips. Tute ne laŭ la propra volo, aŭ, se laŭ la volo, ne laŭ la propra iniciato foriris Tibu-Tips el Arbarbieneto, kvankam, pro la mokado de la maljunservisto al ŝi la vivado perdis tie ĉian agrablon, eĉ fariĝis tute neeltenebla.

Bonaj homoj estis portintaj sciigojn pri ĉio en la orelojn de ŝiaj gepatroj — Tagametsa Taavet kaj lia edzino Truude — kaj en iu bela tago (vere bona vetero estis por fojnosekigado!) venis la patrino de Tips, Truude, en Arbarbieneton, konfesigis unuavice la filinon, poste demandesploris la mastron kaj longe paroladis al la temo »ĉu tia estas via bona ordo,« riproĉis ege la maljunserviston, timigis ĉiujn per juĝakuzo, pagigis al si la salajron de la filino, igis la filinon kunmeti la havaĵon, ordonis al la mastro doni hejmenveturiganton kaj forveturis kun la tuta filino, kun ties havaĵo kaj elpagita salajro, postĵetinte la minacon »mi vin poste rigardos,« kiu agordis la postrestintojn al sufiĉe malgaja humoro.

Por forveturigi Tibu-Tips kaj ŝian energian patrinon la sorto destinis la junserviston, kiel homon, kiu havis sur sia animo malplej multe da pekoj rilate al la disiĝantino. Kviete kaj pacience li aŭskultis survoje ĉiujn levidolegadojn de la edzino de Tagametsa Taavet, intertempe nuis la ĉevalon kaj movadis la kondukilojn, al kio la maljuna Valako reagis por orelmovado kaj vostosvingado.

»Haltu, kien vi turnas?« demandis subite la disparoliĝinta patrino.

»Ŝajnas, ke la vojo kondukos al Tagametsa.«

»Sed ne al Tagametsa ni veturos, hometo. Turnu al Suursalu, kion ni serĉu en Tagametsa.«

»Al Suursalu?«

»Al Suursalu, jes. Ĉe ni en la Tagametsa kabano jam sen ŝi sep animoj kriaĉas por pano. Por la oka nenio estas tie farebla.«

»Por mi diable egale — al Suursalu, do al Suursalu.«

Tie la edzino de Taavet fordonis la filinon rapiderapidege al nova estraro, dirinte

al la mastro: »Gardu vin, ke la knabinon oni ne delogu!«

al la mastrino: Atentu, ke ŝi ne malvirtiĝu!«

kaj al la filino: »Knabino, zorgu pri la pureco

de via postaĵo! Vi ja scias, ke en nia gento ĝis nun nenia hontaĵo okazis kaj ankaŭ en la estonteco ne povos okazi. Se mi ankoraŭ aŭdos pri vi ion malbonan, ne plu pensu pri vivo. Ĉe mi ne estas kiel ĉe la maljuna Taavet: Kion mi promesas, tion mi ankaŭ plenumas. Ĉu komprenite?«

Laŭ la mieno vidiĝis, ke komprenite.

»Kaj nun veturigu min hejmen,« ŝi ordonis al la junservisto.

»Kiel,« miris tiu ĉi, »al tio mankas interkonsento.«

»Malsaĝuleto. Survoje ni interkonsentiĝos. Ĉu vi volas fariĝi mia bofilo.«

»Kial ne, mi volas.«

»Nu, do...«

Ili ekveturis. Radbrue ruliĝis la veturilo ĝis la ponto de Suursalu, de tie ĝi turniĝis al la vojo de Tagametsa.

Tips estis nun la servistino de Suursalu. Suursalu estis granda kampodomo, havis multe da servistaro, ege da infanaro, ĉiuj kun pintitaj oreloj.

*

Ja Arbarbieneto ne tro funebris, ke ĝin forlasis kelkaj homoj. La foririntoj baldaŭ anstataŭiĝis per novaj venintoj. La maljuna Toomas vizitis foje la urbon kaj kiam li revenis, li kunveturigis, por anstataŭanto de Tips, *setan* knabinon, kiu komence neniel kuraĝis descendi de la veturilo, ĉar »Vreneza undo tie volas min disŝiri.«

Amuzante sin pri la nova servistino, la domanaro tute malatentis la trian kunveturanton en la malantaŭo de la veturilo, kiu ankaŭ malrapide etendis siajn kruropjn trans la rando de la veturilo, por alterigi siajn piedojn.

Li estis juna, estis malgrasa, estis virseksa.

Oni diris — parenco de la mastrino, ftizulo, venis en kamparon por plibonigi la sanon. Pli oni ne sciis, nur supozadis. Iu diris: studento, iu: komizo, iu: artisto, iu: oficisto, plenan certecon neniu havis. Kaj kio grava, ke oni lin esploru tiel detale?

Nur Loki konsideris en si mem, ĉu tiu nova veninto restadas kun ŝi hejme anstataŭ la avo, aŭ ŝi, kiel antaŭe, devas, dum la foresto de la avo, suferi solecon. Ho, Loki estus nun multe pli bona. Nun ŝi konas la teruron de soleco, la eblon de ĉiaspecaj malfeliĉoj: timon pro alproksimiĝanta mallumo, angoron pro minacanta fulmotondro, hororon kaŭze de ŝtelistoj kaj rabistoj, maltrankvilon pro fajro kaj suferon pro akvo, larmomuzikon kaj ploronotojn.

La fremduloj iom post iom kutimiĝis al la nova hejmo. Pri homestaĵo fariĝas ĝuste kiel pri bruto: konduku lin en novan lokon, li komence ŝajnas esti fremdolimema, strabe rigardas, estas malgaja, ploradas, poste alkutimiĝas kaj ree troviĝas hejme.

Maran — tiel nomiĝis la nova virestaĵo. Li parte similis al la avo: emis kuŝadi, emis revadi, emis faradi planojn. Sed troviĝis ĉe li ankaŭ malsimilaĵoj: oni neniam sciis, kie li ĝuste nun kuŝas, kian novan revaĵon



Milles — Ĉevalo

*

li nun momente kovas, oni neniam povis esti certa pri loko, ke li ne alportos tien sian agadsferon, tiel ke li fine akiris la famon de ia ĉietroviĝa, ĉiovida estaĵo, kiun oni timeis, proksime de kiu oni hontis eĉ trapensi kelkajn siajn pensojn.

Estis tamen duopo, kiu ne tiel rilatis al la fremdulo: Loki kaj la junservisto. La unua trovis en li kunulon, kiu neniam mokis aŭ koleris pri ia ajn ŝia stultaĵo, sed pacience kaj tolereme ĝisaŭskultis kaj pridiskutis ĉiujn demandojn kaj respondadis laŭpove. Ankaŭ por la petolaĵoj de Loki li ŝajnis havi neelĉerpeblan provizon de toleremo kaj liaj aspiroj, plibonigi la karakteron de Loki, ŝajnis havi bonajn rezultojn.

La junservisto povis uzi siajn liberajn horojn kun pli granda utilo ol antaŭe. Kvazaŭ profeto sidis Maran ie sur ŝtono aŭ arbostumpo kaj antaŭ liaj piedoj kaŭris liaj solaj du disĉiploj — la junservisto kaj Loki.

Sed en la bieneto oni ankaŭ laboregis, ke la ŝvito gutadis. Negravaj intertempaj okazaĵoj ne povis malhelpi la laboron.

La nova servistino komence ne estis kutimiĝinta al la ĉiaspeca kamplaboro, sed iom post iom ŝi alkutimiĝis kaj eĉ mem gajhumore fanfaronetis: »Gi ja komencas iri laŭorde.« La insulano el Saaremaa, bonulo Raavijaan, kiu en la proksime troviĝanta Supsimarĉo rompadis la torfon, per siaj ŝercorakontoj multe helpis al la leviĝo de la gaja humoro de l' bienetanoj, kiam li alvenis en Arbarbieneton por havigi al si manĝprovizon.

Precipe komika fariĝis la afero, kiam la viro el Saaremaa kaj la seta junulino ekdisputis inter si, parolante ĉiu en sia hejma dialekto. La bienetanoj nur aŭskultis ĉirkaŭstarante kaj ridis ĝis larmoj.

*

Villem el Vesiaru loĝis kelkatempe eĉ en Vesiaru. Vesiaru estis nek bieno, nek bieneto, sed io meza inter la du diritaj. Iu el liaj prauloj trudis ĝin al li. Villem mem estis nur pasia ĉasisto, kiu irmezuradis la arbarojn kaj terenojn kaj per sia propra ekzemplo pruvis la proverbon: Fiŝisto por kato profitas; ĉasisto tutvane ŝvitas.

# Poemoj

— Emba —

### La amatoj de l' stelo

Kun ĉiuj mil doloroj de l' infero
baraktas ni en marĉoj de la tero:
piedojn akre tranĉas fera bot',
kaj ŝultre mil malbenoj premas
nin al la senmezura kot'.

Ĉi koton ni eterne knedas, plugas,
en altojn nur la kaŝaj pensoj flugas,
sed tra milionmejla noktmalhel'
ja tamen, tamen serĉas nin, terbulojn
el sia alta tron' la stel'.

Sed kiam venis la mateno,
simile al grandega sorg',
el sola trunko kun mil branĉoj,
denove kreskis, jen, la zorg'.

### Martel-kanto

Botisto estis mia patro,
kaj oftis ĉe ni serenad':
Image ja eĉ nun mi aŭdas
muzikon de la martelad'.

Li penis kaj preĝkantis pie
por helpo kontraŭ sorto-plag',
kaj tamen havis ni sortbatojn,
pli ol minutojn en la tag'.

Kiam ekdormis la vilaĝo,
jen sonis ĝis matena hel'
al mi ne zum' de vartistino
sed la lulkanto de l' martel'.

Lulkantis al mi la martelo,
kaj ĉesis plago kaj barakt'
min al gajritmaj, sorĉaj sonĝoj
enlulis la martela takt'.

### Sub la selo

Mi sentas min ĉevalo fikaduka
sub selo de la Zorgo-diktator';
piedoj miaj treme ŝanceliĝas
sub grasa pezo de ĉi grandsinjor'.

Mi stumblas, stumblas kun pendanta kapo
kaj dignas sur la dors' la diktator'.
Ho, kial li ne batas kapon mian
donante kaŭzon por veanta plor'!

Sed li silente sidas en la selo,
ne ĝenas lin la stumbla malrapid',
nur lian trograsegan ventron skuas
— mi sentas — la malica kaŝa rid'.

### Demando

Ankoraŭ mi memoras, apenaŭ pasis Majo,
kun varme pulsa sango, printempodora gajo,
kiam en ĉiuj floroj juneco stulta ardis,
kaj al la foraj montoj ebrie mi rigardis.

Ne antaŭlonge pasis eĉ la somer' sovaĝa,
sed ĝia flamo iĝis tro saĝa kaj tro aĝa;
poste, sur kalvaj vojoj, kun grize flavaj flagoj,
enkuris la aŭtunon venene splenaj tagoj.

Kuregas jam la tempo pal-flave tra l' kamparoj,
de ĝia vent' hirtiĝas al mi la grizaj haroj;
juneco mia, diru, dum rad' sin turne movas,
vetkuri kun la tempo, ho, kial vi ne povas?

---

Sed ne la profito gravas ĉefe. Pendigi al la kolo la ĉasajujon, surŝultrigi la pafilon, puŝi al manradiko la kapreolpiedan vipon, ŝovi la piedon en piedingon, salti al dorso de rajdĉevalo, ĵeti la alian gambon trans la dorso de ĉevalo, fajfe kunvoki la hundon kaj rajdegi ĝis frakasiĝo de la mondo — ĉu ne plezurego! Sed multe pli plaĉas ŝtelire embuskadi laŭ vojoj malpermesitaj kun danĝero al vivo, eĉ nesciante pro aŭ por kio.

Tiel Villem el Vesiaru havis du okupojn: vagadi en la arbaroj kiel ŝtelĉasisto kaj, due, mensogadi pri siaj aventuroj historiojn neeblajn, kiujn eĉ infanoj ne kredis, por ne paroli pri maturuloj.

La avo intencis iri al Maatalu, por malpermesi al Juhan el Maatalu komenci la proceson kontraŭ Toomas el Arbarbieneto. Ĉar Vesiaru troviĝis apudvoje kaj la arbarbienetanoj kaj vesiaruanoj bone interrilatis, ankaŭ la avo iris tien por ripozigi la piedojn.

Estis tago eksterordinara, ĉar mem la mastro de Vesiaru estis hejme kaj en la korto sur la lignobloko ion ĉirkaŭhakis per hakilo. La avo aldonis forton.

*Vesiaru:* Multan forton vi havas por fordoni.

*La avo:* Ne multan, certe.

*Vesiaru:* Kien vi nun puŝiĝas?

*La avo:* Mi intencos en Maatalu-n.

*Vesiaru:* Do vi jam aŭdis?

*La avo:* Kion?

*Vesiaru:* Ke... Ah tiel, do nenion vi aŭdis?

Nu, kiel oni scias, Juhan havis la saman vermeton sub la vosto, kiel mi mem. Sed li, bonegulo, ne kontentis pri ĉitieaj arbaroj, ĉiam celis pli malproksimen: pli grandaj marĉoj — pli granda akirajo; pli vastaj arbaregoj — pli grasa ĉasajo. Nu, foje li ĵetiĝis al la ĉirkaŭaĵoj de Kühmassaare. Ankaŭ min li invitis, sed mi kvazaŭ ne kuraĝis iri tiel malproksimen de mia domo kaj respondis: »Mi ne iras, ankaŭ vi ne iru!« Jen li koleriĝis: »Vidu, kia malpermesanto« kaj tiel

plu. Nu, ĉu al mi doloras: »Li flugu laŭ la kordeziro,« mi pensis kaj tiamaniere li malaperis de tie ĉi.

Vesiaru denove fervorege ekhakis, kvazaŭ la aferoj estus nun en la plej bona ordo kaj kvazaŭ la avo ĉion jam scius plej bone kaj plej klare. Nu, tiu ĉi atendis kaj atendadis la finon de la historio kaj stare ŝanĝadis la piedojn. Kiam forpasis jam kelke da eternoj, li kuraĝis demandi:

»Kaj kio okazis al tiu Juhan?«

»Ha, ĉu al Juhan? Diablaĉo, jen kiel ĝi entranĉis. Leena, serĉu puran ĉifonon, mi hakdifektis la fingron.« Kaj Vesiaru kuris en la ĉambron, bruege fermtirinte post si la pordon.

La avo stumbladis al la lignobloko kaj malrapidege sidiĝis, por ĝisatendi la finon de la historio.

»Nu, maljunulo el Arbarbieneto, ĉu vi iras al la enteriga festeno de Juhan al Maatalu?« iu demandis.

La avo ektremis: jus li ekdormetis. La demandinto jam malaperis, tiel ke mankis la eblo de pli detala sciiĝo. Do mortis Juhan el Maatalu. La avo levis sin de la lignobloko kaj ekiris reen direkte al Arbarbieneto. La mortinta Juhan ja ne povis jam komenci la proceson kaj ĉio alia ne multe gravis por la avo.

Jen tiel. Kiel favora estis al la avo la sorto. Ĉiujn grandajn zorgoŝtonojn ĝi forrulis de lia vojo. Eĉ se kelkatempe ŝajnis la afero esti alispeca, finfine ĉio aranĝiĝis laŭ la plej bona maniero.

Tiel meditante kaj diskutante en si mem, la avo de arbarbieneto atingis la lokon, kie la vojo trairas la dehakejon. Tie, inter la arbustoj, vidiĝis homoj moviĝantaj. Proksimete al la vojo du viroj sidis, ĉiu sur sia arbostumpo, kaj sin satigadis per pano kaj klupeoj, Ili ŝajnis arbosegistoj. La avo deziris al ili bonan apetiton, kaj alsidiĝis por ripozi.

Unu el la viroj daŭrigis rakontadon: »Renkontiĝas do Juhan el Maatalu en la ĉirkaŭaĵo de Kühmassaare, en Viraku-marĉo kun tri viroj, — verŝajne ankaŭ ŝtelĉasistoj — kaj aliĝas al ili, ĉar kune pli oportune, ope pli noble. Ili kune vagadas, ĝis kiam la viro el Maatalu opinias por si plu nenecesa la fremdan kompanion kaj volas disiĝi Oni tiam subite diras: »Ne, kara vireto, tiel facile ni vin ne delasas. Kion vi serĉas en niaj arbaroj; ni mem bezonas ĉion en ili troviĝantan, eĉ ne sufiĉas ...«

La rakontado rompiĝis pro eta birdeto, kiu proksime ekkantis: »Silts-silts-sults, silts-sults...«

La rakontanto subite ekkoleris: »Tiu fripono jam denove tie ĉi insultadas, kolektis de la tero abifruktojn kaj ekpersekutis la birdeton per ili bombardante. Lia kunulo ridante lin sekvis.

La avo atendis-atendadis, volis ĝisaŭdi la finon, sed la viroj verŝajne trovis en la arbaro berojn kaj uzis ilin por deserto, tiel ke neeble estis ĝisatendi ilian revenon.

Pluirante, la avo iĝis senvola atestanto pri prema situacio de malgranda bubeto, al kies plej delikata kaj diskreta korpoparto oni celadis. Du pliaĝaj bubinoj kaj unu bubo timigadis la pli malgrandan kaj minacis fortranĉi lian neel'direblon. La stultuleto ne komprenis la ŝercon, ekploregis tiel korŝire, ke eĉ la ŝtonoj devus moliĝi. Ĉe la proksimiĝo de la avo, la ĉikanantoj iom plikvietiĝis, kaj kiam la maljunulo malaperis el ilia vido, aŭdiĝis post li konsolado. »Ja ne ilin ambaŭ ni fortranĉos, sed nur unu, kiel fortranĉis la viroj de Kühmassaare al Juhan el Maatalu.«

»Ree la historio pri Juhan! Kiel ĝi efektive okazis?« pensis la avo kaj iris returne, por pli detale demandi la infanojn pri la afero. Li alvenis ĝustatempe, kiam la etuleto troviĝis en la plej malfacila situacio. Ekvidinte la avon la ĉikanantoj forfuĝis, dum la ĉikanato stariĝis, ordigis la vestojn kaj purviŝis la nazon. De li la avo fine sciiĝis, ke Juhan el Maatalu mortis pro sangoperdo. Tiel do li ricevis fine la certan sciigon; nun li povas reveni hejmen.

Li faris tion sub la akompano de diversspeca muziko. Sur arbo insultadis birdeto mizeran arbosegiston, ĉe orelo zumadis kulo malsata, en la arbustaro aŭdiĝis kurbruado kaj vokado: »Bubo, kapti, kapti, kapti! Kastri, kastri, kastri!« kaj vea lamentado de timplena voĉo: »Lasu, lasu! Helpu, helpu, helpu!«

*

La enterig-festenon en Maatalu ĉeestis ĉiuj arbarbienetanoj krom la avo kaj la servistaro. Eĉ Loki fanfaronis poste, ke ŝi veturis per nigra virĉevalo de Peep el Piiroja kaj preterpelis ĉiujn.

Baldaŭ post la enterigo okazis aferoj meditigaj, pri kiuj oni ne povis ricevi klaran komprenon. Ricevis juĝinvitilojn la mortinta Maatalu Juhan, kiel ankaŭ la vivanta Arbarbieneta Toomas kaj la aliaj homoj el Maatalu kaj el Arbarbieneto. Neniu povis diri, en kio la afero konsistas. La avo kvazaŭ divenis iom, sed ankaŭ li ne povis kompreni, kiel la mortinta viro el Maatalu povis komenci la proceson.

La afero tamen estis sufiĉe simpla: la juĝafero estis komencita antaŭ la morto, la invitilojn oni dissendis post la enterigo de Juhan.

Toomas el Arbarbieneto diris: »Kio ajn okazu neniam antaŭe mi staris ĉe juĝotablo, ankaŭ nun mi ne iros tien.« Kaj li ne iris.

Nenio povis okazi, ĉar oni finis la juĝaferon pro nealveno de ambaŭ partioj. El la invititoj vizitis la juĝejon nur la maljunservisto de Arbarbieneto kaj reveninte mensogis tiajn absurdaĵojn, ke neniun li povis persvadi per siaj vortoj. Eĉ la avo skuis la kapon dum liaj parolaĉoj kaj mediteme diris:

»Ne havas la parolado vidon, nek guston.«

En Arbarbieneto lastatempe oni entute ne atentis plu la mensogadon de la maljunservisto, ĉar oni havis ion pli bonan. Kvankam ne estis starigitaj iaj grandaj celoj, nek aperis iaj mirindaj ideoj, tamen oni povis eviti la klaĉadon kaj provizore tio sufiĉis. Oni konversaciis pri la mondoj kaj landoj, oni diskutis, disputis, oni eĉ ekscitiĝis, ĉar la penso dum centjaroj flanken-

# Aŭtunaj strofoj

– Hilda Dresen –

*Dediĉe al L. Totsche.*

### Aŭtuno

Pro la kristala
aer' sobriĝas koro,
sed ĝin samtempe
irite ebriigas
aŭtun' per ruĝkoloro.

### Pomoj

Ankoraŭ pomoj
en la densej' folia
acide verdas.
Ĉu ne parencas ili
al kor' melankolia?

### Suno

Semajnon grizan,
abundan je korprema
pluvado teda,
per oro elaĉetas
septembra tag' sunplena.

### Ĝardeno

Ĝardeno mia
en blankaj floksoj dronas,
dum el arbustoj
la blankon ruĝaj riboj
embuske ekspionas.

### Ĉielo

Al ter' premite
la juniperarbustoj
humile kaŭras.
Sur ili plumbe pezas
ĉielo de aŭgusto.

### Nokto

Animon nian
la norda nokto luma
senfine ravas,
sed stelojn redonacas
malluma nokt' aŭtuna.

---

kurbigita ne povis tuj rektiĝi aŭ salti en diametre malan ekstremon.

Evoluo estas entute vorto pezega, — la longa historio pri la heroo, kiu per dentoj tramordis tunelon tra roka monto dum jarmilionoj.

*

En Arbarbieneto do estis: mastro Toomas, mastrino Anna, ilia filino Loki, la avo, la maljunservisto, la junservisto, paŝtistino Priskilla, la seta knabino Paraska kaj la urba junsinjoro Maran. Iun vesperon ili ĉiuj kolektiĝis en la korto por konversacio. Supozeble estis dimanĉa vespero.

La maljunservisto sidis sur la ŝtupetaro kondukanta al la subtegmento de la domo, la junservisto sur la sojlobloko, la avo antaŭ sia remizo, Loki sur la tegmento kaj la paŝtistino sur la putokadrajo, ĉiuj aliaj antaŭ la sojlo sur la benko.

Komence oni konservaciis pri Idamo kaj Adamo, poste iom post iom oni ekparolis pri la aferoj meditigaj, kvankam proksimaj, tamen neklarigitaj. Precipe pri la afero de la juĝproceso. Oni miris, kiu kaj kial komencis la proceson.

Estiĝis la sekva interparolo, fine preskaŭ kverelo:

*La maljunservisto:* Hm, eble iu povus sciiĝi pri ĉio ĉi, sed kiu kredas al la vortoj de malriĉa homo?

*La mastro:* Nu, kion vi do scias?

*La maljunservisto:* Tamen, iomete por mi mem...

*La mastro:* Nu, ekparolu do!

*La maljunservisto:* Parolu, parolu! Kia utilo de tio, ke mi malvarmigus mian buŝon. Neniu ja kredas al *miaj* vortoj.

*La junservisto:* Ekzistas kaŭzoj ne kredi.

*Paraska:* Li estas tru multe mensuginta.

*La maljunservisto:* Mensuginta, mensuginta! Demandu ja tiujn, kiuj ne estas mensugintoj.

*La mastrino:* Kiu do estis la ekprocesiato?

*La maljunservisto:* Demandu lin mem. Li mem ja ĉeestas.

*La mastrino:* Kiu?

*La maljunservisto:* Li, pri kiu vi diskutas. La ekprocesinto.

*Kelkaj:* Jen kiel! Kiu do?

*La maljunservisto:* Certe la plej maljuna.

*La mastro kaj la mastrino:* La avo?

*La maljunservisto:* Neniu alia. Li mem.

*Priskila:* Ha!

*Raavijaan:* Aŭdu, eĉ la korniko ekgrakis: grakgrak!

*La mastro:* Ĉesu do... Ĉu vere tiel estis?

*La maljunservisto:* Demandu lin mem! Ankaŭ li havas ja parolilon sub la nazo.

*La mastro:* Paĉjo!

*La avo:* Nu?

*La mastro:* Ĉu vi aŭdas?

*La avo:* Kion?

*La mastro:* Kion Juhkam diras. Ke vi estis la ekprocesinto. Ĉu?

*La avo:* Eĉ sonĝe mi ne konjektis pri la afero.

*La mastro (al la maljunservisto):* Ĉu vi aŭdas, Juhkam?

*La maljunservisto:* Li mensogas, ne alie.

*La mastro:* Nu, provu vin pravigi!

*La maljunservisto:* Pri la afero oni povas sciiĝi en la juĝejo.

*La mastrino:* Sed kial? kion malbonan ni al li faris?

*La maljunservisto:* Li volis ree ekposedi la bieneton por Tibu-Tips. Jen kio!

*La junservisto:* Kaj nepre *vi* ĉion bonege scias!

*La maljunservisto:* Ĉu *vi* estis en la juĝejo? Ĉu *vi* iris al la juĝotablo por ĵurado? Do ne parolu, se vi nenion scias! Jen mi mem, la viro, kiu antaŭenpaŝis, kiam oni demandis: Ĉu vi scias, ĉu Toomas el Ar-



*(Daŭrigo sur paĝo 153.)*

barbineto faras falsajn monerojn?« Mi estis tiu, kiu batis al sia brusto kaj atestis: »Same vere, kiel Dio vivas en la ĉielo, mi atestas per mia propra buŝo: ne, tion li ne faras, sed li faras monon nefalsitan. Tiam ili opiniis, ke mi kaptiĝis per miaj propraj vortoj kaj vervege demandis: Kie li faras la monon? el kio li ĝin faras?« sed mi respondis: »Ne pensu malbonon pri Toomas! Toomas estas viro honesta kaj perlaboras la monon per la propraj manoj, li faras nek oron el kupro, nek arĝenton el plumbo.« Oni lasis min post tio trankvila.

*Maran:* Ĉu nur vin oni atestigis tie?

*La maljunservisto:* Neniu alia ja ĉeestis.

*Maran:* Do ĉesu, ne parolu infanaĵojn.

La maljunservisto grumblis ion kolere en la barbon, supreniris laŭ la ŝtupetaro kaj fermtiris post si la pordon bruege. Oni daŭrigis la diskutadon de la afero kun plia fervoro.

*La mastro:* Jen kiel mi fidu la patron. Ke mi falsajn monerojn...

*Maran:* Sed Juhkam ja multe mensogas.

*La mastro:* Mensogi li mensogas, sed...

*La junservisto:* Sed, verdire, en tiu ĉi okazo li entute ne diris veron.

*La mastro:* Nu, bonege, sed ... Se ni tamen... Kiu do povis esti la ekprocesinto?

*La junservisto:* Ĉu tia mankas iam en la mondo? Kelkafoje oni eĉ supozi ne povas, kiu estis.

*Maran:* La invitilojn vi eble konservis.

*La mastro:* Kiu ilin konservis!

*La junservisto:* Nu, mi.

*Maran:* Alportu ĝin! Oni tie povas legi, pro kia afero oni invitas en la juĝejon.

La junservisto iris, por alporti la invitilon, dum la aliaj pli-malpli trankvile restis sur siaj lokoj. Nur Priskilla montris al Loki longan nazon kaj tiu siavice kraĉadis direkte al Priskilla, ĝis ŝia buŝo sekiĝis. Tiam alvenis la junservisto kun la invitilo: »Jen ĝi.«

*Maran:* Bone. Alportu fajron! *(La mastro malfermis sian benzin-bruligilon, ĉe kies lumo Maran legis:)* civilafero de... kontraŭ Toomas Torukolvo.

*La mastro:* Kontraŭ, kontraŭ . . . sed kies civilafero?

*Maran:* La vortoj defrotiĝis.

*La junservisto:* Ĝi estis en mia poŝo.

*La mastro:* En poŝo, en poŝo . . . Kiu portas en la poŝo tiel *gravan* dokumenton? . . .

*Maran:* ... aŭ kiu ĝin neniigas?

Oni ridis kaj kontentiĝis per tio, ĉar nenion pli saĝan oni sciis. Maran klarigis ion-alian pri la juĝproces-afero, Raavijaan rakontis kelkajn ŝercrakontojn pri la rajto de servutultempo, la knabinoj kantis. La avo ekspiris malpeziĝinte: li saviĝis kvazaŭ de morto. Jam plurfoje oni tiris lin al pento kaj indulgopeto, sed ĉiam li sukcesis sin eltiri. Vere: kiu estas eltenema, tiu havas longan vivon.

*



Teraso en la hejmo de Milles

La maljuna avo estis malsana. Serioze, treege. La bienetanojn kolerigis tiu ĉi nelaŭsezona malsano: kiu havas tempon por flegado dum kamplaboroj? Ankaŭ Maran lastatempe ne havis emon al hejmesidado. Restis nur Loki, kiu devis restadi hejme. Ŝi profitis la okazon venĝi al avo. Faris ĉion male al ordono, se ŝi entute ion faris.

Sed malmultan kontentigon ŝi havis de tio: la avo estis en stato tiel feliĉega, ke lian trankvilon apenaŭ povis ĝeni surteraj bruoj. Plejparte li dormis, vekiĝinte deliris, neniun li rekonis, al la demandoj ne respondis. Li travivis ian vivoripetadon en inversa direkto, fragmentan, malklaran, sed tamen ĉarman, allogan. Jaron post jaro li plijuniĝis, proksimiĝante de tombo al lulilo, farante dum minuto taglongajn, dum horo jarlongajn paŝojn. Ĝi estis ia freneza kurado, fuĝado de leporo for de ĉasisto, kiu ĝin trankvile atendas en la loko de forkuro, sciante, ke la leporo nepre iam tien revenos. For de mortoloko al la naskiĝloko, tie troviĝas plijuniĝo, tie resaniĝo! Sed la ĉasisto, atendas trankvile: ne saviĝos la fuĝanto de li! Trompvizioj dum la tuta vivo, trompvizioj eĉ sur la sojlo de morto, sed la nuda vero sen ili estus multe pli terura.

»El la tero oni vin prenis, en la teron vi revenos kaj el la tero Sinjoro vin iam revivigos. Amen!«

Kiun ili enterigas? Ah jes — lian edzinon. Sed strange: la tero desaltas de la ĉerkokovrilo en la manon de la ĵetinto kaj oni remetas ĝin en la apudtomban teramason. La viroj lasas fali la ŝnurojn en la tombon, eltiras la ĉerkon, metas ĝin al la veturilo kaj forveturas. Plue: ĉiuj iradas dorsantaŭe. La sakristiano foriras dorsantaŭe, post kiam, Dio scias kiel, malfermiĝinta libro frapis liajn fingrojn per siaj folioj, refermiĝis kaj saltis en lian subbrakon. La viroj portas la ĉerkon al la veturilo irante dorsantaŭe kaj la enterig-karavano reveturas hejmen kankre. Ŝajnas ridiga, sed samtempe terure timiga tiu ĉi kankre veturanta enterig-karavano. Oni sonorigas, sed ankaŭ la sonorado eĥadas iel strange: komenciĝas mallaŭtege, iom post iom plilaŭtiĝas kaj subite rompiĝas per akre-forta tono.

# Cinikaj sonetoj

— Alex Kay —

I.

— Vi estas ja homfrato!
Jen, ĉie veoj krias
kaj sortosagoj strias:
vi estus sen kompato?
— Min tia sortobato
sendube emocias,
sed, vane, mi ĝin scias
neevitebla fato.

Surtere ni aspiras
Edenon kaj aranĝi
ni scius, sed ni iras
Inferon. Kiel ŝanĝi?
La homo mem kuiras,
kion li devas manĝi.

II.

Ho, hom' de l' temp' pasinta,
vi bela rabobesto
de l' renesanc'! Sub vesto
kaŝiĝis klingo pinta,
en poŝoj oro tinta;
vi iris kun majesto
(nun festo, morgaŭ pesto)
tra l' vivo labirinta.

Por granda viv' vi ardis,
la Belon vi solenis,
kaj murdi vi ne tardis,
se vin malhelpo ĝenis,
vi kisis kaj ponardis,
ĝis — iu vin venenis.

III.

La homon Belo spronis
por arto, riĉo, milo
da verkoj, luksa brilo,
por krim', se li bezonis.
Kaj ĉion grandan donis
ĉi krimo, dum la filo
de Bono en humilo
sangŝvitis. Leĝ' ordonis:

Se Belon vi avidas,
por koro havu ŝtonon
kaj se vin Bono gvidas,
vi havos nur ĉifonon,
ĉar Bono Belon bridas
kaj Belo murdas Bonon.

IV.

Sed nun — jen sklav' post sklavo:
maŝinservistoj svarmas,
ke ĉio, kio ĉarmas,
fariĝu ĉies ravo.
Ĉu venis do la savo,
ĉu Bono plu ne larmas,
ĉu Belo ne alarmas
por trompo kaj por glavo?

Falinte al profundo,
ni luktas kun sovaĝo
ĉe ega troabundo
por eta avantaĝo.
Kainsigel' sur frunto
por — marko de malsaĝo.

V.

Ho homo de l' Futuro,
vivanta milde, pace,
ĝardene kaj palace
en lukso kaj plezuro.
El via brila turo
priridas vi grimace
nin, kiuj kulpe, lace
baraktis en teruro.

Senpeka, sendifekta,
vin nura virt' ornamas,
en vi la krim' infekta
de rab' kaj murd' ne flamas;
kiel mi vin, perfekta,
envias — kaj malamas!

VI.

Ho kara samtempano,
vi iom tro rapidis:
naskiĝi vi avidis;
nu do — je via sano.
Ne estas marcipano
la vivo, vi jam vidis:
en brano vi eksidis,
vin manĝas pork' en brano.

Sed aŭdu! Nun sonoros
konsolo kvazaŭ tosto:
ĝismorte ja doloros
mizero, krimo, frosto,
sed la printempo floros
sur — nia polva osto.

---

»Juhan-Joĉjo katon buĉis, enterigis en ĝardeno. Sonoradis ŝtono, argil' estis pano.«

La arbarbienetanoj troviĝas en Malproksimherbejo por herborikoltado. La vartistino luladas sur betulbranĉo la etan Joĉjon kaj kantas al li dormokanton. Joĉjo ja estas la unuenaskito de la junaj geedzoj, kiu per sia laŭtega kriado postulas plian atenton ol io ajn en Arbarbieneto. Ah, kiel strangaj estas la homoj! Ili eĉ diras, ke Joĉjo estas mortinta kaj ke la edzino plu ne vivas, sed ĉio estas mensogo: la edzino troviĝas sur la herbejo, Joĉjo luliĝas en lulilo plektita el betulbranĉoj kaj la bieneto vivadas kiel en la estinteco.

Malnovaj konataj hejmecaj vidaĵoj, tiel karaj, tiel sopiritaj, denove vi moviĝadas ĉirkaŭ la avo, denove pasados la tempo en agoj agrablaj. Li ne estas plu la maljunulo malforta, kiun malsano najlis al lito, sed estas plena de juneco kaj vivoforto, junmastro de Arbarbieneto, kiun ĉiu minuto pli freŝigas, de kies vizaĝo ĉiu horo defrotas unu sulkon.

Estas stranga la sento de konstanta plijuniĝo, la irado en direkto mala al ĉio vivanta. Ĉiam antaŭen, marŝi dorsantaŭe al la landoj de juneco! En la vido la estanteco kiel plej malproksima estinteco, post la dorso la travivitaj tagoj de l' juneco, kiuj dum iom-post-ioma dorsenirado aperas antaŭ la piedoj kvazaŭ multkolora florsuperŝutita tapiŝo, traplektita per oraj kaj arĝentaj fadenoj.

Aperas vizaĝoj kaj kapoj — malbelaj kaj teruraj, aliaj palaj, velkintaj, sulkiĝintaj, plue: puraj, delikataj, ĉarmaj, kiujn oni sopiradas dum la tuta vivo, sed tamen oni ne atingas. Svingiĝas al vi invite multaj manoj, oj, kiel multaj! Malgrasaj kaj ostecaj, velurmolaj kaj glataj. Gestas — ha! invitas, forpelas, minacas — kiel multesprima estas entute la mangestado! Kaj poste tiuj piedoj, kiaj el ili paŝadas ja antaŭ vi, malantaŭ vi, surpaŝas vin. Sed kion signifas ĉiuj tiuj vizaĝoj kaj kapoj kompare al meduzokapo de la Sorto, la manoj kompare al ĝiaj feraj manoj kaj la piedoj kompare al ĝiaj piedoj ĉiotretaj.

Al la landoj de la juneco, al la landoj de juneco kondukas la migrado. Dorsire alveni el ombro al sunpleno, el vintro al printempo. Sed vi eraras en la direkto: oni venas al printempo tra vintro, sed ne dorsire tra aŭtuno en someron, tra somero en printempon.

»Kiu estas tie? Vi, Loki?«

»Kaj kion tiam?«

»Kie estas la aliaj?«

»Aliaj agojn agas kaj supre sulkojn plugas.«

# LA TAGKAJERO DE AMANTO

— ĈURILO PLENKOVIĈ —

Tio ne estas belliteraturaĵo, tio estas vera tagkajero de viva homo. Povas esti, ke de stranga homo, nenormala homo, sed de vera homo, ne elpensita. Mi ne karakterizos lin: lia tagkajero estu lia karakterizo.

*15/XII.* Nun mi ne dubas: mi amas ŝin. Jam dum kelkaj noktoj mi ne povas dormi trankvile, kaj eĉ kiam mi dormas, ŝia bildo montriĝas antaŭ mi. Ŝi jam delonge plaĉas al mi; tamen ĝis nun mi ne sciis, ĉu mi ŝin amas; sed nun mi scias. Mi ne scias, ĉu ŝi amas min, sed tio ne gravas: mi amas — kaj mi estas feliĉa. Ĉu mi amindumos, ĉu mi iam kisos ŝin — mi ne scias: mi scias nur, ke mi amas, kaj mi estas feliĉa, feliĉa, feliĉa...

Kial mi ŝin ekamis? — Ankaŭ tion mi ne scias. Ŝi tute ne estas bela, kvankam ŝiaj malgrandaj manoj kaj delikata kolo estas ĉarmaj. Sed ne ili min amigis. Same ŝia karaktero tute ne estas bona: neniu ŝatas ŝin pro ŝia karaktero obstina, sentakta, malafabla. Oni diras, ke malfeliĉa estos ŝia edzo... Sed mi ne intencas edziĝi, mi nur amas.

Do, kial? Kiel naskiĝis mia amo? — Mi ne memoras tion. Ĉiuj insultis kaj insultas ŝin, mi neniam aŭdis pri ŝi favoran vorton. Kaj ili estas pravaj: ŝi havas multegajn malsimpatiajn ecojn. Sed parolante kun ŝi, mi komprenis, ke ŝi ne povas esti alia, ke ne ŝi kulpas pri sia malbona karaktero. Mi ekvidis homon, homon kun multaj malbonaj ecoj, sed vivan homon kun viva animo. Mi ekamis ŝin kiel homon... Kaj tute nerimarkeble la amo transkreskis en ampasion. Kiel? Kiam? — Mi ne memoras.

*16/XII.* Mi sidis kun kelkaj kamaradinoj; ŝi estis inter ili. Ili petis min sincere karakterizi ilin ĉiujn. Mi plenumis ilian deziron. Ŝia karakterizo estis tre severa, preskaŭ plej severa inter ĉiuj. Ŝajne, al ŝi ne tre plaĉis tio; sed kion mi povis fari, se mi volis esti sincera!?

Poste mi petis karakterizi min. La kamaradinoj komencis min laŭdi ĉiamaniere.

— Ho, kamaradinoj, — mi diris: — mi mem scias miajn bonajn ecojn, montru ankaŭ miajn malbonajn ecojn.

Ili eksilentis. Ŝi iom ruĝiĝis kaj kun rido respondis:

— Via malbona eco estas via indiferenteco al la virinoj...

— Sed ĉu vi opinias esti prava? — mi demandis: — povas esti, ke mi tute ne estas indiferenta, sed nur konfuziĝema...

Ho, diablino, ŝi vundis mian koron!

*20/XII.* Mi ne povas plu elteni, mi amegas!

Ni sidis duope; estis krepusko. Ŝi kantis. Ŝi tute ne povas kanti bone, ŝia voĉo estas falsa; sed mi aŭdis ŝin plezure kaj pasie.

Mi sidiĝis apud ŝi... Ŝi ekstaris kaj sidiĝis malpli proksime. Mi hezitis, ŝi foriris aliloken, malproksimen. Subite veninta kamaradino malhelpis min plenumi mian pasian deziron.

Vespere mi invitis ŝin promeni. Ŝi konsentis.

— Ni iru straten, — mi proponis.

— Ne, ni iru en la legejon, — ŝi respondis.

Mi volis ŝin konduki duonperforte, sed ŝi ne lasis, kaj ni venis en la legejon.

Tie, kie ĉeestis multaj personoj, mia pasio malplifortiĝis...

*23/XII.* Mi ne scias, ĉu mi amas ŝin. Mia pasio ekdormis, mi estas preskaŭ trankvila.

Sed kian sopiron mi havas! Kian turmentan sopiron! Ne, mi preferus ami, senespere ami, ol havi tian sopiron. Mi ekamu denove, eĉ se ŝi malamas min, eĉ se ŝi neniam permesos kisi ŝin. Mi legis en iu ŝirkalendaro, ke »en la amo ne estas venkita, kiu ĝustatempe fuĝis.« Povas esti, ke tio estas vera, sed... mi preferus esti venkita ol havi tian sopiregon...

*25/XII.* Jes, mi ne amas. Sed la sopiro, la enuo estas terura.

*29/XII.* Ne, mi amas, kvankam ne tiel forte, kiel antaŭe.

*30/XII.* Ni sidis kune. Ŝi laŭte lernis poemon, kiun ŝi deklamos en festo. Komencis krepuski.

Mi sidiĝis apud ŝi. Ŝi ne foriris kaj daŭris deklami.

Mi prenis ŝian manon.

Mi estis kvazaŭ ebria, mi komprenis nenion. Mi nur memoras, ke mia mano kuŝiĝis sur ŝia ŝultro, miaj lipoj ekpremis ŝian Lo'on...

Ŝi ne moviĝis dum kelkaj sekundoj. Sed subite:

---

»Iru, invitu hejmen paĉjon-panjon!«

»Eĉ en penso mi ne havas.«

»Diru, ke la avo tuj mortos.«

»Mortu, vermeto, sen ies larmeto.«

Kaj jam malaperis Loki. El ekstere. El korto. El la mondo. La avo estis sola, tutsola en la tuta universo. Li povis voki, kriadi, kiom li volis, neniu estis por lin aŭdi. Mallumiĝis la ĉambro, timige premiĝis la muroj unu al alia, kvazaŭ ili volus inter si frakasi la kuŝanton de la lito.

Sola bieneto meze de profunda arbaro, sola terglobo en la sunsistemo, sola mizera sunsistemo kun ununura suneto. Kaj en tiu ĉi mizera sistemo, sur tiu ĉi mizera terglobo, en tiu ĉi arbaro, en tiu ĉi bieneto, al homa korpo estas ligita iu, kiu tutsola devas peni por liberiĝi de tiu ĉi ekputrinta kovraĵo.

»Kiu estas tie? Kio estas tio?«

Nenia respondo. Iu estis en la ĉambro kaj tiu ĉi iu estis li, Li. La Unua kaj Lasta, Sola kaj Potenca, kiun timas ĉio vivanta.

Eksteren, eksteren... aeron, sunon... vivi., ankoraŭ vivi!

Kiam la mastro kaj mastrino kun Loki hejmenvenis, ili trovis la pordon, kondukantan el la ĉambro en la antaŭĉambron, malfermita kaj la avon kuŝanta kun la kapo sur la sojlobloko.

La malgranda boveto Punu estis buĉita por la enterig-festeno de la avo, ankaŭ la koko Kurit kaj la alia koko Peeter estis kantintaj siajn lastajn kantojn kaj ilin oni portis sur la rostaĵtelerego, garnitajn per terpomoj, al la gastaro.

Ili ĉiuj, kune kun la avo, foriris al la verdaj herbejoj, de kie ekzistas plu nenia reveno.

# POEMOJ

— Saint Jules Zee —

## Lampiroj

En la noktmaro
vagas lampiroj
inter kanaro...
jen idoj teraj
sed kun flugiloj
kvazaŭ anĝelaj,
ĉiam gvidataj
per propra lumo
laŭ vojoj fataj
ĝis la plenumo.
Embusko-side
post flustraj muroj,
homaj okuloj
gapas avide,
brilas mokride.
Iam ekvenos
ventumil-frapo
murda de knabo,
kaj oni svenos.
Sed ili iras
plu en noktmar',
ek- kaj ekbrilas
pro ĝojo, ĉar
allogas steloj
la orpalpebraj...
foraj vivceloj
neatingeblaj.

## Sopiro

Mi alligita ŝip' sur ankro,
ĉiam puŝata de ondskuo,
senpaciencas kiel kankro
malsaĝa en malluma truo.

Kiam revenas suda vento
kun la hirundoj de lastjaro,
kaj altas la ĉieltegmento,
kor' mia estas sur la maro.

La suno jam alridas kise,
kaj ondlinioj de palverdo
jen serpentumas hele-grize
ĉiam pli foren ĝis vidperdo.

Ho, mi brulegas de l' deziro
kiel nuksŝelo iri dance
sur flua vojo, en sunbrilo
al mi ne scias kie transe!

## Kiom ofte

Ho, kiom ofte la printempon sekvas morna vintro,
Kaj flora voj' kondukas je la fino nur al marĉ',
Kaj kiom da Pompejoj dormas sub morttuk' el cindro,
Kaj gigant-nomoj sub hontŝarĝ'!

Kaj kiom ofte homoj griziĝintaj en tranĉeo
Devas forlasi la standardon je la lasta hor',
Kaj per finkant' ŝafeca jen formiĝas epopeo
Glorplena pri leona kor'!

## Hodiaŭ plenas mia vivpokal'

La tero maturflavas de sekaloj.
En turoj ĝojas la sonorilhoro,
Kaj sur la kampajn domojn orpetaloj
Displuvas ŝvebe de l' sonora floro.

Hodiaŭ plenas mia vivpokal',
Fajreras, ŝaŭmas en sunbril' ĝojplaŭde.
Supren kaj supren laŭ la son-ŝtupar'
Jubile flugas la anim' alaŭde.

---

— Kion vi faras? — ŝi demandis.

— Mi amas vin, — mi respondis.

Ŝi sidiĝis iom malpli proksimen kaj kovris sian vizaĝon per la manoj.

— Sed mi estas malbona... — ŝi diris, stariĝis kaj komencis surmeti sian palton.

Kion ŝi parolis poste — mi ne memoras, sed ŝi parolis pri iaj oficaj aferoj, tute ne ligitaj kun la amo. Mi ne kuraĝis denove proksimiĝi al ŝi...

*1/I.* Ne, mi ne amas.

*5/I.* Ŝi forveturis por kelkaj tagoj. Hodiaŭ ŝi revenis.

Vespere ni sidis triope kun k-do K. Komence ni gaje parolis, poste ŝia humoro malboniĝis. La parolado ĉesis. Ni prenis librojn kaj komencis legi.

Sed mi ne povis legi: mi pasiis. Per tremanta mano mi skribis:

»Denove mi amas vin kaj plu ne povas elteni. Se K. forestus, mi ĉirkaŭbrakus vin kaj kisus, kisadus senĉese, ĝis sveno.«

Ŝi tralegis kaj ekridis. La respondo estis:

»Mi malpermesus.«

»Kial?« — mi skribis denove.

K-do K. stariĝis por foriri. Ŝi foriris kun li. Mi restis sola.

*7/I.* Mi ne amas kaj eĉ ne sopiras. Mi estas libera homo kaj volas moki ĉiujn amantojn...

*14/I.* Ni duope veturis en la urbon. Nia humoro estis bona. Ŝi tre plaĉas al mi, sed mi tute ne estas enamiĝinta.

*16/I.* Denove ŝi estas afabla kun mi, denove ni sidas kune, kaj denove mi amas ŝin.

*17/I.* Mi amegas pli ol unuafoje, mi ne povas elteni.

*18/I.* Mia amo kreskas.

*20/I.* Hodiaŭ mi vizitis ŝin en ŝia loĝejo por ofica bezono. Ni estus devintaj paroli nur dum kelkaj minutoj, sed ŝi faris tiel, ke mi sidis ne malpli ol du horojn. Ni sidis duope. Mi tre volis ŝin kisi, sed ne kuraĝis, des pli ke la parolado estis pri oficialaj temoj. Subite min oni forvokis...

Ho, kian ĉagrenon mi havis! Dum la tuta restaĵo de l' tago mi ŝajnis al mi ega stultulo, ĉar mi ne uzis la oportunan momenton!

*22/I.* Ni estis duope en la oficejo. Ŝi afable rigardis min, sed mi denove ne kuraĝis ŝin kisi. Kiam ŝi foriris, mi denove estis duonstultulo pro la ĉagreno. Ho, malbeninda malkuraĝo!!!

*23/I.* En la oficejo ni estis triope. Ŝi aludis, ke la tria foriru; sed li ne komprenis...

Mi ne povas elteni. Mi ne scias, ĉu ŝi amas min, ĉu ŝi volas amindumi... Sed morgaŭ mi devas ŝin kisi kaj respondigi — »ĉu jes, ĉu ne?« Ĉia respondo, eĉ plej malfavora, estos pli bona ol la dubo.

*24/I.* Ĉio estas finita!...

Vespere ni sidis duope en la oficejo. Ŝi legis jurnalon, mi kritiklibron pri Turgenev. Sed mi preskaŭ ne legis: mia koro pulsegis, kvazaŭ volante forsalti. Nun mi bone komprenas la esprimon: »kormalsano«: tio ne estas metaforo, tio estas vera malsano, kiam la

koro pulsas tute nenormale, kaj tial nenormale laboras la tuta organismo.

— Ĉu decidi? Ĉu ne? Kion ŝi respondos?

— Jes, mi decidu: eĉ la plej malfavora respondo estos pli bona ol dubo, ol senĉesa turmento!

Mi sidiĝis apud ŝi. Mi ĉirkaŭbrakis ŝin.

— Ho, ne faru tion! — ŝi petis.

Sed mi ne obeis. Mi ĉirkaŭbrakis kaj kisis ŝian kolon. Ŝi ekstaris kaj forkuris. Estante pli forta, mi ne lasis ŝin kaj tenis.

— Ho, ne faru tion! — ŝi ripetis ke kfoje...

Mi ne obeis. Tiel kune ni moviĝis en la ĉambro.

— Mi malpermesas! — ŝi ripetis: — ne faru tion. Mi diras serioze, ke vi ne devas tion fari.

Mi delasis ŝin. Ŝi foriris en najbaran ĉambron. Mi sidiĝis ĉe la tablo.

Ŝi sidis en la malluma ĉambro. Mi atendis. Kiom da tempo — mi ne scias.

Mi stariĝis kaj venis al ŝi. Ŝi silentis kaj ŝajnis malĝoja. Mi metis mian manon sur ŝian ŝultron. Ŝi ne moviĝis.

— Diru al mi, ĉu jes aŭ ne, — mi ekparolis dorloteme: — mi amegas vin, sed mi ne volas esti perfortulo. Diru nur: »ne« — kaj mi foriros...

— Ne, — ŝi respondis per malafabla voĉo.

— Bone, — mi diris: — tia respondo, kvankam kruela, trankviligos min. La dubo estas pli turmenta ol la neo.

Mia voĉo tremis. Mi min sentis kiel mortkondamnito. Mi foriris al kamarado, ĉe kiu mi sidis la tutan vesperon.

*25/I.* Ŝi ruĝiĝis, renkontinte min en la oficejo. Por mi la tago similas uraganan nokton.

*27/I.* Mi tute ne amas ŝin, mi estas tute trankvila. Mi eĉ ne volas ami ŝin. Mi volas esti tute libera, tute sendependa. Mi ne volas eĉ rimarki ŝin, mi ne volas ŝin preferi al iu alia.

*29/I.* Mia amo dormas. Kiel dum malforta dormo mi aŭdas ĉiun brueton, ĉiun vorton, tiel mi aŭdas, ke en la profundo de mia koro estas kaŝita ia varma, varmega sento. Ĝi dormas... sed ĉiuminute ĝi povas vekiĝi.

*30/I.* Mi ne amas. Mi preparis leteron por ŝi: mi skribis, ke mi volas disŝiri ĉiujn rilatojn, ke mi volas ŝin forgesi, kaj ke mi petas ŝin esti malpli afabla kun mi, por ke mi povu ŝin forgesi pli facile. Sed mi ne transdonis la leteron al ŝi: mi esperas, ke eĉ sen ŝia helpo mi povos ŝin forgesi. Nun mi decidu senhezite, ke mi ne devas ŝin ami — kaj mi ne amos.

*1/II.* En la vilaĝo oni klaĉas pri ŝi, ke ŝi malĉastas kun fremda edzo. Mi absolute ne kredas tion, same kiel neniu kredas el niaj gekolegoj. Mi opinias, ke se ŝi vere malĉastus kun tiu viro, por ŝi estus oportune iom amindumi kun mi, por ke neniu suspektu pri ŝia amato; tamen... mi ne kredas, ke li plaĉas al ŝi, kaj neniu scias eĉ unu fakteton, kiu tion pruvus.

Hodiaŭ oni portis al ŝi leteron. Ŝi komencis legi kaj ekridis:

— Ho, iu min ĵaluzas: »ne malĉastu kun fremdaj edzoj«... Ho, miaj manoj tremas... (ŝi ĉesis ridi) ... tio estas abomena... impertinentaj insultoj... »ni vin malhonorigos, ni pendigos ĉie reklamojn pri vi«...

Ŝi staras, ne sciante, kion fari. Ni ĉiuj rigardas ŝin. Ŝia vizaĝo esprimas turmenton...

Kamaradino V., tre scivolema kaj malĉastema, petas:

— Montru al mi!

— Ho, estas tro impertinenta letero...

— Ne gravas, montru...

Ŝi prenas la leteron el la manoj de l' ofendita fraŭlino, ĉi lasta ne protestas, kaj V. legas (certe, mallaŭte). La adresatino rigardas indiferente... subite ŝi iras en la angulon kaj komencas ploregi...

Du ĉeestantinoj volas ŝin trankviligi, sed vane: tiam ili ĉesigas tion kaj daŭrigas sian amuzon.

Ŝi ploras en la angulo, la aliaj sin amuzas, ne rimarkante ŝin. Ho, mia koro! Mia koro volas elsalti el la brusto, mi havas turmentegon, mi deziregas veni al ŝi, ĉirkaŭbraki kaj kisadi senĉese... kisadi ne kiel amoratan virinon, sed kiel amatan amikinon, kiu havas doloron, kaj kies doloron mi kunsentas...

Nenian kunsenton mi vidas. Iuj estas nur scivolemaj, aliaj estas amuziĝantaj.

Sed ĉu mi rajtas diri, ke mi estas kunsentanta homo? — Ho, ne! Oktobre, novembre mi ŝin amis, kiel homo povas ami homon. Sed poste mi nur pasiis por ŝi. Povas esti, ke ŝi, insultata kaj malamata, volis vidi en mi bonan amikon... sed mi fariĝis ne amiko, sed nur viro, kiu malsimilis ĉiujn aliajn virojn nur per sia malkuraĝemo kaj timemo.

Mi vidis en ŝi ne homon, sed nur inon, kiun mi komence amoris, poste penis forgesi, sed ne amis per vera alta amo.

Ho, mia karulino! Mi denove amegas vin. Tamen mi ne amoras vin (la amoro jam foriĝis), sed mi amas vin kiel homon, kiel amikon. Neniam mi malpurigos mian altan amon, neniam mi montros min kiel viro (se vi ne ekvolos tion!), sed mi amas kaj amos vin per amika amo. Pardonu min, mia karulino, ke mi forgesis, ke vi estas ne nur virino, sed ankaŭ homo.

Ĉesiĝu mia amoro, kresku mia amo!

*3/II.* Hodiaŭ m' vidis, kiel ebriulo penis amindumi kun fraŭlino, al kiu li ne plaĉas. Kelkajn tagojn antaŭe oni rakontis ankaŭ pri iu mia kamarado, kiu ekamis senreciproke, insistas amindumi — kaj lia amatino nun timas lin kaj ne volas resti kun li duope. Ho, mi neniam similu ilin. Eĉ se mia amo revenos, ĝi estu kaŝata de mi. Sed mi esperas, ke ĝi ne revenos: la memhipnoto estas certa rimedo, kaj se mi decidis *senhezite* ne ami — mi ne amos.

Nur mi ne hezitu! Tamen nun mi ne hezitas.

*11/II.* Denove mi tre amas ŝin. Antaŭhieraŭ vespere mi relegis mian tagkajeron — kaj la amo revenis. Hieraŭ estis dimanĉo; mi ne laboris kaj enuegis: nur kiam mi sidiĝis kaj skribis 5 leterojn al miaj geamikoj, mia enuo foriĝis.

Vespere en la legejo ni rigardis filmon »Kvieta Don«. Mi sidis antaŭ ŝi; apud mi sidis k-dino L. K-dino L. same tre plaĉas al mi, sed mi tute ne amdeziras ŝin. Mia amatino ŝajnis bela kun siaj serpentumantaj harplektaĵoj kaj brilantaj okuloj; ĉar mia benko estis sen dorsapogilo, tial mi tuŝis ŝin per mia dorso. La pasia filmo incitis min — kaj hodiaŭ mi jam estis tute enamiĝinta.

Mi ne deziras ŝin ĉirkaŭbraki aŭ kisi; mi volas ŝin forgesi, sed... mi ne scias, kiel mi povos tion fari. Ĉu esti ŝia kamarado kaj havi simplajn kamaradajn rilatojn? Ĉu eviti ŝin? — Mi ne scias tion, kaj tio turmentas min. Mi preskaŭ ne dubas, ke nenio povas esti inter ni, sed... bedaŭrinde nur *preskaŭ*, kaj ĉi tiu *preskaŭ* estas turmentanta. Ho, amoro, diablo vin elpensis!

Sed kial ŝi ne evitas min? Kial hodiaŭ, observante cerbumigan enigmon, alportitan de nia kolego, ŝia brusto kuniĝis kun mia dorso, kaj mi bone sentis ŝian fortan korpulsadon? Tio daŭris dum kelkaj minutoj, sed eĉ nun, post kelkaj horoj, mi ne povas forgesi tion...

# LA OKAZINTAĴO EN MAGNUŜOV

– MIECZYSLAW BRAUN (Lódz, Pollando) –

Tio okazis dum unu el la teruraj oktobraj vesperoj, kiam la pluvo, disrompita vente en etajn gutojn, falas el ĉiuj flankoj sur la cirkaŭajon, fluante el la malhela ĉielabismo kaj ŝvebante supren for de la tero. La vento trakuradis tien kaj reen la foirplacon de la urbeto Magnuŝov, sin kroĉante ĉe l' fenestraj kovriloj, ŝancelante la pajlajn tegmentojn de garbejoj, la vento fajfadis sur la truhavaj tegoloj sian konatan melodion aŭtunan, fine, forbatita pluve, fuĝadis en malproksiman kamparon kaj hurlis tie en dezertejo.

Magnuŝov, kuŝanta en tridekkvin-kilometra distanco de la granda fabrika urbo, jam enlitiĝis, forbarinta sin senfende per fermitaj pordoj kaj pajle ŝtopitaj fenestroj kontraŭ la malvarma penetrema simfonio de l' oktobro. Sur la kavoplena ŝoseo, komencanta siajn komplikajn rubandojn tuj apud la urboplaco, disvastiĝis nebulo. El ĝiaj grizaj vaporoj estis atendataj ĝis post horo la flavetaj lumoj de l' apudurba aŭtobuso, kiu revoje kunprenadis kutime malmultenombrajn pasaĝerojn el Magnuŝov.

Mi profunde enpremis mian ĉapon sur la orelojn, levinte la kolumon de la somera mantelo, kaj mi pasis tra la kvarangula foirplaco, tute senhoma; mi iris antaŭen ĉe la dometoj, dronantaj en inka ombro kaj nebulo, kaj ŝajne malgrandiĝintaj sub la plafono de malalte pendantaj nubegoj. La malofte starantaj lanternoj timeme ŝanceliĝis kaj sin spegulis en la sulkigitaj kotajoj, palpebrumante en la mallumo. La atendado al aŭtobuso ŝajnis tro longa, la malgajo kaj malespera enuo, kunmiksitaj kun malseketeco kaj nokto, kvazaŭ ĉirkaŭfluis iom post iom pli profunde. La monotona pluva brueto, kun mallaŭta frapado de pluveroj sur la tegmentoj, kaŭzis, ke mi, tute sola, dronis en la senluma nokta abismo, daŭranta, ŝajnas, senfine.

Mi imagis, ke malantaŭ la mizeraj muroj de la kabanoj kaŝiĝas la homoj, kiuj fuĝis for el la griza realeco en la sonĝon, plenigitan de l' suno, de l' koloroj kaj aventuroj. Nur dum la sonĝoj ili povis kvietigi la sopirojn al okazaĵoj naskiĝantaj en la neakirebla plenvivo, en la sanga ruĝo, en la gigantaj ĵetoj de l' fortego, de l' avido, de l' frenezaj faroj. Estis en Magnuŝov nenia loko por aliaj ol ĉiutagaj okazintaĵoj, elfluantaj el la gluemaj, malrapide gutetantaj horoj, monatoj kaj jaroj. En la urbeto naskiĝadis infanoj, la bovinoj naskadis bovidojn, grizaj katoj vagadis sur la kurbaj bariloj, iu mortadis de kelkaj jaroj kaj fine oni ekkantis al li je adiaŭo; la knabinoj dancadis dum la dimancaj amuzoj; poste oni dispartigis la bienon, la gepatroj mortadis, plue naskadis la melankoliaj bovinoj, junaj katoj kriadis marte, briladis la multkoloraj foiroj, de tempo al tempo iu ŝtelis ĉevalon, kaj iafoje bruliĝis du-tri kabanaĉoj, kraketante en la fajro pro ĝojo. Ĉio-ĉi estis konata, ordinara kaj kutima, kaj nenio okazis en tiu ĉi malriĉeco, kvazaŭ la mondo jam ne havus sovaĝajn elementojn, kruele neantaŭvideblajn.

Antaŭ triaranga drinkejo, tamen la plej grava en Magnuŝov, balanciĝis lada tabulo kaj laŭtakte frapis la muron. Pentrita sur lado, nigra mano indikis la eniron, el kurba surskribo restos sole kelkaj forskrapitaj literoj. Mi eniris en la drinkejon. La mallarĝa ejo dronis en duonmalhelo, lumetis la petrollampo, fiodoris kolbasoj kaj tabakaĉo. Super la malsvelta ŝranko pendis flaviĝinta olepresaĵo, prezentanta batalan scenon el la mezepoko, sur la bretoj premiĝis boteloj kun potetoj, sub la muro troviĝis tabloj, kovritaj per vakstolo.

Salutis min hundo, jam tre maljuna, metante sian pezan malgajan kapon sur mian malsekan mantelon, poste ĝi meditante foriris. El la profundo aperis knabino eble dudekjara, ŝi rigardis min per miraj okuloj kaj min salutis. Dum mi serĉis lokon ĉe la tablo, ŝi eliris deantaŭ la bufedo kaj indikis al mi la flankan pordon.

— Bonvolu, sinjoro.

Mi eniris la apudan ĉambron. Tie troviĝis ankoraŭ du tabloj; ĉe unu sidis viro apoginta la kapon sur la manojn. Antaŭ li staris botelo kun brando, sed preskaŭ malplena, tio pruvis, ke li pasigis ĉi tie jam sufiĉe longan tempon. Mi sidiĝis ĉe l' najbara tablo, elmanteliĝis kaj mendis — kion konvenan dum tiel terura vetero? — glaseton da brando. Mia najbaro, senmove rigardanta la spacon, ankoraŭ ne rimarkis mian ĉeeston. Li, ŝajnas, admiris ian por aliaj nevideblan pejzaĝon, pendigitan inter la malnova forno kaj la muro, pentrita per ornamfloroj, kie la nigra ŝvela araneo gardis sian reton.

La najbaro aspektis preskaŭ juna, lia vizaĝo estis vigla, kvankam sulkiĝinta, la kapo iom grizhara, la okuloj — la pligrandiĝintaj pupiloj — estis ardantaj. Jes, la okuloj estis nepre inspiritaj de ebrio. Kiu li estis? Ĉu ia administranto, ĉu malriĉiĝinta bienhavinto, ĉu alveninto el fremdaj landoj, ĉar li havis veston malsimilan ol la kutime portataj. Homo renkontita, eĉ preterpase, kiel dum vojaĝo, ekscitas nian scivolecon pro nekonata kialo. Eble tial, ke li estas sola kaj neripetebla, sed home al ni simila.

Ni sidis senvorte, unu apud la alia, aŭdante la bruon de l' pluvo kaj la ventan fajfadon en la kamentubo. La knabino lerte sin movis kaj starigis antaŭ mi sufiĉan glaseton, kaj demandis mian najbaron:

— Ĉu vi ankoraŭ trinkos, sinjoro?

---

*12/II.* Mi ne povas diri: »mi ne amas«, sed mi povas diri: »mi ne volas ami«. Per tio mia nuna sento diferencas de la sento, kiun mi havis kelkan tempon antaŭe.

Tamen mi timas, ke post kelkaj tagoj mi denove ekvolos ami!

*13/II.* Ni sidis kune duope, rigardis ian libron kaj babilis. Kaj nenia pasia deziro, kiaj ofte okazadis antaŭe. Mi opinias, ke min helpas la memhipnoto, ke ĉio estas finita.

Kiam ŝi foriris — nur iometa enuo kaj nenio alia.

Vespere en la kunveno de l' literatura rondeto mi tute bone distriĝis, kaj post la kunveno mi estis gaja, kaj kontenta, ke mi sentas nenian amon al ŝi.

Nur mi ne relegu mian tagkajeron!

14/II. Se la amo similas tajdon, la lasta tajdo estis plej malforta. Hura, mi esperas, ke mi estos libera!

*21/II.* Nu, mi ne dubas, ke mi ne amas. Mi evitas esti sola, mi preferas sidi kun fraŭlinoj, sed kiam mi sidas kun ŝi, mi havas nenian alian senton, ol kia en mi estas, kiam mi sidas kun k-dino L. aŭ N.

Stranga estis mia amo! Kiaj estis la kaŭzoj de tiu strangeco? — Mi opinias, ke unue tio, ke mi ne tre amis ŝin kiel homon, sed nur amdeziris ŝin. Ekzemple, se mi enamiĝus al k-dino L. (kiun mi tre amas kiel homon), mi ne povus pri ŝi tiel facile elamiĝi. Due — ŝia malafabla »ne« de 24/I. Ŝi ne ĉiam estas malafabla: male, ŝi estas afabla kun mi. Sed kiam mi ekmemoras tiun vorton kaj la voĉon, per kiu ĝi estis dirita, mi fariĝas indiferenta al ŝi.

Kaj entute — min savis kontraŭ mia amo mia memhipnoto, nur mia memhipnoto!...

— — — — — — — — — — — — —

Do, la amo estas finita. Estu finita ankaŭ mia tagkajero — mia tagkajero de malfeliĉa aminto!

Li kapjesis kaj ekrigardis la knabinon. La rideto ĉirkaŭheligis lian vizaĝon; tiel ridetas kutime la bonkoraj homoj, kiujn oni nomas grandaj infanoj, ĉar ili ne konas la arton mensogi per la vizaĝo kaj okuloj.

— Bonvolu, li respondis brustvoĉe, akcentante la vortojn fremdmaniere.

— Dankon, mi ne pli manĝos, sed mi ankoraŭ trinkos. Kaj mi petas pri citrono. Ĉio-ĉi sufiĉas.

Nur ĉi-momente li min ekrimarkis, dum la knabino malaperis for el la ĉambro, klinante sian helharan kapeton, preskaŭ infanan. La viro rigardis min penetreme kaj alproksimiĝis la glaseton al la buŝo.

— Mi petas, li diris, vi sola, mi sola, ĉio-ĉi sufiĉos.

Ni ektrinkis. Ankoraŭ devis pasi la momento, dum kiu du nekonatoj atendas ian internan signalon antaŭ la interŝanĝo de la pensoj.

— Vi alveturis el la urbo? — li demandis.

— Jes. Kaj mi tuj revenos.

— Do ni veturos kune. Nun estas iom tro frue. Sinjoro, ĉu vi rimarkis tiun ĉi knabinon? Ŝiajn malgajan okulojn? Kaj la manojn! Kiaj manoj ĉu vi rimarkis? Tiel delikataj, similaj al la petaloj. Permesu al mi, ke mi plenigu vian glaseton. Ŝi memorigas al mi iun alian, neviditan jam de multaj jaroj. Se oni traveturas preskaŭ la tutan mondon, rigardante ĉiun renkontiton, venos la konvinko, ke ne ekzistas du samaj homoj, kaj la homa simileco estas nura iluzio. Certe, sufiĉas ankaŭ la iluzio.

La knabino starigis antaŭ mia nekonato plenan brandbotelon. Ŝi jam ekiris al la pordo, kiam li ekdemandis:

— Vi sola laboras ĉi-tie?

— Mi helpas mian patron, ŝi respondis mallaŭte, mia patro tuj venos.

— Kaj la patrino?

La junulino iom malgajiĝis.

— Mi entute ne memoras mian patrinon, ŝi mortis, kiam mi estis ankoraŭ infano.

Ŝi staris sur la sojlo, rigardante la nekonaton kaj malaperis en la pordo.

— Bedaŭrinde, ke ŝi mizeras ĉi tie, mi diris, ĉi tiun drinkejon vizitadas aĉa societo, precipe dum foirtagoj.

La nekonato ektrinkis.

— Mi ankoraŭ ne komencis rakonti, li diris ridetante, sed mi sentas min proksima al konfesoj, kiuj vin eble ne interesos. Mi konscias, tion kaŭzas la brando. La alkoholo eligas el mi, kiun vi vidas antaŭ vi, ian alian estajon, jam delonge malekzistantan en la vivo. Jen la maniero de la spiritelvoko, — jen la branda spiritismo...

Mi ne apartenas al la konfesamatoroj, estigitaj de alkoholvaporoj, sed tiu mirinda homo kapablis allogi la atenton. Lia profunde vibranta voĉo atestis pri sincereco kaj vero. Mi komprenis, ke lin turmentas iu el la vivaferoj, kiuj, kutime kovritaj per longedaŭra sekreto, fine trovas okazan aŭdanton, eble ne ĉiam indan. Estis tamen mirige, ĉar laŭ la cirkonstancoj mi opiniis, ke la nekonato ne evitos la falsan ebriulan patoson. Sed li parolis simple, rigardante miajn okulojn; li kunmetis fortajn ordinarajn vortojn, — ne! li eĉ iom ne ebriis.

— Jam, ŝajnas, de du aŭ pli multe da jardekoj mi ne vidis tiun proksiman urbon. Ĉe la flanka strato troviĝas tie malgranda dometo kun verdaj fenestrkovriloj, antaŭ ĝi ĝardeneto, pelargonioj, aliaj floretoj kaj kelkaj arboj. Oni eniras la loĝejon sur kvar ŝtonaj ŝtupoj, mi memoras, ke unu ŝtupo estis disrompita. Jen jam la eksterurba kvartalo, ĉe la fino de la Aleo Tilia, tuj post la ruĝa fabriko, — vi certe scias, kie ĝi troviĝas...

Mi sciis bone, ke sur tiu loko staras nenia dometo. De post la milito, la urbo plilarĝiĝis, la iama tilia kvartalo ektroviĝis preskaŭ en la centro, oni konstruis novan straton kaj traman linion ĝuste tie, kie staris la poste malkonstruita dometo. Kompreneble, ankaŭ la ĝardeneto ne ekzistas, eĉ ne ĝia postsigno. Dum vesperoj elektrajn lampojn respegulas la asfalto de la veturejo. La strateto, iam nomita Aleo Tilia, ekzistas nur parte, sed kun la lasta forhakita tilio malaperis ankaŭ la malnova nomo. Hodiaŭ ĝi nomiĝas Fela strato, komerca kvartalo, plena de kriegantaj revendistoj kaj frapantaj ŝildoj. Mi ne volis diri la veron al mia okaza akompananto, por ke mi ne forpelu liajn elmemorajojn, alfluantajn en plenaj ondoj. La atesto, ke jam ne plu ekzistas la domo kun la verdaj fenestrkovriloj kaj ĝardeneto, povus montriĝi tro kruela al li, kiu memoris, ke la ŝtona ŝtupo estis iam disrompita.

Mi kapjesis kaj silentis.

— All right! — li ekĝojis, — ĝuste tie loĝis mia knabino, al ŝi mi venadis, ankoraŭ juna knabo. Vi certe komprenas la ĝojon de l' enamiĝinto? Ĉiutage je la sama tempo ŝi atendis min ĉe la fenestro. Ŝi estis bela vere. Mi ne sciis ekspliki mian admiron kaj senton. Mi nomis ŝin per dolĉaj nomoj, mi komparis ŝin al pomujo, kovrita de blankaj floroj. La gepatroj de mia solulino ne tro volonte min akceptadis, ĉar, verdire, al ŝi mi nenion povis oferi, krom mian koron. Sed tiu ĉi koro estis plenplena de amo, kaj pro la sento momente ĝi ĉesadis frapi. Vi aspektas, kiel homo komprenema pri sento, tian aferon oni ne povas primensogi, ĝin oni devas travivi. Sed kio mi estis tiutempe? — lernanto, mizera lernejano, ne konanta la vivon, sed certega kaj konvinkita, ke li estas pli forta ol ĉiuj, dank' al la amo. Mi estis malriĉa kaj orfa. Ni ambaŭ projektis tiel la estontecon, ke mi finos la lernejon kaj poste mi ellernos ian profesion, fine ni geedziĝos, se mi trovos vivrimedojn. La dekokjara knabo fidas,



Paulus Potter — La virbovo

ke ŝajne la homo disponas sian vivon kaj neniu povos al li malhelpi. Tiam mi eĉ ne komprenis la vorton »la sorto«, mi pensis, ke ĝi servas nur, kiel senkulpigo por la malfortuloj kaj ŝanceliĝantoj. Baldaŭ mi konsciis, kiom malmulte la homo povas disponi pri si, aŭ elekti ion ajn. Tio komenciĝis de la obstino de ŝiaj gepatroj. Ni ambaŭ ploris kaj certigis unu la alian, ke ni kune laboros, ke ni aranĝos konvene la vivon, kaj la feliĉo nin ne forlasos. Ne, kaj ne, la gemaljunuloj malfidis al ni. Ĉio ĉi okazis pro tio, ke jam li ombris mian vivon, li, simila al la ombro de l' morto, fortega kaj nevenkebla. Sinjoro, ni trinkos ankoraŭ unufoje, bonvolu.

La patro de la knabino havis amikon, viandiston, sufiĉe riĉan homon. La viandisto estis jam maljuna; al mi ŝajnas, ke tiaj homoj neniam estas junaj: Li, vidvo senida, besto kun flavruĝaj viloj, ekamis mian solulinon kaj decidis edziĝi al ŝi, al juna infano. Li havis monon, kaj ŝiaj gepatroj malriĉiĝis, baldaŭ pro la ŝuldoj estis vendota la dometo, kiun mi menciis, kun la verdaj fenestrkovriloj kaj la ĝardeneto. La viandisto povis helpi ilin kaj savi de la ruiniĝo, do ili interkonsentis rapide fianĉinigi al li la knabinon.

De la tempo, kiam estis al mi malpermesite viziti ŝin, ni renkontiĝadis kaŝe, kaj la knabino ne ĉesis plori. Fine ni decidis, ke mi forveturos en la mondon por konkeri riĉaĵon, kaj post unu jaro, eble post du, mi revenos. La dometon ni reaĉetos de la kreditoroj kaj loĝos kune kun la gepatroj. Tiam, vi scias bone, oni veturadis Amerikon por konkeri trezoron; multaj revenis de tie kun plenaj poŝoj, mi silentas pri tiuj, kiuj neniam revenis. Tiel ni decidis dum nia lasta renkonto en la malproksima aleo de la apudurba ĝardeno.

La frua junio eksplodis per siringoj, ĉiu folieto vibris de feliĉo, la tuta tero pleniĝis per amo. Oni devis adiaŭi. Ŝi metis siajn blankajn manojn sur miajn brakojn, karese premis sian helharan kapeton al mia brusto kaj flustris plore:

— Ne forlasu min, helpu min, mi estas sole via...

Mi kisis ŝian buson kaj okulojn, mi ĵuris je Dio, je mia vivo kaj nia amo, ke mi revenos por ŝi, kaj poste ni neniam disiĝos plu. Ni fidis, ke ŝi atendos min, elpetinte ĉe la patrino la prokraston de geedziĝo, kaj mi reveninte forigos la ombregon de la abomena maljunulo.

Dum la kvieta vespero, plena de larmoj, kisoj kaj karesoj, ni, — tute venkitaj de la amo, forgesiĝis. Tiu ĉi sola horo estis al mi donacita sur la tero dank' al erara preterlaso de la fato.

— Vi estas jam mia edzino, — mi diris al ŝi, dum ni hejmeniris, — kaj nun sole la morto povos disigi nin.

Ni iris silente. La vortoj estas bezonataj por la homoj nur ĝis ia momento, poste oni ne bezonas paroli. Pli bona estas la silentado, ĝi sufiĉas. Kiam ni foriris el la ĝardeno, ni rimarkis lin, — de tiu momento li sekvis niajn paŝojn, li, klinita preskaŭ ĝibe. Jen estis la satano kaj mi vidis lian vizaĝon.

Mi eniris la loĝejon kaj anoncis al la gepatroj, ke mi forveturas malproksimen, kaj kiam mi revenos por ilia filino, jam nenia potenco disigos nin vivaj. Tuj alkuris li, simila al la vesperto kun dismetitaj haroj. Mi rememoras lian raŭkan voĉon, kriegantan:

— Vi arogas vagi kun tiu junulaĉo? Vi min ne trompos! Neniel!

La gepatroj penis lin trankviligi kaj pardonpeti, ĉar ĉio ĉi baldaŭ finiĝos, mi ja veturas for. Li furiozis de la kolero.

— Vi, knabinaĉo, li minacis al ŝi kaj lia buŝo estis ŝaŭmkovrita, — vi lin plu neniam rigardos!

Mi, senkonsila, staris ĉe la muro, kunpremante la pugnojn, dum li subite frapis mian tempion kaj penis min forpuŝi. Min kaptis tiam furiozo, al mi nekonata de tiu tempo. Mi memoras, ke mi prenis la hakilon, kuŝantan apude sur la metitablo, kaj lin ekbatis. La frapo devis esti fortega, li apenaŭ defendis sian kapon per la mano, sed la hakilo frapis la manplaton. Li tuj ekĝemis, kiel vundita urso, kaj abunde verŝis planken la sangaĉon.

— Mia mano, li kriegis dolore, la fripono forhakis miajn fingrojn...

Ĉio ekbolis. Krie vokitaj, alkuris la homoj de la strato kaj nun la sango ŝprucis fontane sur la meblojn kaj murojn. La virinoj ploris. Dum tia ĥaoso mi eskapis kaj fuĝis.

Baldaŭ komenciĝis mia vagado. Mi ekaŭdis ankoraŭ, ke li perdis tri fingrojn de la dekstra mano kaj ne povis manpremi la viandistan tranĉilon. Al mi ŝajnis bedaŭrinda nur tio, ke ŝi ĉeestis la interbatiĝon, — sed kiel helpi? — eĉ la plej eta ero estas nereprenebla de la pasinteco.

Bonvolu, sinjoro, ni trinkos iom.

Mi forveturis. Kie mi estis dum tiuj jaroj? Mi laboris sur diversaj kontinentoj, sur la maroj, sur la insuloj, inter nigraj kaj flavaj vizaĝoj, mi elterigis kupron kaj arĝenton en minejoj, mi vagadis kun karavanoj sub la varmego de afrika suno, mi estis hejtisto sur vaporŝipoj, en intermontoj mi dispecetigis ŝtonojn, mi pene portadis ŝarĝojn, kurbigantajn la ostaron, mi mortadis de soifo en dezerto, mi frostiĝadis dum ĉepolusaj noktoj, mi alterne plenumis la volon de la sorto.

Kiomfoje la morto ĉirkaŭis min! Kiomfoje la horoj noktaj ellongiĝis ĝis la limo de l' eterneco, dum la sopirego premis mian gorĝon! Mi kaŝis min en mian memon, en la plej misteran anguleton de mia estado. En la mondo de fermitaj okuloj mi rigardis viziojn, kvazaŭ el pasinta enkorpiĝo: la dometo kun verdaj fenestrokovriloj kaj ŝi, atendanta min, gaja kaj larmplena. Per nemateriaj plandoj mi paŝis tra la ŝtupareto, kiel nevidebla ombro mi staris ĉe ŝi kaj flustris senvoĉajn vortojn.

Vekis min bruego de ŝipmaŝinoj, krioj de kameloj, la fajfo de vipo gardista en minejoj, aŭ neatendita timego antaŭ la nigra ĉielo de la soleco.

Mi kunŝparis la monon, kiam pasis jam ĉiuj horoj de mia printempo. Mi revenis nun tro malfrue por ekvidi ŝin aŭ ŝian ombron. Mi ne volas esti fantomo de la pasinteco, mi ne timigos ŝin per mia apero. Se ŝi ne atendis min — mi pardonos, mi jam delonge pardonis al ŝi. Tiom da jaroj forpasis kaj mi nenion anoncis.

Al li mi neniam pardonos. Ĝis la hodiaŭo mi konservis la amon kaj malamon, ne perdinte eĉ unu guteton. Mia amiko, — permesu, sinjoro, ke mi tiel vin nomu post la tuta konfeso, — vi miras sendube, ke mi ne alveturis rekte tien, en la apudan urbon, sed mi troviĝas ankoraŭ ĉi tie? Por la ekkono de la lasta vero oni devas alproksimiĝi iom post iom, malrapide. Eble mi pli bone faros revenante tuj, ĉar mi ŝin eltrovos jam en nenia urbo de la mondo? Se vi komprenis min, ĉio ĉi por mi sufiĉos. Kaj mi entute ne estus reveninta ĉi tien, se ne ekzistus la penso pri la plej alta sankteco... Jes, mi fidas, ke devis naskiĝi la infano.

Mia najbaro kovris la vizaĝon per la manoj kaj eksilentis. Liaj mallarĝaj manplatoj, ŝajnas, penadis ŝirmi liajn okulojn antaŭ la lumo. Kiam li ankaŭ rigardis min, mi rimarkis sur lia sulkigita vango larmon, honte malsuprenfluantan.

La botelo jam malpleniĝis. La knabino eniris la ĉambron kaj demandis:

— Ĉu mi povas ankoraŭ servi al vi?

Mi dankis. La alkoholo jam batis mian kapon per ebriigaj ondoj.

— Ĉu la aŭtobuso jam alveturis? — mi demandis.

— Mia patro estas reveninta de la urbeto, ŝi respondis, li certe scias.

La patro, kliniĝante dum salutoj, eniris la ĉambron. La maljunulo kun forstarantaj grizaj haroj ĉirkaŭ la larĝa kalvajo, malsvelta, iom ĝiba, skuiĝis pro la pluvo kaj parolis raŭke:

— Malbenita vetero, estimataj sinjoroj. Ĉu mia filino konvene servis al vi? Ĉu eble vi deziras ion varman?

Per la mallarĝaj okulfendoj li observis ĉiun el ni, kalkulante la valoron de liaj gastoj. Dum mi rigardis tiun saltetantan figuron, aŭdante lian raŭkan voĉon, al mi ŝajnis nekredeble, ke li estas la patro de tiu ĉi trankvila estaĵo kun la grandaj malgajaj okuloj.

— La estimataj sinjoroj atendas la lastan aŭtobuson? Tuj ĝi venos, kvankam iomete malfruiĝinta. Dume vi

# Sinjoro U.

— Paul Morand —

— Pardonu, sinjoro, ĉu ĉi tie staras la numero 489 de la kvina avenuo?

— Jes; ĉu vi ne scias legi?

— Ne, sinjoro.

— Post ĉio, kion la demokrata partio faris por la popolo!

Je la tria matene, s-ro Doolittle, elirante de ĉe Texas Guinan, klopodis reveni hejmen. Pluvis. Forgesante la malaltan plafonon de la nokto-kabaredo, la plezur-kolorajn lampojn kaj malklaran drink-miksaĵon de frukto, dinamito kaj kolonjakvo, li ĵus eniris la kvinan avenuon, en tiu soleca horo, por profiti la tutan larĝon de l' vojo kaj duonforme konduki sian veturilon, kiam viro sur la trotuaro signis al li halti. S-ro Doolittle bremsis, vost-al-kapis kaj apenaŭ evitis frakasiĝon kontraŭ la dommuro. Li grumble leviĝis de sia sidilo, tamen li estis ravita pro tiu lasta okazo ne enlitiĝi. Antaŭ li staris granda, malgrasa ĉino, kovrita de polvo kaj arane-retoj, malbone ŝirmita kontraŭ la pluvo per du malnovaj matoj, en formo de pastra mesvesto, kunligitaj per ŝnuretoj; kaj perĉene la kondukis blankan kokon. S-ro Doolittle kredis, ke tiu estas ruza varbanto por opi-fumejo kaj li jam sin preparis al ekmoviĝo, kiam la alia daŭrigis: »Indulgu min, sinjoro, mi ne indas, mi vere ne indas. Mi venas peti de vi servon, kiu al vi nenion kostos. Mia nomo estas U. Mi estas nek de New-York nek de 1926: mi venas de Kansu kaj de la 9-a jarcento.«

S-ro Doolittle estis tiom ebria, ke li opiniis tute komprenebla esti alparolata, sur la kvina avenuo, de viro mil jarojn pli aĝa ol li.

— Vi estas reaperanto? li demandis.

— Jes, respondis la ĉino, kaj reaperanto, kiu suferas mizeron.

— Mi estas irlandano, kiel vi certe tion vidas, diris s-ro Doolittle; mi tre ŝatas la fantomojn. Kion mi povas por vi fari?

— Jen, respondis la reaperanto. Vi scias, ke en la epoko de la Tangoj — mi vivis sub tiu dinastio kaj mortis en la jaro 837 de via ero — oni entombigis la mortintojn kune kun statuetoj el kuirita argilo, kiuj, post la enterigo, animiĝis kaj servis al la mortintoj. Mia tombo, laŭ la kutimo, enhavis servistojn kun kunigitaj manoj, dancistinojn, grimacantajn militistojn, dromedarojn ornamitajn per fandfluaĵoj el verda emajlo, aprojn, ĉevalojn el ruĝa tero, tutan belegan rajdistaron, entute miniaturon de tio, kion mi devis forlasi sur la tero, kie mi estis akademiano kaj honora Vic-reĝo de Kansu. Tiuj statuetoj zorge priatentis mian dormon kaj miajn manĝaĵojn laŭrite. Bedaŭrinde ili estis tro belaj. Ĉina proverbo diras »Malbela virino estas trezoro en la familio.« La samon oni povus diri pri la tomb-statuetoj, ĉar ĝuste tiu ilia beleco igis ilin dezirindaj. Antaŭ du monatoj, proksimume en la tempo de la oka luno, komercisto el New-York, kiu rabe kolektis antikvaĵojn en Kansu, profitis de la anarkio, en kiun falis tiu kompatinda provinco, kaj apertigis mian tombon. Lia atento estis altirita de la multnombraj alegoriaj surskriboj kaj de la riĉeco de la maŭzoleo. Mi estis mem ĝin planinta dumvive. Dek ok astrologoj estis antaŭe konsultitaj pri la situo kaj direkto de la grundo, kiun ili elektis inter cent, helpe de la magia kompaso kaj de la spegulo: nenia stelo super ĝi, nenia drako sub ĝi ĝenis mian ripozon. Iun matenon mi aŭdas frapon, la lumo min blindigas kaj mi vidas sin klini super mi nigran vireton, en griza jako kaj blankaj gamaŝoj, kun rozo ĉe la butontruo; liaj haroj similis la felon de ĵusnaskita ŝafido. Malantaŭ li staris kvarrada veturilo, sen ĉevaloj, kiel la via, plena de monsakoj. Tiu, kiu tiel aŭdacis kunigi la mondon de la lumo kun tiu de la tenebro, portigis per sia »comprador« monkompenson al la loka sub-prefekto kaj forportis ĉiujn statuetojn, kiuj ornamis kaj defendis mian tombon. Simile al la vulpoj, kiuj en niaj legendoj eniras domojn kaj forprenas ĉion, kio al ili plaĉas, tiu individuo, post atenco al mia tombo, senprokraste transiris la maron kun sia akiraĵo, sur fajra ĵonko.

De tiam, sinjoro, mi ne havas ripozon. La naibaraj mortintoj, sciante, ke mi nun estas senhelpa, venas ŝteli de mi la manĝaĵojn, la ricinoleon, la zingibran tizanon, la parfumojn kaj kandelojn, kiujn mia posteularo daŭrigas pie kaj honore ofer-donaci al mia animo... Mi devas eliri por manĝi. Mi fariĝis unu el tiuj almozaj spiritoj, kiujn abomenas ĉiu honorinda ĉino. Mi devas min nutri per tripoj de kokido, per mortintaj katoj aŭ per la propraj pedikoj. Okazas, ke mi vagas ĉirkaŭ domoj, kie oni buĉas porkojn, kaj ke mi, Vic-reĝo, surventriĝas por leki la sangriveretojn en la strata polvo. Por eĉ ne paroli pri la miksita kompanio de la sentombaj fantomoj, kiujn mi estas de nun devigata frekventi por vivi: maristoj malaperintaj en la maro, fulmotrafitaj kampuloj, kulioj mortintaj eksterlande, aŭ, kio estas ankoraŭ pli abomena, soldatoj mortigitaj sur la batalkampo. Tial vi vidas mem... mi estas nur fadeno. Mia animo neniam plu havos sufiĉan forton por reenkarniĝo. Tragike estas; mi ne povas esti promociita al supera rango kaj mi estas fantomo senigita de ĉia postmorta favoro.

La ĉino duonapertis siajn matojn: lia malplena ventro estis diafana; s-ro Doolittle trae, vidis skeleton, kaj la *astran* korpon apenaŭ elstarantan de la skeleto sukcesos, estimataj sinjoroj, iom trinki antaŭ la vojaĝo, ĉar tiu ĉi boteleto jam sekiĝis ĝis la fundo...

Kun servema rideto li levis la botelon al la lumo.

Kaj nun mi rimarkis, ke li tenas ĝin per du fingroj, ĉar en la loko de la tri mezaj fingroj estis sole mallongaj trunketoj. La petrola lampo flagretis trans la vitro. La maljunulo pene tusis, kaj la nekonato senmoviĝis kaj rigardis la kriplan manplaton. La filino tuŝis la manon de la patro.

— Patro, ni malhelpas la gastojn...

Mi ekrigardis mian kamaradon. Sur lia vizaĝo okazis mirinda ŝanĝo, la sulkoj ekglatiĝis kaj malaperis, liaj okuloj ridetis kiel dum admiro. Subite malkaŝiĝis al li la granda kompreno. Li restis en admiro kun manoj kunmetitaj kvazaŭ dum preĝo, kaj li silentis, dum el la ĉambro eliris — la filino kaj la patro.

Trans la fenestroj, kovritaj per la tuko de l' nokto, sopireme ĝemis la sireno de l' aŭtobuso. La vento fajfis kaj pluve batis la vitrojn.

La nekonato leviĝis kaj etendis al mi la manon.

— Mi restas, li diris. Mi havas jam devon por esti ĉi tie, — kaj aldonis: — ĉio ĉi sufiĉas.

Mi premis lian manon kaj iris for senvorte.

Apenaŭ la aŭtobuso formoviĝis sur la kotplena vojo, jam la tuta Magnuŝov fordronis en la malproksimo kaj falis en netravideblan bonfaran nokton.

per verdeca ringaĵo, kaj interne de tiu korpo la lumigitajn fenestrojn de la Plaza.

Post longa serĉado, daŭrigis s-ro U, mi malkovris, ke mia rabinto nomiĝas Willy Judesheim kaj loĝas en New-York. Mia ĉasado estis speciale malfacila, ĉar tage mi estas senmovigita en mia tombo; nur nokte mi povas lin postkuri. Nun la plej malfacilan mi faris, mi trovis lian domon. Sed al kiu mi plendu? En Ĉinio, tamburo pendas apud la dompordo de la mandarenoj: kiam plendanto frapas sur ĝi, la funkciulo devas tuj aŭskulti, pri kio temas kaj eldiri sian juĝon; nenion similan mi vidas en Ameriko. Kie estas via juĝistaro?

— Mi tute ne scias, respondis s-ro Doolittle, mi diris, ke mi estas irlandano. Kaj politikulo mi estas. Miajn aferojn mi aranĝas sen la juĝistaro.

— Kaj rimarku, sinjoro, ke mi eĉ ne povas laŭ la rito, min venĝi al s-ro Judesheim per memmortigo antaŭ lia pordo, ĉar mi jam estas morta. Alie mi kompreneble elektus, por esti al li malagrabla, la plej suferigan mortmanieron, la mempendigon. Por igi lin publike respondeca pri tio, mi enmetus mian akuzleteron en mian boton, aŭ eĉ pro rafinemo kaj por ke li plene konfuziĝu, mi skribus sur mian haŭton la precizan motivon de mia memmortigo... Sed neeblaĵon oni povas de neniu postuli... Mi do devas mem aranĝi la proprajn aferojn kun via bonvola helpo. Mi jam demandis vin, kiam mi vin alparolis, ĉu ĉi tie staras la numero 489?

Kaj per sia senkarna fingro, s-ro U montris grandan renesancan palacon, en stilo Tudor, briko kaj ŝtono, kie nenio supozigis negocejon krom du tonditaj taksusoj kaj rava nigra marmora plato, diskreta kiel vizitkarto, sur kiu oni povis legi:

WILLY JUDESHEIM
Eksperto kaj vendisto de ĉinaj antikvaĵoj
el tre malnova epoko.

— Estas tie, daŭrigis la aperanto, tuj post kiam s-ro Doolittle deĉifris la surskribon. Necesas rapide agi... Mi sentas min perdita en via fora regiono, kie la domoj havas pli ol unu etaĝon kaj la virinoj grandajn platajn piedojn; kie oni renkontas nek flavan lamaon nek kamelon... Jen kion mi atendas de vi, homo viva: Kriu en ĉina lingvo la jenan frazon:

Ju-ĉe ki-k' o ĉang Kan-su k' iu. K' in ce

Tio signifas proksimume: »Laŭ imperiestra ordono, tiu kanajlaro tuj revenu al Kansu«. Je la vortoj »Imperiestra ordono« mia servistaro kaj gardistaro, el kuirita argilo, kiuj estas de epoko, en kiu la subuloj ankoraŭ respektis siajn mastrojn, obeos kaj revenos al mia tombo. Sed estas esence necese, ke vi, kaj ne mi, parolu, ĉar, vi eble ne scias, ke la tera aŭtoritato etendiĝas al la infera j estaĵoj kaj kie fantomo havas nur fantomon de forto, tie la prestiĝo de la vivanto plene efikas, precipe se li ordonas laŭ imperiestra ordono.

S-ro Doolittle rimarkigis, ke li ne povas eniri la domon de s-ro Judesheim, ĉar la pordoj estas gardataj per eksplodiloj kaj detektivoj.

— Nur proksimiĝu al la muro, respondis la fantomo: miaj servistoj staras en la alia flanko; mi povas ilin vidi, ili ĉiuj estas grupigitaj en la marmora halo de la teretaĝo, vicigitaj en vitrino; ili vin aŭdos. Anstataŭ sabron tiom utilan por timigi la spiritojn, svingu vian pluvombrelon kaj iru unue al la kvar ĉefdirektoj, kiel tion rekomendas la sorĉalvokaj formuloj.



Waardenburga muelilo kaj digo

Kaj, enspiru kaj glutu vian spiron, kiel la astrologoj, kaj precipe tre forte.

Ju-ĉe ki-k' o ĉang Kan-su k' iu. K' in ce

hurlis sro Doolittle, dufoje per voĉo de publika kunveno.

Tiam terura frakaso aŭdiĝis. La noktpordisto eliris el la Plaza. Policistoj alrapidis sur motocikloj, sekvataj de gazetvendistoj kaj prostituitinoj. Poste morta silento...

— Mi dankas vin, sinjoro, diris la viro vestita per matoj. Nun, kiel vi vidas, la blanka koko, kiun mi kondukas kaj kiu estas la fidela kompano de la fantomoj, komencas maltrankviliĝi. Lia unua krio estas proksima. Mi devas reiri al mia korpo kaj al mia profanita tombo. Por vi, vivanto, ĝi situas je dudek kvin tagoj de ĉi tie; mi ĝin atingos post kelkaj sekundoj, per la mallonga vojo de la Infero... Bonvolu dume akcepti, kun mia rekonemo, ĉi tiun etan donacon.

Tion dirante s-ro U demetis en la Ford de s-ro Doolittle tre pezan monsakon enhavantan, li aldonis, mil ligaĵojn. Kaj li reŝovis la putrintan maton sur la ŝultrojn, tiris sian kokon, atingis Central Park kaj tie malaperis sub la gazono.

S-ro Doolittle revenis hejmen. Post plurfoja mistrafo, li fine sukcesis trovi sian ĉambron, ĉe sia ĉambro la pordon kaj sur sia pordo la seruron. Li metis sian monsakon sub la liton kaj endormiĝis. La sekvan tagon, je sia vekiĝo, li trovis sin tute vestita. Oni alportis al li la *New-York Times*. Tie en dikaj litertipoj, li legis, ke la domo de s-ro Judesheim, la eminenta eksperto, estis vizitata dum la nokto kaj, ke unika kolekto de antikvaj ĉinaj objektoj, por kiu la Muzeo de Boston ofertis antaŭ nelonge milionon da dolaroj, kuŝis disrompita sur la planko kaj aliaj pli raraj pecoj, kiuj estis tomb-statuetoj ĵus alportitaj el Ĉinio, malaperis.

S-ro Doolittle tiam ekmemoris, ke antaŭ ol kuŝiĝi li metis sian rekompencon sub la liton. Li tien ŝovis la manon. Li iom eliris el la littukoj por povi pli bone levi la tre pezan sakon, sed je lia surprizo, nun la sako ne pezis pli ol lia gazeto. Li levis sin, prenis ungotondiletojn kaj krevigis sian trezoron. La sako esti plena de orumitaj ŝeletoj, kiujn li opiniis konfetoj senatente kunportitaj de ĉe Texas Guinan, sed kiuj efektive estis tiu fiktiva papermono, kiun en Ĉinio oni disdonas ĉe la enterigoj.

El la franca: *Henri Vatré.*



# OBSERVO

## MAXENCE VAN DER MERSCH: LA KRIMO DE L' MONDO

De la komenco de l' deknaŭa jarcento ĝis la mezo de l deknaŭa jarcento, ekde Dickens tra Victor Hugo ĝis la historio de Jane Eyre, de David Copperfield ĝis la orfo de Lowood, ofte ni legadis la korŝirajn infantragediojn. La malbonan sorton de la malfeliĉaj, sendefendaj etuloj, kiujn torturas malsananimaj sadistaj plenkreskuloj. Ĉi tiuj senpardonaj, krudaj duongepatroj, renesancepokaj »kidnapperoj«, aŭ orfdomaj kaj aliaj edukistoj, ĉiuj trovis patologian plezuron en la torturado de la malfeliĉaj etaj Davidoj, Oliveroj, Gwinplainoj, de la cindrokolorvizaĝaj sennomaj viktimoj de la Melankolio kaj de la orfaj Janeoj. Kortuŝis nin la soneganta drama patoso de Victor Hugo, la dolĉ-maldolĉa romantiko de la lowooda orfo. Ni ne povis liberiĝi de la memoro de l' infanmartiroj.

Nun ekparolas la verkisto de la komenco de l dudeka jarcento. Li priskribas la historion de la proletinfanoj de l' dummilita Parizo. Kun granda skribarto, sed tute sen sentimentaleco, per preskaŭ historie precizaj dokumentoj li malkovras por ni la vivon de la laboristkvartala eta *Denise*, vegetanta en la ĉirkaŭajo de l' »Gare du Nord«. Kaj la figuro de Denise altiĝas apud David Copperfield. Sed en unu punkto la verkisto de l' dudeka jarcento tute diferencas de la verkisto de l deknaŭa jarcento. Dum sinjoro Murdstone kaj lia fratino kaj la amiko de sinjoro Murdstone, la gvidanto de la terura lernejo, ĉiu estas sadisto vere inda trovi lokon en la patologiaj priskriboj de Krafft-Ebing: la gepatroj de Denise, la fabrikaj inspektorinoj kaj laboristinoj, malgraŭ ke esence samtiel ili torturas Denise-on: tamen ili ĉiuj estas viktimoj de siaj propraj vivcirkonstancoj. Ili ne estas sadistoj! Nek la tuberkuloza patro, duonmortbatanta sian infanon, nek la patrino, kiu el trovita infano fariĝis farmservistino kaj kiun iu gravedigis kaj aĉe forlasis. Nek la laboristinoj, apatiiĝintaj pro la kruda bestvivo, kiuj ĉiuj travivis tion, kion nun devas toleri Denise. Maxence van der Meersch montras al ni, ke dum la laborista klaso suferas inter tiaj cirkonstancoj: ĝi ne povas esti alia, nur tia, kia ĝi estas. Ĉar ĝin torturas la vivo; ĝi estas devigata iĝi la torturanto de siaj propraj infanoj. La ne hominda vivo de l gepatroj kaj la mizer-devena malmoraliĝo naskas tiujn mizerajn cirkonstancojn, ne indajn por homo, en kiuj degeneras ĉi tiuj malfeliĉaj proletidoj. Ja la pli bone salajrataj, etburĝvivaj ĉef-laboristoj lernigas, bone vestas, ŝirmas siajn infanojn. Ili fieras pri ilia progreso. Ili planas pli bonan estonton por ili.

Denise sidis en la lernejo apud tiuj privilegiaj laboristaristokrataj infanoj. Sed ŝia patro mortis pro ftizo dum la milito. Ŝia patrino estas ŝtata purigistino. Ŝi ne povas perlabori la panon por siaj tri infanoj. Denise ne povas plu lerni. Eĉ ian metion ne. Ŝi ne povas plu ĝui la lukson de la metilernejaj jaroj. Ĝis sia deka jaro ŝi lavis, kuiris, frotpurigis, zorgis pri siaj fratetoj. Ŝi laboris en la mizera hejmaĉo en Passage, kvazaŭ plenkreskulino. En sia deka jaro ŝi devas iri al fabriko. Estas milito. En Francujo oni bezonas ĉiujn manojn. Eĉ la malfortaj infanmanoj servutas en la municifabrikoj. »*La krimo de l' mondo*« estas bonega titolo, ĝin legitimas per ĉiu linio de sia romano Maxence van der Meersch.

Kion ni povas pretendi de patrino, kiun bategis furiozanta duonpatrino en ŝia malforta juneco? Kiun simple forlasis ŝia patro, elpuŝinte ŝin en la grandan mondon? Kiu estis devigata transdoni sian adoratan kvinjaran knabeton en la hejmon de la forlasitaj infanoj, por ke ŝi povu plu resti kun Denise kaj ŝiaj gefratoj. Ĉar la unua knabeto devenis ne de la patro de Denise. La tusanta, sangsputanta socialista ŝusuprajlaboristo ne volis servuti por la infano de alia viro. La patrino de Denise vidas en ĉiu sia infano la forlasitan infanon, la krimkonscion grave pezantan sur animo. La suferojn de la forlasita infano li subkonscie reŝovas al tiuj, kiujn li konservis. Ĉar ja la forlasita knabeto estis la prezo, kiun ŝi devis pagi, por ke ŝi povu konservi sian edzon kaj la aliajn infanojn. Kiel eduku infanon patrino, kiun ŝarĝas tiom peza anima vundo, kaj kiu perdas eĉ sian edzon. Ŝi vivas kun alia laboristo, ĉar ŝi bezonas subtenon de viro. Tia virino facile perdiĝas: ŝi dependas de sia amanto. Se tiu forlasas ŝin, ŝi rifuĝas en drinkadon.

La infanoj, kiujn oni lasis solaj, trupe vizitas la drinkejojn kaj diboĉejojn, kunportinte sur siaj malfortaj brakoj ankaŭ la fratetojn ne kapablajn iri. Tiel ili serĉas siajn senmoraliĝintajn patrinojn, alkoholismiĝintajn pro la mizero. Kaj kia estas la patrino de Denise, tia estas la tuta medio de Denise. Nuraj malfeliĉaj, vunditaj, eljetitaj homoj. Kiu iĝas malfeliĉa, tiu batas, eluzas la pli malfortan. Eĉ unu patologian sadiston ni ne vidas inter la turmentantoj de Denise. La krimo de l' mondo pelas ĉi tiujn malfeliĉajn, neinteligentajn homojn, baraktantajn en besta jugo.

Maxence van der Meersch, kiu okupiĝis pri socialistaj temoj ankaŭ en siaj antaŭaj libroj, (*»Ĉar ili ne scias, kion ili faras«. »Kiam la sirenoj eksilentas«.*) nun montras la profilon de la parizaj militaj jaroj en la vivo de la malfeliĉa Denise. La patro de Denise mortis pro ftizo. Oni jam ne povis lin porti al la fronto. La patrino de Denise ricevis nenian subtenon. La infanon ne prizorgas la ŝtato. Ĉar ĉiu kompato, ĉiu materiala helpo direktiĝas al la militvidvinoj kaj militorfoj. Kiu forfalis sur la batalkampo de l' mizero, ties plendon neniu aŭdas. Ne ekzistas instituto, kiu subtenus ŝin, nun, kiam ankaŭ ĉiu bonfara instituto estas en la servo de l' milito. La militvidvinoj de la norda laboristkvartalo vivas kun siaj pagataj amantoj kaj gaje diboĉadas per la abunda pensio. Eĉ se ili denove edziniĝas, ili ricevas plu la pension pro la honora mortinto. Sed la vidvino de la laboristo mortinta pro ftizo baraktas sola, sen subteno, kun sia laboranta dekjara knabineto. Lernejdevigo? La municifabrikoj bezonas laboristmanojn. Se tiaj mankas, konvenas ankaŭ la manoj de la lernejdeva infano. La gvidantoj de l' fabrikoj kunkulpas kun la distriktejo.

La vivo de l' militjaroj en la laboristkvartaloj estas speciale interesa. Ni vidas la karb-, viand-, suker- kaj panbiletojn. Ni vidas la apatian ĉenon de l' virinoj vice starantaj de vespero ĝis mateniĝo antaŭ la nutrajbutikoj. Ni vidas, kiom granda estis la malkontento de la lastaj jaroj malantaŭ la fronto. La »Sammy«-ojn, kiel oni nomis la grandajn, blondajn, sanajn, bonege ekipitajn junajn amerikajn infanterianojn: la »Sammy«-ojn atakis kun ekstaza admiro la francaj laboristinoj kaj la virinetoj vagantaj sur stratoj. Sed ĉi tiuj mirindaj fremdaj grandaj infanoj prefere promenis, kiel seriozaj grandaj fratoj, kun la buntkravata, senmakula eta Denise — kiu memorigis ilin pri siaj hejmelasitaj fratinetoj — ol kun la logantaj Karmenoj kaj strataj Deliloj de la norda kvartalo. La »Sammy« povis plendi al Denise: la milito estas granda katastrofo. La ĉokolado-donacantaj Sammy-oj portis en la vivon de Denise la reflekton de homa komuneco, kiun ŝi nur malklare supozis.

Krom la Sammy-oj ni vidas la multajn kolorajn soldatojn, precipe la longharajn, fulgohaŭtajn negrojn, kiuj inundas tutan Parizon. Krom la »Sammy«-oj kaj negraj soldatoj grandan rolon havas ankaŭ la noktaj aeratakoj kaj la bombardo de Parizo. La »dika Berta« senigas la sveltan, malgrasetan Denise eĉ de la bone meritita nokta ripozo.

La romano finiĝas post la packontrakto. Parizo refalas al sia kutima vivo. La karb- kaj viandbiletoj malaperas. Sed en la malnovajn fendetiĝintajn potojn de Denise ne venas viando. Ne brulas karbo en la rusta ferforneto. Denise estas dekkvinjara. Ŝi restis laborema, honesta, senmakula, malgraŭ la senmoraligaj ekzemploj de l' medio. Ekzistas homaj animoj, en kiuj la tempesto de

# La nuntempa arto kaj la bildbezono

— Nils Lindgren — I.

Lastatempaj diskutoj pri arto koncentrigis la ĝeneralan atenton je kelkaj cirkonstancoj en kunligo kun la t. n. moderna arto kaj ĝia estiĝo. Oni starigis rektajn aŭ malrektajn postulojn pri reiro al la arto de la malnovaj tempoj, aŭ al la artidealo de l' renesanco. Ĉi lastaj postulintoj ŝajne forgesis, kiom multe da ŝanĝoj okazis dum la lastaj jarcentoj kaj ke ankaŭ nun, samkiel pli frue, la tasko de l' arto estas fidele respeguli sian tempon. Perjene ni ne opinias, ke la spegulo mem ĉiam devas resti tutsama kaj sole la bildoj aperu varie en ĝi. Kiom multe pli ja devas enhavi bildo, kiu pretendas esti arta, krom la nura redono de l' videbla realo! Ankaŭ la maniero respegulanta la realon devas esti varia laŭ la ŝanĝritmo de l' mondbildo. Jen pro kio estus absurde neglekti la progresojn de l' proksimaj generacioj por returni nin al io, kion ni jam preterpasis. Nia epoko plurflanke montriĝas kaose al ni kaj tial oni ne miru se ankaŭ nia propra kontribuo al la mondbildo prezentiĝas kaose.

Eta komparo inter la cirkonstancoj de l' pasinto kaj nuntempo sur ĉi tiu kampo prezentus interesajn detalojn, krome ĝi kunhelpus iom pliigi la komprenon pri la arto kreata samtakte kun la febra pulsado de nia epoko.

Dum pratempoj, kiam la homoj vivis ankoraŭ kiel grotanoj, spontanee aperis la unuaj konataj bildoj sekve de l' bildbezono loĝanta en la homa naturo. Paralele kun la progreso de l' homaro kaj kulturo, ĉi tiu bildbezono kontentiĝis laŭ diversaj manieroj kaj variaj formoj. Iom post iom la arto translokiĝis de la rokgrotaj muroj al la loĝejoj de l' antikva epoko, kies vandoj kaj plafonoj estis ornamataj per skulptajoj, freskoj kaj mozaikoj, kaj post longa evolulinio jen ĝi antaŭeniris al la transportebla bildo. Ni povis registri la ekeston de l' »stablarto«, pri kiu ni pensas unuavice, kiam ni aŭdas la nocion arto.

Dum pasintaj tempoj la artisto estis la sola aŭtoritatulo pri bildbezono. Li devis kalkuli nur pri la konkurenco de siaj kolegoj, ĉar se oni deziris pentrajon, aŭ skulptajon, oni devis sin turni al artisto — de alia fonto oni ne povis akiri bildojn. Malrapide, paŝon post paŝo komencis la teknikaj eltrovoj montri sian efikon, sed la kontentigo de l' bildbezono ankoraŭ ĉiam okazis pere de l' artisto kiel la plej grava forumo. La libropresa arto multobligis unue lignogravurajon, iom post iom kuprogravurajon kaj litografiajon, sed ĉi lastaj siavice estis ja farataj de la artistoj. Nur de kiam la dagerotipio kaj ties posteulo, la fotografado ebligis produkti bildojn sendepende de artista helpo, ni povas kalkuli la komencon de l' unue malrapida, poste lavangmarŝa evoluo kondukanta al niaj tagoj.

Se ni reiras en la tempon de l' trarompo, frapas nin la tiama pozicio de l' artisto en la socio. La burĝaro konsideris kiel pruvon pri rimarkinda bonstato, se oni pentrigis la portretaron de l' familianoj per iu plimalpli konata artisto kaj la familifondantoj certe sentis bezonon jenmaniere konservigi siajn trajtojn por la posteularo. Kiom fidele pripentris ĝuste tiun bezonon la fratoj

---

la mizero ne povas sufoki la flagon de l' dia flameto. Ankaŭ tio pruvas, ke la graveco de l' medio kiom naniĝas apud certaj karakteraj trajtoj. Kiom eksterordinara hereda forto, kiom da abundo de la moralaj »gen«-oj (la heredigaj partoj) estas necesaj, ke la eta Denise, vivinta en la marĉo, tamen savu sin de la marĉo. Samkiel la bazaltrifo kontraŭstaras dum jarcentoj la mordan penetron de l' maro, en kiu pereas la sablobanko dum kelkaj jardekoj. *(P. P.)*

GINA KAUS: LA SEMIRAMO DE L' NORDO

Pri la plej interesa virin-individuo de l' XVIII-a jarcento bonegan libron verkis Gina Kaus. Kun delikata virina intuitivo, kun granda scio, profunde ŝi analizas en ĝi la animan elformiĝon de la »Semiramo de l' Nordo«, kaj la figurojn agantajn ĉirkaŭ ŝi. Sugestie interesa estas ĉi tiu libro; ĝi donas perfektajn portretojn kaj samtempe desegnas la panoramon de la tiutempa Ruslando kaj — Eŭropo.

*

Katerina estas la filino de la griza kaj sensignifa ĉefprinco de l' Anhalt-Zerbst. Sia patrino estas la kvara infano de l' princo Holstein—Gottorp, ŝi edukiĝas kiel malriĉa parencino en la braunschweiga kortego de sia onklo. Tiu kortego estas »multe pli pompa kaj pretendema ol la berlina kortego de la avara reĝo Vilhelmo Frederiko«. Deksesjara ŝi estas, kiam ŝi edziniĝas, kaj ŝi estas malfeliĉa apud la malmultvorta, enuiga, avara edzo. Ŝi dolore sentas la mankon de gajeco kaj sian monotonan vivon ŝi klopodas kolorigi — per korespondado. Tiu ĉi korespondado, kun sia nobela parencaro, donas konsolon kaj ĉefe — esperon al la troambicia kaj maltrankvilanima virino. Precipe ŝi flegas siajn interrilatojn kun la rusa kortego, ĉar de ĉi tie ŝi esperas la tagiĝon de sia feliĉo.

Deksepjara estas princino Johana Elizabeta, kiam ŝi naskas filinon. Oni baptas la infanon *Sophie Auguste Friderike,* nur multe pli poste, en la dua baptado ŝi ricevas la nomon Katerina. Johana ne amas sian filinon kaj tion ŝi eĉ ne kaŝas. Ŝi ne amas ŝin, ĉar ŝi ne simpatias kun sia edzo, kun la patro de l' infano, kaj ĉar la nasko malsanigis ŝin por monatoj, kaj ĉar ŝi esperis knabon, kaj fine, ĉar ŝi anime ankoraŭ ne estas matura por la patrineco, kaj ĉar — ŝi tro amas sin mem. La adoleskanta, mense frumatura knabineto dolore sentas la mankon de amo. Ŝia patrino intence evoluigas en ŝi la senton de malplivaloreco per tio, ke ŝi konstante ŝin riproĉas, primokas kaj sugestas al ŝi, ke ŝi estas malbela knabino. Ŝi doloriga ŝin ankaŭ per tio, ke samtempe senlime ŝi dorlotas sian poste naskiĝintan filon. La senjusta neglekto, la malvarma medio maturigas sovaĝan spiton en la animo de l' knabineto. Malgraŭ ĉio, reĝi ŝi volas, se ŝi plenkreskos. Sed samtempe ŝin instruas ĉi tiu situacio, ke ŝi kondutu diplomate, kaŝu siajn sentojn kaj penojn kaj klopodu sekrete al sia celo.

*

La rezulto de la zorge vartitaj familiaj rilatoj fine montriĝas, kiam la knabino fariĝas dekkvarjara. Elizabeta, la rusa carino, ŝin elektas edzino por la tronheredonto. Vilhelmo Frederiko, la prusa reĝo, preparis ĉi tiun politikan edziĝon, kiu efektivigas la plej aŭdacajn sonĝojn de Johana kaj kiu tre konvenas ankaŭ al la knabineto, ĉar ĝi signifas, ke ŝi povas efektivigi siajn ambiciplenajn planojn. La patrino, vivanta en sinadoro, konsideras la planon ekskluzive el la vidpunkto de sia propra persono. Tiel okazas, ke ŝi eĉ ne mencias al sia filino, kial ili iras al Ruslando kaj el la ricevita mono ŝi farigas robojn ekskluzive por si mem. Tiel okazas, ke en Berlino, kiam ili ricevas inviton al la kortego, la fianĉin-kandidato ne povas iri tien, ĉar — ŝi ne havas robon...

Post laciga vojaĝo ili atingas la rusan landlimon. Estas glacia vintro kaj la piedoj de l' fianĉineto tiom ŝvelas ke eĉ iri ŝi ne kapablas. Sed ŝia koro ĝojas, ĉar nun la unuan fojon ŝi povas triumfi super sia patrino: la ilin akceptantaj rusoj respektas kaj solenas unuavice ŝin, — la estontan edzinon de l' tronheredonto; ŝia patrino ludas duarangan rolon apud ŝi. Elizabeta, la carino, akceptas kun granda amo la knabineton, ankaŭ la kortego dorlotas ŝin, nur pri Petro, pri la fianĉo, estas strange.

Goncourt en sia fama romano Renée Mauperin, kie ili rakontas pri »sidadoj« de riĉa burĝedzino ĉe la plej granda portretisto de l' 19-a jarcento en Francujo, monsieur Ingres. Tiutempe la artisto estis institucio en la socio. Oni bezonis lin kaj donis laboron al li. Li monopole kontentigis la bildbezonon de siaj samtempuloj, kaj ĝenerale li plenumis faritajn postulojn.

Kiom diferencaj cirkonstancoj prezentas sin al ni, se ni transsaltas al la nuntempo. La hasta evoluo de l' reprodukta arto dum la lastaj jardekoj revoluciigis la rilaton de l' artisto al la socio. La bildbezono ankoraŭ ĉiam okupas sufiĉe elstaran lokon en la spirita vivo de l' homo, sed kiomege pli simple kontentiĝas ĉi bezono nuntempe, ol pli frue. En la malnovaj tempoj oni eble aĉetis pentrajon relative malkare de juna artisto komencanta sian karieron kaj samtempe faris servon al la arto, nune oni povas ornami sian ĉambron per aro da unuarangaj reproduktajoj el la aldonoj de l' kristnaskaj gazetoj por kosto apenaŭ egalanta kelkajn oerojn. Ke la artistoj dum nia tempo estas lokitaj ekster tiun ĉi bildbezonan peradon, tio estas memkomprenebla. La malmulto el ili, kiu sukcesis tiom eksterordinare, ke ĝi mem estas reproduktata, apenaŭ povas esti konsiderata ĉi loke. Cetere eĉ ĉi lastaj devas antaŭ ĉio elbatali al si iaforman rekonon antaŭ ol oni reproduktos ilin, ĉar la eldonejoj saĝe gardas sin aperi kiel vojrompantoj por novaj profetoj.

Kaj jen la filmo. Ĉu oni povas imagi pli plenan kontentigon de la bildbezono ol per kinoprezentado? Ankaŭ la filmo estas arto, diros iu. Jes, tio estas vera, sed ĝi malpliigis la intereson pri la stablarto, inter kies aplikantoj ni devas serĉi la verajn artistojn.

Pli frue la artisto devis trapasi fakan edukon. Neniun oni rigardas pentristo kaj neniu sukcesis vendi siajn pentrajojn antaŭ ol li havigis al si certan bazon. La arto estis unuavice solida metio kaj nur poste ludo de l' homa menso per la artaj esprimiloj. Ankaŭ ĉi kampe oni povas malkovri la signojn pri la revolucia influo de l' reproduktaj metodoj. La prijuĝo de l' granda publiko ne plu estas tiom kompetenta, kiom antaŭtempe, kiam oni devis elekti inter pli malgranda nombro da artajoj, kies granda plimulto estis bona. Nune la rilato estas inversa. La nombro de l' »artajoj« estas nekalkuleble granda, sed nur eta nombro estas ververe bona. Kune kun la revoluciigaj ŝanĝoj kunportataj de la nova arto dum sia trarompo, sekvis ankaŭ la malavantaĝo, ke por la granda publiko iĝis nekompareble pli malfacile diferencigi la tritikon de la grenventajo. Kiu ajn povas kiam ajn pretendi, ke li estas artisto, kio neniam povintus okazi dum la pasintaj artperiodoj, kiujn karakterizis certa, honesta, gilda interkonsento nevidebla surpapere, tamen ekzistanta en la realeco. En la ombro de jenaj cirkonstancoj la natura emo de l' art-makleruloj al falsa sentimentaleco ekkreskis sovaĝe, jen kio klarigas kiamaniere trovas facilan vendeblon granda parto de l' produktata kvazaŭarto, dum tiuj, kiuj streĉe klopodas elformi la veran kaj ĝustan, ofte malsatas.

Ni povas konstati, ke apenaŭ troviĝas luma horizonto malferminta sin por tiuj, kiuj hodiaŭ serĉas viveblon sub la liberaj flagoj de l' arto. Jen kial la nuntempa arto preme bezonas sindonan aron da artamantoj, kiuj sekvas ĝian evoluadon, interesiĝas pri ĝiaj problemoj kaj antaŭ ĉio apogas ĉion bonan, kio ekĝermas ĉi tie kaj tie, malgraŭ la plejparte malbona grundo. *(Morariu)*

---

Malsananima homo estas la heredanto de l' rusa trono. Konsciante sian malbelon, neperfektecon, li estas hezitema, malbonintenca, krome infaneca kaj stulta. Virinoj lin ne interesas. Laŭ la famo li ne estas viro, sed tion facile povus helpi »kirurgo aŭ ia rabeno«, oni diras ĉe la kortego. Sed la operacio ne okazas, ĉar la klaĉo ne atingas ĝis la oreloj de Elizabeta kaj ankaŭ Petro mem kaŝas sian difekton. La konscio de sia subvaloro instigas Petron, ke li evitu konvenan societon; li amuziĝas plej volonte en la kompanio de servistoj kaj lakeoj.

La eta ĉefprincino de Zerbst — kiun dumtempe oni baptis Katerina laŭ la ritoj de l' rusa eklezio, — komence tre saĝe eksentas, ke ŝi povas amindigi sin al ĉi tiu malfeliĉa animo nur, se ŝi kondutas ne kiel virino, sed kiel ludkamaradino. La ĝefianĉoj dum certa tempo estas en la plej bona konsento, sed kiam Petro ricevas variolon, kaj post sia resaniĝo li paŝas kun terure deformita vizaĝo antaŭ sian fianĉinon, Katerina ne kapablas subpremi sian antipation al li kaj ĉi tiu momento decidas ilian estontan sorton. Petro ekmalamas la knabinon, de kiu li esperis sian savon; li malesperiĝas, kiam li vidas, ke eĉ lia sola komprenema amikino turnas sin de li. Cindriĝas en li ĉiu bona sento; en lia animo restas loko nur por malicaj inklinoj.

*

Elizabeta rapidigas la geedziĝon, por vidi certigita la sorton de l' dinastio per la naskiĝo de infano. La edziĝo okazas, sed — infano ne naskiĝas. Petro, dum naŭ jaroj, apud sia juna, bela edzino, ludas en la geedza lito — kun pupoj...

Nokte kun pupoj, tage kun plumbsoldatoj li ludas kaj — ĉar dume li fariĝis princo de Holstein — li ekzercigas dum horoj holsteinajn gardistojn, kaj ridinde imitas sian idealon, la prusan reĝon.

Katerina estas profunde ofendita de la konduto de sia edzo. Ne nur li ne plenumas la edziĝon, sed ĉiam li ankaŭ rakontas al ŝi, al kiu korteganino li estas enamiĝinta kaj krome li kuraĝigas sian favoratan ĉambriston Ĉerniŝev ke tiu permesu al si intimajojn kontraŭ Katerina, kaj li devigas sian edzinon, ke ŝi toleru tiujn intimajojn... Fine la kortego parolas jam pri tio, ke Katerina estas la amatino de Ĉerniŝev.

Estas karakterize pri la aĉaj inklinoj de Petro, ke li boras truon en la muro de sia ĉambro, kiu estas apud la dormoĉambro de la carino, kaj de tie li spionas, kune kun siaj amikoj, pri la ama vivo de Elizabeta...

La Carino memkompreneble ne konas la intimajojn de la geedzoj, sed ŝi vidas, ke la tre atendata infano ne naskiĝas. Ŝi kredas, ke Katerina naŭziĝas pri sia edzo kaj ne lasas lin proksimiĝi. Ekkolerinte, ŝi uzas, laŭ la propono de kanceliero Bestuŝev, tre strangajn rimedojn: ŝi starigas gardistojn apud la junuloj, idiotajn, malsaĝajn geedzojn, por severa »morala« kontrolo. La paro Coglokov eĉ troigas sian rolon kaj tute maldolĉigas la vivon de la malfeliĉa juna Katerina. Ŝi rifuĝas al la literoj, en la regnon de l' spirito, en tiu ĉi malesperiga situacio. Dum jaroj ŝi lernas, legas, klerigas sin, kaj tiuj doloraj jaroj poste tre utilos al la granda carino.

*

»Dum Katerina studas la enciklopediistojn, Petro tenas tutan hundaron en sia ĉambro, kiun li peladas per grandega kondukistvipo, ĝis la malfeliĉaj bestoj terenfalas pro la doloro.« Krome la dudekkvarjara viro plu ludas kun siaj plumbsoldatoj kaj li farigas sencelajn ekzercojn per siaj holsteinaj soldatoj. Ankaŭ li mem portas holsteinan uniformon kaj laŭtigas, kiom pli grava estas por li Holstein, ol tuta Ruslando.

La saĝa Katerina konvinkiĝas, ke ŝi ne povas ŝanĝi sian edzon, kaj pro tio ŝi senkaŝe ekagas kontraŭ li. Ŝi famigas en ĉiam pli vasta rondo, kiom ŝi malaprobas la konduton de ŝia edzo, kaj ke ŝi staras tutanime apud Ruslando, kaj sentas sin rusino.

Elizabeta, ne vidinte rezulton pere de la paro Coglokov, decidas — denove laŭ la propono de Bestuŝev — ke *ĉiamaniere* devas naskiĝi infano al la tronhereda paro. Kaj — strangega situacio — oni ordonas al Katerina ke ŝi adultu... Sergej Saltikov, nobla juna kavaliro, estas la elektito, kiun Katerina sincere ekamas.

# Eterna Milito

— D. Laura Lengyel —

Eminenta angla revuo nomas eterna milito la interrilaton de viro kaj virino. Tiu milito daŭras depost la memorinda okazajo en la edeno, kiam Eva la pomon proponis al Adamo. La viro post iom da hezito ekmanĝis ĝin, ne pro la scivolemo pri la gusto, sed ĉar ĝin Eva proponis al li.

La viro tiun tagon malgajnis la batalon, sed post la fatala malforto ĉiamaniere klopodis denove iel montri energion. Kelkfoje eĉ tre sukcesis la demonstrado. Eva paradiza, proponita kun peka rideto la frukton malpermesitan al viro mallerta, fariĝis subpremita, mizera sklavino. Dum multaj mallumaj jarmiloj eĉ la besto havis pli bonan sorton ol la virino, ĉar ĝin oni konsideris granda valorajo kaj ŝatis.

Estas konate, ke la prahebreoj ĉiutage trifoje preĝdankis Jehovon la teruran por tio, ke ili ne estas virinoj. Certe tiu preĝo havis motivon timan kaj dankan.

Tamen ĉe la hebreoj la virino havis sorton tolereblan. Laŭ la leĝoj de Mahometo, virino eĉ animon ne havas. La paradizo promesita al mahometanoj tute ne bezonas virinojn. Tie hurioj eterne junaj ĝojigas la feliĉulojn, al kiuj graco de Allah permesis trapaŝi la ponton, kondukantan de mizerejo al paradizo.

Kaj la milito daŭras inter viro kaj virino, en la mezepoko tamen nur kaŝe. La virino estas ŝajne tute venkita. La kulto de kavaliroj, la adoro de »Minnesänger« neniom helpis. Kavaliroj, trubaduroj verdire honoris ne la virinon, sed la proprajn sentojn. Tiujn sentojn ili ŝatis, estimis, ne la virinon. Goethe esprimas jene tiun malnovan, mezepokan senton en poemo: »se mi vin amas, kiel tio vin koncernas?«

La virino tamen ne kapitulacas. Temas ne nur pri la vivo, sed pri ŝia homa digno.

Kristo donacas al virino la rajtojn meritita jn de homo. Sed kiom valoras rajto, sen forto kaj potenco? La rajto, donacita al ŝi de religio, ĉiam pli difektiĝas kaj malpliiĝas, ĝis la tempo, kiam fine la pensmaniero naturscienca komencas atingi la dogmojn de Kristo.

La medicino deklaras la veron, ke ankaŭ virino estas homo. Ne anĝelo, ne feino, ne ideala revajo, ne fia besto, sed simple homo ŝi estas. La juro lamante sekvas la kuracistan konstaton kaj, kvankam tre malrapide, donas al ŝi la rajtojn homajn. Longaj jarcentoj devas pasi, ĝis fine la virino okupas la lokon apud la viro.

Tamen la virino neniam rezignis pri la homaj rajtoj. Kiam ŝi estis plej kruele turmentita, subjugita de edzo, patro, aŭ frato, eĉ tiam ŝi provis ĉion por disrompi la katenojn. Ne povante uzi batalilojn ordinarajn, ŝi ekprenis neleĝajn kaj tute ne kavalirajn. Jen estis milito! Ne la postulado de sufragetoj, feministoj, ktp. Ne estas imagebla pli terura, mortiga, danĝera milito, ol tiu de malpermesitaj bataliloj. La virino batalis per beleco, prudento, ruzeco — per la kapablo aktorina, trovebla en ŝi.

Kaj ŝi batalis, eluzante ĉefe la vundeblan punkton

---

La carino tuj post la nasko forprenas la filon de Katerina. La juna virino denove restas sola, ĉar ankaŭ ŝian amanton Elizabeta forsendas al Svedujo kaj la facilanima kavaliro rapide forgesas pri Katerina. En sia forlasiteco ankoraŭ pli celkonscie ŝi aspiras la potencon. Ankaŭ Bestuŝev mem subtenas ŝin, por kapti la favoron de la estonta regnestrino. Li zorgas pri tio, ke tia viro trafu en la vojon de Katerina, per kiu povas venki lia influo. Tiel, la dua amanto de la juna virino estos Stanislav Poniatovsky, la bela pola princo, kies amo efektive feliĉigas Katerinan.

Petro, la edzo, tre bone scias, ke lia edzino lin trompas, sed tio neniel lin ĝenas, eĉ — tio ekscitas lian erotikan fantazion. Li mem havas amrilaton kun Elizabeta Voroncov, la *plej malbela* sinjorino de l' kortego, kies teruran aspekton mencias ĉiu eksterlanda ambasadoro. Estas karakterize pri la nenormalaj inklinoj de l' edzo, ke ĝuste tiun virinon li elektas sia favoratino, verŝajne, ĉar apud ŝi li sentas malpleje sian subvaloron.

La tria viro, kiu rolas en la ama vivo de Katerina, estas la herkul-statura Orlov, fama pri sia aŭdaco. Katerina vidas en li »heroon el roma epoko«, kaj per lia helpo ŝi provas efektivigi siajn aspirojn je regado.

*

Post la morto de Elizabeta, Petro venas sur la tronon. De la unua momento li faras sin nesimpatia antaŭ la kortego kaj antaŭ la tuta popolo, tiel ke la mirinde naive organizita komploto de la aliancanoj de Katerina: la Orlovoj kaj princino Katerina Daskov, facile prosperas. El la zerbsta princineto fariĝas la Carino de Ruslando. La kaptitan Petron la Orlovoj mortigas sen la scio de Katerina. Kaj la nova Carino ne punas la murdintojn, ĉar estas ŝia konvinkiĝo, ke la morto de Petro savis Rusujon per la plifirmigo de ŝia potenco.

Sed ŝin ankoraŭ minacas unu tronaspiranto: ĉefprinco Ivano, la antaŭulo de l' tronheredanto Petro, ĉi tiu kristviza ĝa, senkulpa junulo, kiu pasigas sian tutan vivon en malliberejo. Sed okaze de freneza komploto de fanatika soldato, kaj per la stulteco de du aliaj soldatoj, ankaŭ Ivano iĝas viktimo de murdo kaj nun jam Katerina sufiĉe trankvile povas efektivigi siajn grandskalajn planojn: plenumi la testamenton de Petro la Granda, fari eŭropan potencon el la azia ŝtato.

Kiel virino, la potenca carino ne havas feliĉon, ĉar Orlov turmentas, neglektas ŝin, tute senkaŝe trompas ŝin kun aliaj virinoj. Sed Katerina ĉiam pardonas al la amata viro, al kiu ŝin ligas ankaŭ dankemo, ĉar ja al li ŝi dankas sian potencon. Kaj Orlov »trompas ŝin, ĉar li bezonas tiajn virinojn, kiujn li superas, apud kiuj li estas la pli forta, kiujn li povas superŝuti per donacoj; sed precipe, ĉar li jam nenion povas doni al sia virino, ĉar Katerina lin jam ne bezonas, ĉar li ne povas feliĉigi ŝin per sia defendo, forto, vivrisko«. Dum dek jaroj toleras Katerina la friponajojn de Orlov, ĉar ĉi tiu viro signifas por ŝi la »*Grandan Pasion*«; kaj ĝuste tial ŝi pardonas al li ĉion, ĉar sian spiritan superecon ŝi volas egaligi per boneco.

*

Fine tamen decidas Katerina, ke ŝi disiĝas de Orlov. De tiu tempo ŝi aranĝas sian aman vivon tute virmaniere, ĉar ŝi plu ne volas esti sklavo de sentoj. Unu post la alia ŝi ŝanĝas siajn amantojn: sensignifajn, sed belajn, junajn knabojn, kiujn ŝi simple »envokas« kaj kun kiuj ŝi kondutas humilige, eĉ se ŝi superŝutas ilin per donacoj. Inter la junularo de l' kortego kaj la junaj oficiroj de l' gvardio estiĝas abomena rivaleco, pri la mallonga »feliĉigo« de la malavara, maljuniĝanta trograsa virino, kiu bezonas la amon jam nur por sin kvietigi, ĉar alie ŝi ne povas pensadi kun klara kapo, kaj ŝian saĝon bezonas la regno.

Por iom da tempo finiĝas la funkciado de tiuj amistoj, kiam la genia Potemkin vekas amon en Katerina. En li trovas fine indan partneron ĉi tiu genia virino; la viro en nenia rilato staras sub ŝi; lia fantazio, klereco, saĝo estas la samaj kun la ŝiaj kaj nun fine ŝi povas sin senti vera virino inter liaj brakoj. Potemkin estas tenera, ĝentila, sprita, kaj bonege li amuzas Katerinan, kiu venas tute sub lian influon kaj restas eĉ tiam, kiam la pasio jam mortas en la viro kaj nur ia stranga »amitie amoureuse« estas inter ili. La heroo de la sonĝoj de Katerina estas ankoraŭ Potemkin kaj la viro ankaŭ de nur faras ĉion eblan por veki la entuziasmon ne nur

de viro, tiun tragikomikan ligitecon, kiu la viron, en la tago, kiam li fariĝis posedanto kaj reĝo de kreitaro kaj ordonanto de malforta kunulino transdonita al lia plaĉo, samtempe malliberigis por tiu sama malfortulino.

La viro vane provas liberiĝi el la ligiteco per milito malkaŝa aŭ sekreta. Li ne povas disŝiri la ligilojn, ĉar de virino li ricevas la vivon, la unuan nutrajon. La virino portadas lin en brakoj ĝis la unuaj paŝoj. Per virino li fariĝis viro kaj ekkonas la amon. Sen virino li ne povas havi infanojn kaj por li restas neatingebla la tera senmorteco por la transdono de sia sango, nervaro, fantazio, moroj kaj kulpoj al centjaroj estontaj, al la cirkulado de homaro por tie ondadi ĝis la tempo, kiu signifas por ni kaj nia planedo la eternecon.

Tion la virino rimarkis jam tre frue. Ĉar ŝi ne povis malliberigi per forto la viron, ŝi kaptis lin per malforto. Nature nur sekrete, por ke li ne eksciu. Ju pli la viro katenis ŝin, des pli la virino senkompate subjugis, pereigis lin, kie ajn ŝi povis. Ne estas imagebla pli terura afero, ol ribelo de sklavoj. Iam ĉiuj bataloj de virinoj estis tiaspecaj sklavribeloj.

Nur tiam komencis fariĝi nekaŝita la lukto inter la du seksoj, kiam ankaŭ la virino ricevis homajn rajtojn. Jam ŝi ne devis insidi, hipokriti, mensogi, korpe kaj anime veneni. Jen ŝi staris kaj diris: »Tion mi deziras, tion mi volas.« Ricevinte sinceran respondon al sincera demando, ŝi povis daŭrigi honeste la batalon, aŭ saĝe marĉandi, eble eĉ packontrakti.

La paco estis memkompreneble nur ŝajna, provizora, ĉar laŭ la ordo de naturo, kiu interdependigis ambaŭ seksojn, decida triumfo ne povas aparteni al iu el ili. La milito tamen daŭras, jam per bataliloj pli malkaŝaj kaj honestaj. La virino ankaŭ nuntempe utiligas la belecon, ĉarmon, sorĉpovon de sia virineco krom la bataliloj nesekretaj. Kaj pro tio oni ne povas ŝin riproĉi juste, ĉar »la milito estas kruela, senkompata«, kiel diris Schiller kaj, ĉar la naturo multrilate maljuste traktis la virinon je la sesa tago de la kreo. La maljustajon de la naturo nek homa potenco, aŭ juro, nek eĉ homa bonintenco povas tute korekti. Pro tio ŝi devas ekuzi la batalilojn de arzenalo, kiuj apartenas speciale al la virina karaktero. Krom la ekstera sorĉpovo tiaj bataliloj estas la spriteco, inventemo, takto, sinadaptemo, kaj por citi ne nur la kvalitojn bonajn, la oportunismo.

Lastvice, sed ne lastrange: la praktikemo. Chasteron diras, ke la viro konsideras la aferojn ĉiam en ilia tuto, monumentaleco; la virino kontraŭe en malgravajoj, partetoj. Si kutimis dum jarcentoj ĉiam sinokupi pri bagatelajoj de vivo: mastrumi, flegi la infanetojn, zorgi pri la servistaro, ŝpari la havajojn, akiritajn de la viro ktp. Ĉe tiuj okupoj eĉ detaletoj ne estas malzorgindaj. Adapti grandajn, ĝeneralajn vidpunktojn en ili ne nur estas superflue, sed eĉ rekte malutile.

Kompreneble tiujn karakterizajojn multe ŝanĝis, modifis la epoko, bezonoj, situacio, sed la fundementaj trajtoj tamen restis samaj. Sub tiu devizo daŭras la milito de ambaŭ seksoj, malkaŝe, aŭ sekrete, sed senlace kaj senĉese.

El la hungara: *J. Némethy.*

---

de la carino, sed ankaŭ de la virino, sed samtempe — li mem elektas junajn knabojn por Katerina. Tamen, ŝian animon li rezervas por si. Kaj Katerina akceptas ĉi tiun strangan situacion, ĉar por ŝi ĉio estas bona, kion Potemkin trovas bona. Trans la amo, ĉi tiujn du esceptajn individuojn kunligas la aspiro je potenco; la potenco estas ilia komuna infano, por ĝi ili kapablas ĉion, eĉ perdi unu la alian... Potemkin ekiras, por konkeri Konstantinoplon kaj fari Rusujon la gvida potenco tiel de Eŭropo kiel de Azio. Kaj Katerina per ĉiu forto helpas lin kaj dume ŝi sin dormigas per sensignifaj dandoj.

Ĉi tiu nimfomania karaktero kaŭzas, ke Katerinon oni nomas en la eŭropaj kortegoj la »Semiramo de l' Nordo« kaj »Messalina«. Tamen, escepte sian malsanan pasion, eksplodintan en ŝia maljunaĝo, »en sia palaco ŝi estis bonkora panjo, kaj sur la trono genia konkerantino, kiu solvis ĉiujn taskojn, kiujn ŝia granda idealo, Petro la Granda, projektis: ŝi regas sur la provincoj Baltaj kaj sur la Nigra Maro kaj la rusajn landlimojn malproksimem antaŭenŝovis en la direkto de okcidento.«

*P. P.*

SCHUMANN: MEMORLIBRETO. Al la 125-a naskiĝtago de la komponisto.

Guste taksi la muzikan signifon de Robert Schumann, ĉefreprezentanto de la germana muzika romantiko, restu al la muzikscienculoj; ĉi tie mi nur volas rakonti iom el la infaneco de la granda majstro, en kiu jam klare montriĝis lia muzika genio. Kiel kontraŭmeton mi poste rakontos kelkajn epizodojn, kiuj montras la rilaton de Schumann al siaj propraj infanoj.

La plej juna infano de la libristo Friedrich Aŭgust Gottlieb Schumann estis la dorlotata plejkarulo de la gepatroj kaj de siaj kvar gefratoj. Jam en la frua aĝo montriĝis ĉe la knabo granda talento por la muziko, kvankam ĉi tiu arto ne estis flegata en la gepatra domo. Nur la patrino kelkfoje kantis al la infanoj malgrandajn lidojn kaj ŝi ankaŭ instigis, ke la sesjarulo jam ricevu instruon ludi pianon. Baldaŭ la knabo provis proprajn komponajojn, ludis memkomponitajn dancajojn kaj montris unuavice ĉe la fantaziado sur la piano tute nekutiman kreoforton. Sed ankaŭ la humoro, kiu montriĝis kelkfoje en liaj verkoj, jam tie havis siajn antaŭulojn en malgrandaj komikaj iroj kaj kuroj sur la piano, per kiuj la juna komponisto transigis en muzikon la karakterizajn proprecojn de siaj ludkamaradoj. Ĉi tiuj humoristaj muzikajetoj estis tiel trafaj, ke la aŭskultantoj tuj ekkonis la reprezentatojn kaj ĝoje ekaplaŭdis. Tamen Robert Schumann estis dum longa tempo sendecida, ĉu li fariĝu poeto aŭ muzikisto. Sed poste li decidiĝis dediĉi sian vivon al la muziko, kiun li nomis la »plinobligita lingvo de la animo.«

Kiel do la majstro de la pianomuziko, kiu ricevis ĉian subtenon de siaj gepatroj kaj kiu trovis edzinon en la parencanima artistino Klara Wieck, esprimis sin kiel patro kontraŭ la infanoj el ĉi tiu nekutima amligo?

Belan pruvon pri lia penado profundiĝi en la animon de siaj infanoj donas al ni la »Memorlibreto por niaj infanoj«, kiun Robert Schumann skribis depost la 23-a de februaro 1846. En ĝi ni trovas amplene kolektitajn epizodojn kaj travivajojn de la infanoj. Ni legas ekz.: »Manjo, ĉe promeno vespere, montrante al la vesper-stelo: »Ĉu ne, paĉjo, la stelo tie staras apud la luno por ne esti tiel sola.« — Manjo, la 22-an de februaro 1846 vespere, rigardante al la ĉielo: »Kara dipatro, terenjetu al mi kelkajn steletojn.« — Manjo diris foje: »Dio faris ĉion, homojn kaj bestojn en la tuta mondo — kaj se Dio ne estus, ne ekzistus Dio.« — Manjo, rakontante: »Lisjo per kreto tiom surŝmiris sin, ke ŝi aspektis kiel blanka nigrulo.« Foje Schumann rakontas bonhumore en sia libreto: »La 7-an de junio paĉjo trovis la unuan fojon en sia vivo — birdoneston; do, ĉiam paciencon, karaj infanoj! Kio dum 36 jaroj ne sukcesis, tio sukcesas ofte la unuan tagon en la 37-a jaro, kiel al mi hodiaŭ, je mia ĝojo.« Alian, pli seriozan travivajon ni trovas notata: »Doloro pri bona infano, kiu diras unuafoje malveron.«

*F. W. V.*

ANTON ZISCHKA: »DER KAMPF UM DIE WELTMACHT BAUMWOLLE.« (La batalo je la mondpotenco kotono.)

Al la nun tiel ŝatataj aŭtobiografioj nun ŝajnas alviciĝi ankaŭ libroj pro ŝtofoj, precipe pri krudaj ŝtofoj. Sendube libro pri kotono estas pli interesa ol kelkia romano, precipe se ĝin skribis tiel bonega verkisto kiel Anton Zischka. Oni nur devas pripensi la multajn politikajn kaj ankaŭ militajn komplikaĵojn, kiuj estas interligitaj kun la kotono. Unu el la plej junaj el tiaj estas la la Abesinia problemo. Kaj kun kia intenseco la produktlandoj provis konkuri, kaj batalis la industrifoiroj. Kaj kiel interesa estas plue la vivo de la tri viroj *Arkwright, Eartwright* kaj *Whitney*, kiuj forte instigis la kotonproduktadon, elpensante maŝinojn, kiuj scipovis ŝpini, kaj liberigi la kotonon de la ruinigaj oleaj kernoj. Cent aliaj problemoj tuŝas la ĉapitron kotono: la tuta sklavodemando estas nura koton-demando. Poste alvenas la kemio, kiu subite proklamas, ke oni ankaŭ el abioligno povas fari ŝtrumpojn... la artsilko estas ĉi tie kaj la kotoninteresuloj ne scias, ĉu ili anoncu al ĝi militon aŭ koalicion. Kotono fakte estas »blanka oro«; ke oni ankaŭ ĉi tiun »oron« pereigas intence en amasoj (kiel kafon, tritikon k. a.) estas eble la plej nekomprenebla sceno en la drama batalo por la mondpotenco kotono.

*F. W. V.*

HJALMAR BERGMANN: »MARKURELL.«

La svedo Hjalmar Bergmann, verkinto de romanoj, inter kiuj »La enterigo de Eros« trovis la plej grandan rekonon, ofte estas karakterizata kiel »humoristo.« Feliĉe li ne estas tio, almenaŭ ne tia, kion oni kutime komprenas sub ĉi tiu vorto. Estas diferenco, havi humoron kaj esti humoristo, kiel kreanta povas esti la unu, tiel glata, senenhava kaj ĉagrena povas estiĝi la alia. Ce Hjalmar Bergmann, kiu havas humoron de la vera, de la kreanta-filozofa speco (pro kio ĉe la rando de liaj komedioj malfermiĝas la abismo de la tragikomedio) la afero estas tiel, ke li scias igi ridi liberigante, sed ankaŭ pripensi kaj plori. Oni legu lian antaŭ nelonge aperintan romanon »Markurell«, kaj oni faros katenantan literaturan konatecon, eble trovos novan amikecon. En la malvastecon, kaj limigitecon de mucida provincurbo, kiun oni videble priskribas al ni, sinjoro Markurell enrompas rabobeste. Li venas kaj devenas el nekonata regiono kaj volas atingi riĉon kaj estimon, kio mirinde ŝajnas sukcesi al li: sub la ne tre puraj fingroj de ĉi tiu provinc-Midas ĉio ŝanĝiĝas en oron, la plej senvaloraj spekulaciartikloj, la plej trompaj fondaĵoj, la plej mallertaj trudakiroj. El la gastejestro, kiel tia li komencas, estiĝas riĉa viro, kiun oni ĉiam ankoraŭ malestimas, ne povante tamen pretervidi lin, lian senmodestecon kaj lian tute novan Wasa-ordenon. Sed fine la ruzega kalkulanto malsukcesas, li, kiu monavidas kaj honorsopiras nur pro sia filo, kiun li amegas. Ĉi tiu lia filo devus bonsukcese trapasi la maturan ekzamenon, por hejmenporti la akademian kleron kaj honoron, kiun la patra domo tiom longe sopiris. Sed ĝuste en la tago, kiu estus la krona tago de ĉi tiuj markurell-aj deziroj, la malfeliĉo rapide disvolviĝas. Ju pli longe daŭras la matura ekzameno, des pli montriĝas nome, ke la sukceso estas treege duba, kaj al Markurell, kiu ja neniam sentis iajn skrupulojn, venas eksterordinara ideo: li volas emigi la profesorojn per invito al brila ĉampan-matenmanĝo de li aranĝata! Kaj apenaŭ li ekhavis ĉi tiun strangan ideon, li ankaŭ jam realigas ĝin. Propramane li portas korbegojn da plej bonaj manĝaĵoj en la gimnazion, metas brile blankan tablotukon sur la konferenctablo, dum en la apuda ĉambro regas la pala ekzamen-timo, kaj kiam la lacigitaj ekzamenintoj poste eniras la konferencĉambron, vera »Tablo regalu!« ŝajnas mistifiki ilin. Kaj nun, kun vere demona humoro, la aŭtoro priskribas la batalon inter soifo kaj bona moro, inter avido kaj ordo! ironia priskribo, kiu apartenas al la plej bongustaj el la nova epika poezio. Sed ĝuste kiam la emo forgesi ĉiujn devojn plifortiĝas, kaj jam multiĝas liaj esperoj, la treege timanta patro devas ekscii, falegante el ĉiuj ĉieloj, ke la filo, por kiu li ĉion entreprenis kaj riskis, ne estas lia vera filo, sed la filo de viro, kun kiu li de multaj jaroj konkuris en envio kaj obstino. Trompita trompanto. Furiozante li malpezigas sian koron; per ŝajnmotivoj kaj kun hipokrita humileco li praviĝas la spekulacion antaŭ si mem. Oni ne timu! La Markurell-oj ne falas je la unua bato, kaj humile ja tute ne. Eĉ poste, se ili falegas tie, ili kuntrenas senkulpulojn kun si en la honton. Tion per gajeco kun malĝoja rando, Hjelmar Bergmann volis klare montri kaj tion li portretfidele faris. Lia gajeco certe ja gustumas kelkfoje maldolĉege. Ĝi ja venas el la fundo de la kono de la homa naturo.

*F. W. V.*

EVA LEIDMANN: EIN MÄDCHEN GEHT ANS LAND. (Knabino iras sur landon.) Romano.

La verkistino estas rakontistino de granda originaleco kaj forta talento. Sia romano de Munhena kelnerino restis en la memoro pro la objektive vivfidela priskribo de la sorto de knabino, pro la populara natura karakterizo de la bierej-medio. Ĉifoje Hamburg kaj la Norda Maro formas la fonon por tute alispeca kaj tamen iel parenca knabinfiguro: Erna Quandt, estaĵo sen ĉarmo kaj amindeco, knabino, ĝuste taŭga nur por fari la aĉajn necesajn domlaborojn, kaj interne plena de karesemo kaj fideleco. Ŝi elkreskas kiel filino de ŝipisto sur kutro, sen patrino, meze inter viroj, simplaj kaj fidindaj homoj. Kun unu el ili si fianĉiniĝis, sed lin trafas morto ĉe uragano. Pro ĉi tiu unua granda seniluziiĝo ŝi forkuras sur la landon, iĝas servistino ĉe junaj geedzoj en Hamburg kaj nun konatiĝas kun la urb- kaj kulturvivo, kun ĝiaj grandaj hipokritecoj, mensogoj kaj facile rompeblaj edzecoj. Sed ĉio tio ne povas tuŝi ŝian sanan naturon. Ŝi ordigas la edzecon de sia mastro, privenkas la seniluziiĝon, kiun kaŭzas al ŝi degenerinta junulo, laŭprofesia amanto de servistinoj kun ŝparaĵoj, kaj fine ŝi trovas, kiel edzino de iom maljuna vidvo, kies infanojn ŝi prizorgas, lokon por sia amsopiro kaj fideleco. Eĉ, kiam ŝi fine ricevas propran infanon, ŝi atingas sian vivocelon, trovas sian destinon: esti virino kaj oferi sin en fidela zorgo por aliaj. Kun bela simpleco kaj memkomprenebleco estas vidata kaj formata ĉi tiu tute ne romaneca virina figuro, peco de naturo, kiu devige evoluas kaj plenumiĝas. Tre vive kaj klare estas priskribita la Hamburg-a mondo kaj fiero de la patricioj. Ne kutima romano por distriĝo, sed serioza libro, kiu ankaŭ post la legado efikas plu.

*F. W. V.*



Ĉi tiu numero estas laŭamplekse triobla (52 paĝoj). La prokrasto okazis pro atendo pri kelkaj artikoloj.

ATENTU! En la antaŭa numero la paĝnumeroj de la aldono »Lingvo Libro« estas erare metitaj. Oni korektu ilin je 121—132. Tial la nuna numero komenciĝas per paĝo 133.